NOVEMBRO—DECEMBRO 1936 Dua periodo SESA JARO — SESA NUMERO

# Literatura Mondo



Adreso de redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53. V. 5

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## *Novaj prezoj!*
### *Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj!*

| | bind. | broŝ. |
|---|---|---|
| **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj — — — — | 0.56 | 0.40 |
| **Julio Baghy:** Viktimoj — — — — — — | 1.04 | 0·84 |
| **Julio Baghy:** Hura!, tolbind. 2.40 — — — | 2.30 | 2.— |
| **Julio Baghy:** Preter la Vivo — — — — | 0.72 | 0.50 |
| **Julio Baghy:** Pilgrimo — — — — — — | 0.70 | 0.50 |
| **Julio Baghy:** Sur Sanga Tero — — — — | 1.70 | 1.32 |
| **Julio Baghy:** Verdaj Donkiĥotoj — — — | 1.— | 0.70 |
| **K. Kalocsay:** Lingvo, Stilo, Formo — — — | 0.70 | 0.34 |
| **K. Kalocsay:** Streĉita Kordo — — — — | 1.06 | 0.80 |
| **K. Kalocsay:** Rimportretoj — — — — — | 0.44 | 0.27 |
| **K. Kalocsay:** Eterna Bukedo, duontole 2.30 — | 2.— | 1.65 |
| **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l' Homo luksa | 1.20 | 0.84 |
| simpla | 1.— | 0.66 |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj kaj La Taglibro — — — — — — — — | 0.70 | 0.50 |
| **K. Kalocsay—Dante:** Infero — — — — — | 1.90 | 1.60 |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. — — — | 2.25 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio II. — — — | 2.60 | 2.30 |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo, luksa | 0.84 | 0.50 |
| simpla | 0.66 | 0.40 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | 0.90 | 0.66 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto — — — — — — luksa | 2.65 | |
| simpla | 2.34 | 2.— |
| **K. Kalocsay:** Hungara Antologio — — — | 2.60 | 2.30 |
| **Bleier—Kökény—Ŝirjaev:** Enciklopedio de Esperanto, vol. I—II., ilustrita — — — — | 6.80 | 6.— |
| Enciklopedio de Esperanto, en unu volumo, neilustrita — — — — — — — — | 4.— | |
| **Asch—Lejzerowicz:** La Sorĉistino el Kastilio — | 0.90 | 0.66 |
| **Grenkamp—Brzekowski:** Pri l' Moderna Arto | 0.66 | |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn — — | 1.06 | 0.84 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano — — — | 0.90 | 0.66 |
| **F. Szilágyi:** Poemaro el Hungarlando — — | | 0.34 |
| **F. Szilágyi:** La Simpla Esperanto — — — | | 0.34 |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La pentroarto en la malnova Hungarujo — — — — — — | 3.— | 2.— |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon — | | 0.24 |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo — — — — — | 0.80 | 0.60 |
| **Totsche:** Dekdu poetoj — — — — luksa | 1.— | 0.60 |
| simpla | 0.84 | 0.50 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero — — — | 1.— | 0.72 |
| **St. Engholm:** Infanoj en Torento — — — | 0.60 | 0.40 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4 — — — — | 1.— | 0.72 |
| **E. Aisberg:** Fine mi komprenas la radion — | 1.20 | 0.92 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto — — — — — — — — | 0.70 | 0.50 |
| **Kikuĉi—Ŝimomura:** Amo de Toojuuroo — — | | 0.24 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato — — — | 0.84 | 0.60 |
| **Slonimsky—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | 0.72 | 0.50 |
| **Jelušić—Rotkvić:** Cezaro — — — — — | 2.05 | 1.80 |
| **Adamson:** Auli — — — — — — — — | 0.56 | 0.34 |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio — — | 2.60 | 2.30 |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto — — luksa | 1.20 | |
| simpla | 0.86 | 0.60 |
| **Jerome—Badash:** Tri Homoj en Boato, luksa | 1.50 | |
| simpla | 1.20 | 0.92 |
| **Munthe—Weleminsky:** Romano de San Michele | 2.12 | 1.80 |
| luksa | 2.40 | |
| **I. Lejzerowicz:** El la Verda Biblio — — — | 0.50 | 0.30 |
| **E. Wiesenfeld:** Verkaro de FeZ (Dr. Felikso Zamenhof) — — — — — — — — | 1.60 | 1.32 |
| luksa | 2.15 | |
| **Biernaczki—Medrkiewicz:** La Verko de Chopin | | 0.20 |
| **L. E. Thomson:** Multe pli la Amo — — — | | 0.18 |
| **EMBA:** Maria kaj la Grupo — — — — | 0.95 | 0.72 |
| luksa | 1.30 | |
| **E. Wüster:** Konturoj de la lingvonormigo en la tekniko — — — — — — — — | 0.85 | 0.60 |

La prezoj estas montrataj en usonaj dolaroj.
Aldonu 10% de sendkostoj.

**RABATO DE 20% AL LA MEMBROJ DE AELA EL LA SUPRAJ PREZOJ!**

La prezoj de la ankoraŭ neaperintaj libroj estos aparte anoncataj.

**AELA**-kotizoj por 1935 estas akceptataj antaŭ ol la lasta libro de 1935 estas aperinta (proksimume en fino de decembro 1936).

**Pagojn ni akceptas**

per monbiletoj, bankĉekoj, respondkuponoj, »money order« al Budapest aŭ al niaj reprezentantoj, aŭ al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos

**Poŝtmandatojn sendatajn al Budapest ni rifuzas.**

**ABONPREZO DE LINGVO-LIBRO**

por unu ekzemplero dum la jaro:

0.80 aŭstrajn ŝilingojn; 4.— belgajn frankojn; 8 penny; 9.— ĉeĥajn kronojn; 0.60 danan kronon; 0.60 estonan markon; 4.— francajn frankojn; 0.60 markon; 0.80 pengö; 4.— lirojn; 8.— dinarojn; 0.80 laton; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon; 0.60 norvegan kronon, 1.20 zloton; 4.— eskudojn; 25.— leojn; 0.60 svedan kronon; 0.20 USA-dolaron; 0.80 svisan frankon.

En nemenciitaj landoj 0.20 USA-dolaron aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por la duoblo de la supraj sumoj.**

**ABONPREZO DE LITERATURA MONDO**

por tuta jaro, la unua ekzemplero al la sama adreso:

12.50 aŭstrajn ŝilingojn; 65.— belgajn frankojn; 7.— anglajn ŝilingojn; 60.— ĉeĥajn kronojn; 7.— danajn kronojn; 7.— estonajn markojn; 45.— francajn frankojn; 7.50 germanajn markojn; 10.— pengöjn; 40.— lirojn; 100.— dinarojn; 9.— latojn; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 4.50 guldenojn; 7.— kronojn norvegajn; 15.50 polajn zlotojn; 30.— eskudojn; 300.— leojn; 7.— svedajn kronojn; 9.— svisajn frankojn; 1.80 USA-dolarojn kaj

**ĉiun egalvaloron.**

Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas dolarojn 1.40 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

**Unu dolaro usona egalvaloras la 15-an de novembro 1936.**
5.30 aŭstrajn ŝilingojn; 29.40 belgajn frankojn; 4.— anglajn ŝilingojn; 29.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 4.50 danajn kronojn; 3.80 estonajn markojn; 21.50 francajn frankojn; 3.80 germanajn markojn; 5.— pengöjn; 20.— italajn lirojn; 47.— jugoslavajn dinarojn; 5.20 latojn; —.— yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto); 7.60 lidojn litovajn; 1.90 nederlandan guldenon, (pagu nur al nia monopola deponejo en Nederlando: S-ro A. C. van Ingen, Nederlanda Esperanto Centro, Rotterdam, W. Schiedamscheweg 209 b.); 4.— norvegajn kronojn; 5.30 polajn zlotojn; 22.50 portugalajn eskudojn; 140.— rumanajn leojn; 4.— svedajn kronojn; 4.35 svisajn frankojn aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

**Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.**

# La azeno kaj la bovo de la kripo

— *Jules Supervielle* —

Sur la landvojo al Betlehem Jozefo gvidis la azenon, kaj sur tiu sidis Maria: ŝi pezis malmulte, ĉar en sia interno ŝi pensis nur pri la estonto.

Kaj la bovo iris post ili, sola.

Kiam ĉi tiuj malriĉaj vojaĝantoj venis en la urbon, ili instalis sin en forlasita stalo kaj Jozefo tuj eklaboris.

— Hm — meditadis la bovo —, tamen mirindaj estas la homoj. Kiom multe ili kapablas per la manoj kaj brakoj. Jes ja, ili atingas per ili pli, ol ni per niaj hufoj kaj kruroj. Kaj nia mastro ne havas egalulon en la laboro kaj plibonigado: la kurban li rektigas, la rektan li kurbigas, kaj kion li devas, tion li faras bonhumore kaj volonte.

Jozefo eliras, poste revenas: li portas sur la dorso pajlon, sed kian pajlon, tian vivantan, tian sunhelan, ke jam tio mem estas malgranda miraklo.

— Kio prepariĝas ĉi tie? — pensadis la azeno, — kvazaŭ oni faras malgrandan infanliton.

— Eble vi estos bezonataj dum la nokto — diris la Virgulino al la azeno kaj al la bovo.

La du bestoj longe rigardas unu la alian: ili provas kompreni, pri kio temas, poste tamen ili kuŝiĝas.

Baldaŭ malpeza voĉo vekadas ilin el la sonĝo, tia voĉo, kiu jus ankoraŭ plenigis la tutan ĉielon.

La bovo leviĝas kaj vidas en la kripo nudan, dormantan bebon, kiun ĝi komencas varmigi per sia spiro, malrapide, sisteme, nenion forgesante.

Maria dankas per ridetanta rigardo.

En la stalo flugilaj estaĵoj iras-venas kaj tiel facile ili trairas la murojn, kvazaŭ ili eĉ ne rimarkus ilin.

Jozefo revenis kun vindo, kiun pruntedonis najbarino.

— Estas mirinde, — li diras al Maria, per sia ĉarpentista voĉo, kiu kvazaŭ tro forta estas en ĉi tiu momento. — Estas noktmezo kaj tamen estas tago. Kaj anstataŭ unu suno, tri vidiĝas sur la ĉielo. Sed kvazaŭ ili volas atingi unu la alian.

Tagiĝe la bovo leviĝas kaj atente metadas la hufojn: ĝi timas, ke ĝi vekos la etulon, surpaŝos ian ĉielan floron, aŭ faras malutilon al iu anĝelo. Kiel malfacila fariĝis ĉio, kiel mirinde malfacila.

Najbaroj venas viziti Jesuon kaj Marian. Ĉiuj estas malriĉuloj kaj portas nenion krom la radianta vizaĝo. Poste venas ankaŭ aliaj, iu kun nukso, alia kun malgranda fluto.

La bovo kaj la azeno stariĝas flanken, por cedi vojon al la vizitantoj kaj en si ili pensadas pri tio, kion diros al ili la infano, ĉar ĝis nun li ankoraŭ ne vidis ilin. Guste nun li komencas vekiĝi.

— Finfine ni ja ne estas monstroj — diris laŭte la azeno.

— Jes, sed nia vizaĝo tamen ne estas kiel la lia, aŭ kiel tiu de liaj gepatroj kaj li povus timiĝi de ni.

— Ankaŭ la kripo, la stalo kaj la tegmento kun la traboj ne similas al lia vizaĝo kaj tamen li ne timiĝis de ili?

Sed la bovo estas malfacile konvinkebla. Senĉese ĝi pensas pri siaj du kornoj kaj tiel ĝi remaĉadas:

»Kiel turmente, kiel malagrable estas, ke mia proksimo estas tiel timiga — eĉ por tiu, kiun mi amas pleje. Ĉiam mi devas atenti, ke mi ne ofendu iun; kvankam mia sango ne estas tia, ke sen serioza kaŭzo mi atakus aĵojn aŭ homojn. Mi ne estas kolerulo, nek krimulo. Sed kien ajn mi iras, ĉien min akompanas miaj du kornoj kaj kun ili mi vekiĝas; kaj eĉ se mi estas nura sonĝo kaj ĉion mi vidas en ia granda-granda nebulo, tiuj ĉi du montoj, tiuj ĉi du duraĵoj neniam forgesas pri mi. Kaj eĉ dum nokto mi sentas ilin sur la plejsupro de miaj sonĝoj.«

Nun la bovon kaptis granda timo: eble ĝi venis eĉ tro proksimen al la infano, por lin varmigi. Kaj eble iel, nevole, ĝi eĉ pikos lin per la korno!

— Ne iru tiel proksimen al li, — flustris al ĝi la azeno, kiu tuj divenis, kio moviĝas en la menso de ĝia kamarado. — Eĉ pensi vi ne rajtas pri tio, vi ja tuj vundus lin. Kaj eble ankaŭ el via salivo vi faligos iom sur lin, ĉar neniam vi ĝin retenas kaj ĝi ne estas io pura. Cetere, kial vi senĉese salivas, se vi estas feliĉa? Gardu ĝin por vi mem. Kial estas necese, ke ĉiu rimarku.

(La bovo silentas.)

— Sed mi, tuj vi vidos, proponos al li miajn du orelojn. Ili moviĝas en ĉiu direkto, ne estas en ili osto kaj oni povas ilin kapti. Estas en ili io timiga kaj samtempe trankviliga. Io tia, kio amuzas la etan infanon kaj krome estas eĉ instrua en lia aĝo.

— Bone, bone, mi komprenas vin, ne klarigadu; neniam mi diris, ke ne estas tiel. Mi ne estas tiel stulta.

Sed ĉar la azeno havis tromemfidan vizaĝon, la bovo ankoraŭ daŭrigis:

— Sed ankaŭ vi ne kriaĉu en lian vizaĝon, ĉar per tio vi tuj mortigos lin!

— Kamparano! — respondis la azeno.

La azeno prenas lokon maldekstre kaj la bovo dekstre de la kripo, kiel en tiu momento, kiam Jesuo naskiĝis; kaj la bovo, kiu estas granda amiko al la etiketo kaj formoj, dezirus ĉiam tiel resti. Tiel ili staras dum horoj, humile kaj senmove, kvazaŭ ili servus modele al nevidebla pentristo.

La Infano fermas la palpebrojn. Li rapidas denove ekdormi. Jam atendas lin brila anĝelo kelkajn paŝojn post lia sonĝo, eble por diri al li ion, aŭ peti lin pri io.

La anĝelo elpaŝas vivanta el la sonĝo de Jesuo kaj aperas en la stalo. Unue li klinas sin antaŭ tiu, kiu jus naskiĝis, poste li pentras belan, puran aŭreolon super la kapo de la dormanto. Kaj duan al Maria, kaj trian al Jozefo. Poste li foriras dum blindiga plumkaj flugilsusurado, kies ĉiam moviĝanta kaj renoviĝanta blanko estas kvazaŭ tajdo.

— Ni ne ricevis aŭreolon, — konstatas la bovo. — La anĝelo certe scias la kialon. Ni du, la azeno kaj mi, ne povas multe pesi. Kaj kion ni ja faris, ke ni meritu tian lumkronon?

— Vi nenion. Tio certas. Sed pri tio, ĉu ne, vi ne pensas, ke Marian *mi* portis ĉi tien.

La bovo pensadas en si:

— Kiel estas eble, ke ĉi tiu bela, malpeza Virgulino povis portadi ĉi tiun belan infanon?

Sed eble ĝi pensadis laŭte kaj la azeno tuj respondas:

— Estas aferoj, fileto, kiujn vi ne povas kompreni.

— Kial vi diras ĉiam, ke mi ne komprenas. Finfine, mi ja vivis pli ol vi. Mi jam laboris supre sur la monto, sur la ebenaĵo, kaj apud la maro.

— Eh, ne pri tio temas! — respondas la azeno. Kaj poste:

— Ne nur aŭreolo estas sur li. Vidu, bovo, mi

estas certa, ke ĝis nun vi eĉ ne rimarkis tiun mirindan polvon, en kiu la Infano sin banas. Kion mi diras? ĝi estas eĉ ne polvo, sed io pli delikata.

— Jes — respondas la bovo, — io pli facila ol la polvo, tia, kia la lumo. Ora nebulo, kiu radias el lia eta korpo.

— Jes, jes, tion vi diras nur tial, ke mi kredu, ke ankaŭ vi vidis ĝin.

— Kio, ĉu mi do ne vidis?

La bovo tiras post si la azenon al angulo, kien, signe de adoro, ĝi metis malgrandan branĉon ĉirkaŭatan de pajleroj: tiuj ĉi pajleroj simbolas la elradiadon de la dia korpo. Jen la unua kapelo. La pajlon ĝi portis elekstere. Ĝi ne kuraĝis tuŝi tiun de la kripo: ĉar ĝi havis tro bonan guston; la bovo ĝin timis.

Tute ĝis la vespero ekstere paŝtadis sin la bovo kun la azeno. Kvankam plejofte la ŝtonoj nur malfacile kapablas kompreni, ekstere sur la kampoj jam troviĝis multaj, kiuj jam sciis. Ili eĉ vidis ŝtoneron, kiu signis per la ŝanĝiĝo de ĝia formo kaj koloro, ke ankaŭ ĝi scias, kio okazis en la nokto.

Ankaŭ la kamparaj floroj sciis, ankaŭ ilin oni devis indulgi. Tiel hodiaŭ la paŝtado sur la kampo estis preskaŭ laborego, se oni ne volis fariĝi sakrilegiulo. La bovo eĉ ne estis malsata. Cetere, la manĝon ĝi trovis ĉiam pli senutila. Ĝi satiĝis de feliĉo.

Antaŭ trinko ĝi demandis sin:

— Ĉu tiu ĉi akvo scias?

Pro dubo ĝi ne trinkis kaj foriris iom pli malproksimen, al malpura flako, pri kiu estis evidente, ke ĝi scias pri nenio.

Foje senfina dolĉo kuris kun la akvo malsupren tra ĝia gorĝo: se el nenio alia, el tio ĝi devis scii, ke tiu akvo scias...

— Jam estas malfrue — pensis la bovo —, mi devintus ne trinki el ĝi.

Eĉ spiri ĝi apenaŭ kuraĝis, ĉar eĉ la aeron ĝi rigardis sankta kaj scianta. Ĝi timis, ke se ĝi prenos grandan enspiron, eble ĝi enspiros anĝelon.

La bovo hontis, ĉar ĝi ne estis ĉiam tiel pura, kiel ĝi volis:

— Do mi estos pli pura de nun. Ĉiam mi atentos, kien mi metos la piedon.

La azeno fartis bone.

La suno inundis la stalon kaj la du bestoj kverelis pri la honoro, kiu el ili kovru per sia ombro la infanon.

— Ne malutilus ja iom da sunlumo, sed la azeno ja dirus, ke eĉ tion mi ne komprenas.

La Infano dormetis plue kaj foje-foje li meditadis dum sonĝo kaj suprentiradis la brovojn.

Foje la azeno per sia nazo tenere flankenturnis la infanon, dum la patrino, ekstere sur la sojlo, respondadis al la demandoj de la estontaj kristanoj.

Kiam Maria revenis, ŝi ektimis rigardante sian filon: ŝi serĉis lian vizaĝon tie, kie ŝi lasis ĝin antaŭe.

Kiam ŝi eksciis, kio okazis, ŝi komprenigis al la azeno, ke ne decas tuŝi la infanon. La bovo aprobis silente, sed ĉi tiu silento havis eksterordinaran sencon. Efektive, ĝi donis al ĉi tiu silento ritmon, punktadon, nuancon. En malvarmaj tagoj facile oni povis sekvi ĝian penson, per la longo kaj formo de tiu vaporkolono, kiu fluis el ĝiaj naztruoj.

La bovo opiniis, ke ĝi nur nerekte povas servi Jesuon; ekzemple ĝi logis al si la muŝojn de la stalo (matene ĝi kutimis froti sian dorson al iu kirlujo plena de sovaĝmielo), aŭ ĝi premis al muro la malkonvenajn skarabojn.

Kaj la azeno konstante atentis al la bruoj venantaj elekstere, kaj se io ŝajnis suspekta, ĝi stariĝis antaŭ la enirejo de la stalo. Kaj la bovo staris malantaŭ ĝi, ke tiel ili pli bone povu kontraŭstari. Ĉe tiaj okazoj ili iĝis tiom pezaj, kiom ili nur povis: dum la danĝero daŭris, ilia kapo kaj ventro pleniĝis de plumbo kaj granito. Sed iliaj okuloj brilis pli gardeme ol iam ajn.

Mirante vidis la bovo, ke Maria scias ridetigi la infanon. Jozefo, kvankam li havis barbon, same kapablis tion, ĉu per la nura ĉeesto, ĉu per tio, ke li flutis. Ankaŭ la bovo estus volinta ludi al la infano. Finfine ja eĉ ne estas tiel malfacile, oni nur devas blovi en la fluton:

— Mi ne volas klaĉi pri mia mastro, tamen mi ne kredas, ke per sia spiro li povus varmigi Jesuon. Kiom koncernas la fluton, nu, nur unufoje mi estu sola hejme kun la infano; tiam mi ne timas lin tiom. Tiam li estas nur infano, kiu bezonas defendon. Kaj bovo tamen scias ja, ke ĝi estas forta.

Kiam ili paŝtis sin kune, ekstere sur la kampoj, okazis plurajn fojojn, ke la bovo lasis la azenon sola:

— Kien vi iras?

— Tuj mi revenos.

— Sed kien do vi iras? — furiozis la azeno.

— Mi iras rigardi, ĉu li bezonas ion? Neniam oni povas scii.

— Sed kial do vi ne lasas lin trankvila?

La bovo tamen foriris. En la muro de l' stalo estis esplortruo, kiun poste, ĝuste pro tio, france oni nomis bov-okulo, kaj tra kiu la bovo povis facile ŝtelrigardadi.

Foje la bovo rimarkis, ke Jozefo kaj Maria ne estas en la stalo. Ĝi trovis la fluton sur benko, apud la infano, kaj tiel, ke ankaŭ ĝi povis komforte atingi ĝin per la buŝo.

— Ho, kion nun mi ludu al li — diris al si la bovo, kiu nur per ĉi tiu muzikilo kuraĝis proksimiĝi al Jesuo. — Eble kamparanan kanton? Aŭ la marŝon de la kuraĝa taŭrido? Aŭ la kanton de la sorĉita virbovido?

Ofte la bovoj faras, kvazaŭ ili remaĉus, kvankam ilia animo kantas.

La bovo blovis malforte en la fluton kaj ankaŭ tio estas ebla, ke ia anĝelo helpis al ĝi en la muziko. La infano iom leviĝis, kaj per la kapo, kaj per la ŝultroj, ke li pli bone vidu. La flutisto tamen ne estis kontenta pri la rezulto. Kontraŭe, ĝi estis certa, ke neniu aŭdis ĝin ekstere. Sed koncerne tion ĝi trompiĝis.

Ĝi eĉ tuj fuĝis, ĉar ĝi timis, ke iu, kaj ĉefe la azeno, povas enveni kaj ĝin surprizos apud la fluto.

— Venu jam, rigardu! — diris Maria al la bovo iun tagon. — Kial vi neniam venas pli proksimen al mia infano?

La bovo kuraĝiĝis kaj stariĝis proksime al Jesuo, kiu por kuraĝigo karesis ĝian buŝon. La bovo retenis la spiron, ĉar ja nun tiu ne estis bezonata. La malgranda Jesuo ridetis. La feliĉo de l' bovo estis senvoĉa. Tiu feliĉo plenigis ĝian korpan formon tute ĝis la pintoj de l' kornoj.

La infano alterne rigardadis la azenon kaj la bovon, la azenon, kiu eble estis tro certa pri sia afero, kaj la bovon, kiu sentis sin tiel malluma apud la interne lumanta malgranda vizaĝo, kiel se lampo iradus malantaŭ malpezaj, blankaj kurtenoj, en la ĉambroj de malgranda kaj fora loĝejo.

Kiam la infano rimarkis, kiel malluma estas la bovo, li komencis laŭte ridi.

Kompatinda besto, ĝi ne vidis klare en tiu ĉi infana rido kaj senĉese ĝi dubadis, ĉu eble mokas lin la infano. Eble ĝi estu pli reteniĝema? Aŭ eble ĝi devus tute foriri?

Tiam la infano ree ridis, sed per tiel brila, tiel infana rido, ke la bovo komprenis: kuraĝe li povas resti en lia proksimo.

Maria kaj ŝia infano ofte de proksime rigardis unu la alian. Kaj kvazaŭ ili konkuris, kiu estas pli fiera pri la alia.

— Mi kredas, — pensis la bovo, — ke ili vivas en konstanta ĝojo. Ja neniam estis pli pura patrino kaj pli bela infano sur tiu ĉi tero. Kaj tamen, kiel serizoa estas kelkfoje la vizaĝo de ambaŭ!

Foje la bovo kaj azeno estis ĝuste antaŭ enpaŝo en la stalon. Kiam ili bone ĉirkaŭrigardadis, kvazaŭ pro timo, ke ili eble eraros:

— Rigardu nur tiun stelon, kiu tie sur la ĉielo venas al ni, kiel bela ĝi estas, preskaŭ ĝi varmigas mian koron, — diris la bovo al sia kunulo.

— Lasu nur trankvila vian koron. Ĝi ja havas nenian rilaton kun tiuj ĉi grandaj aferoj, kies atestantoj ni estas de certa tempo.

— Nu, kion ajn vi diras, ĉi tiu stelo venas al ni. Rigardu nur, kiel malalte ĝi iras sur la ĉielo. Kvazaŭ ĝi venus ĝuste al la stalo. Kaj sub ĝi, ĉu vi vidas, venas tri homoj, kun multaj juveloj.

Kiam la du bestoj venis al la sojlo de l' stalo:

— Kion vi pensas, bovo, kio okazos?

— Multon vi demandas de mi, azeno, sufiĉas al mi, kion mi vidas. Eĉ ofte tio jam estas tro multa.

— Mi havas ideon.

— For, for, iru jam — diris al ili Jozefo el la pordo. — Ĉu vi ne vidas, ke vi baras la vojon kaj ne lasas enveni la fremdulojn?

La bestoj stariĝis flanken, por enlasi orientajn reĝojn.

Ili estis triope kaj unu estis nigra de plando ĝis verto: li simbolis Afrikon mem. Komence la bovo diskrete sed konstante atentis pri li. Nome, ĝi volis vidi, ĉu vere kun bona intenco venis la negro al la infano.

Kiam la vizaĝo de la nigra reĝo, kiu verŝajne estis miopa, kliniĝis super la etan Jesuon, ĝi tiel bele respegulis la bildon de l' infano, tiel pure, tiel glate, kun tiel granda humilo kaj kun tiel plena sinforgeso, ke la koron de l' bovo trapenetris granda dolĉo.

— Tiu ĉi devas esti granda sinjoro — ĝi pensis nun en si; — la aliaj du certe ne povus tion fari! Kaj post kelkaj minutoj ĝi aldonis:

— Kaj eble li estas la plej bona el la tri.

Nome la bovo observis, ke la blankaj reĝoj forŝtelis el la kripo po unu pajleron, kiun ili poste kun granda atento kaŝis en sia pakaĵo. Sed la nigra reĝo nenion forportis el la stalo.

Unu apud la alia, sur improvizita lito, kiun la najbaroj pruntedonis, la tri reĝoj dormis en la stalo.

— Kiel strange, — pensis la bovo, — ankaŭ dum dormo ili surhavas la kronon. Kaj ĉi tiu dura aĵo ja povas esti eĉ pli malbona, ol miaj du kornoj. Kaj tiuj ĉi multaj brilantaj juveloj ne lasas ilin dormi.

Sed ili dormis tiel saĝe, kiel la statuoj sur la tomboj. Kaj ilia stelo brilis super la kripo.

Antaŭ tagiĝo, ĉiuj tri leviĝis samtempe, per unu gesto. En sia sonĝo dum la nokto ĉiuj tri vidis la saman anĝelon, kiu konsilis al ili, ke ili tuj foriru, ne vizitu Herodon kaj ne diru al la tirano, ke ili vidis la Infanon.

Ili foriris, sed la stelon ili lasis super la kripo: ja ĉiu eksciu, ke ĉi tie okazis

## Al la malgranda frat' de mia koro...

— Harriet Löwenhielm —

Al la malgranda frat' de mia koro
donaci volus mi el trezorkest'
juvelon brilan pli ol Koh-i-nooro.
Mi volus pli —
sed atestvokas Dion,
ke mi nenion havas, ve, nenion,
sed pri feliĉ' de l' frato preĝos mi.

Surmeti volas mi pilgrimmantelon,
kaj post senfine longa pilgrimad'
mi genutrenos min en templohelon,
sur la marmor'
min klinos ĉealtare,
kaj petos mi senĉese, humilkare
ĝis »Tiel estu!« diros Di'-Sinjor'.

Mi frunton premos teren kaj infane
petegos: Di-Sinjoro, Cebaot'!
Vi, kiu tenas ĉiun ĝojon mane,
vin petas mi:
Mi havas fraton etan —
el via riĉ' juvelon multfacetan
el ĝoj' senlima donu, ho, al li!

— feliĉon tian, ke ĝi, eĉ sentate
momenton nur, lin ravu ĝis kapturn',
sed ne permesu, ke ĝi velku sate!
Mi petas vin:
Donacu senmezure!
Sed, Dio, kiam regos li purpure,
ho faru, ke li ne forgesu min...

Tradukis: *Magda Carlsson.*

---

## LA PREGO DE L' BOVO.

— Ĉiela Infano, ne juĝu min laŭ mia timiĝinta kaj senkomprena vizaĝo. Ĉu venos foje la tago, kiam mi estos simila al malgranda moviĝanta roko?

Kaj sciu, tiuj ĉi du kornoj estas nenio alia ol nura kapornamo. Eĉ, mi konfesas al vi, ke neniam mi uzis ilin.

Eta Jesuo, ĵetu iom da lumo en ĉi tiun konfuzon kaj malriĉon, kiu mallumas en mi. Donu ankaŭ al mi iom el via delikateco, Vi, kies etaj manoj-piedoj tiel zorge gluiĝas al via korpo. Ĉu vi diros iam, malgranda Sinjoro, kial mi povis vin vidi iun tagon, devante nur flankenturni la kapon? Se vi scius, ho mirinda Infano, kiom dankema mi estas al Vi, ke mi nun povas genui ĉi tie en via grac-dona ĉeesto, kaj ke mi povas vivi en sama familio kun la anĝeloj kaj steloj! Kelkfoje mi demandas al mi, ĉu oni ne erarigis vin, kaj ĉu vere mi devas esti ĉi tie, apud vi: ĉar eble vi ne rimarkis, ke granda cikatro estas sur mia dorso, kaj ke sur unu mia flanko eluziĝis tufo da haroj, kio vere estas sufiĉe malbela. Eĉ se vi restus ĉe mia familio, certe vi trovus pli belan, pli bonan ol mi, ekzemple mian fraton aŭ iun mian kuzon. Kaj ĉu la leono aŭ la aglo ne estus pli konvenaj?

— Silentu jam — diris la azeno, — kial vi ĝemadas tiom; ĉu vi ne vidas, ke li ne povas dormi pro via eterna remaĉado?

— Ĝi pravas — diris al si la bovo —, oni devas scii ankaŭ silenti, se venis ties tempo, eĉ se nia feliĉo estas tiel granda, ke ni ne scias ĝin kien meti.

Sed ankaŭ la azeno preĝis, en la jena maniero:

— Selaj azenoj, ŝarĝaj azenoj, vidu, bela estos la vivo kaj la azenidoj sur gajaj kampoj povas atendi

novajn aferojn. Dank'al vi, malgranda junulo, la ŝtonoj nun jam povas resti sur sia loko ĉe la vojrando kaj de nun ili ne falos, kiel ĝis nun, sur la azenojn. Ankoraŭ io. Kial propre estas tiel pena nia vojo, kial tiuj multaj deklivoj, kaj tiu eterna montgrimpado? Ĉu ne estus pli bone por ĉiu, se ĉiu vojo estus ebena? Kaj kial tiu ĉi bovo ĉi tie, kiu estas multe pli forta ol mi, neniam portas iun sur la dorso? Kial estas tiel longaj miaj oreloj, kial tiel nuda mia vosto, kial tiel malgrandaj miaj hufoj, kial tiel mallarĝa mia brusto kaj kial similas mia voĉo al la koloro de malbona vetero? Sed, ĉu ne, ĉio ĉi ne estas definitiva kaj estas espero pri ŝanĝo?

Ĉiam alia kaj alia stelo gardostaris dum la sekvantaj noktoj. Foje tuta stelarbildo. Ke la sekreton de l' ĉielo neniu rimarku, ĉiam nubo kovris la lokon de la forestantaj steloj. Kiel bele estis vespere, kiam tiuj foraj kaj senfinaj steloj iĝis malgrandaj, tute malgrandaj, ke ili povu sin loki super la kripo, kaj kiam ili gardis en si sian lumon, la troon de sia grando kaj varmo, ŝutante el ĝi nur tiom, ke ili nur varmigu kaj lumigu la stalon, sed ne timigu la infanon. Tiaj estis la plej unuaj noktoj de la kristaneco: Maria, Jozefo, la Infano, ankaŭ la bovo kaj la azeno, tiam mirinde kaj tute estis si mem. Ilia propra simileco, kiu tage dissemiĝis kaj diseriĝis inter la vizitantoj, post krepusko brilis per mirakla forto kaj certo.

Pere de la bovo kaj azeno ankaŭ aliaj bestoj petegis, ke ili povu ekkoni la Infanon. Kaj vere, iun belan tagon, kun la permeso de Jozefo, la bovo komisiis rapidan kaj bravan ĉevalon, ke ĝi kunvoku ĉiujn, kiuj volas veni la sekvantan tagon.

Kaj la azeno kaj la bovo komence maltrankviliĝis, ĉu ili povas enlasi la timigajn sovaĝbestojn, la elefanton, la dromedaron, la kamelon, t. e. tiujn bestojn, kiujn igis iom suspektaj ilia ĝibo, rostro, aŭ cetera viand- aŭ ostsuperfluo.

Same ili antipatiis al tiaj timigaj insektoj, kiaj ekzemple la skorpioj, la tarantuloj, gigantaj araneoj, vipuroj kaj ĉiuj kreaĵoj, kies glandoj sekrecias venenon, ne nur nokte, sed ankaŭ tage, eĉ en la aŭroraj horoj, kiam ĉio estas ankoraŭ pura.

Sed Maria ne hezitis:

— Ĉiuj povas enveni. Mia infano estas en sia kripo en tia sama sekuro, kvazaŭ li estus supre en la plej alta ĉielo.

Sed unuope! — aldonis Jozefo per preskaŭ soldata voĉo. — Mi ne permesas, ke samtempe du bestoj transpaŝu la sojlon, ĉar tiam la konfuzo estus granda.

Unue venis la venenaj bestoj, ĉiu kun la sento, ke ĉi tiun kontentigon oni ne povas rifuzi al ili. Ĉiu rimarkis la diskretecon de la serpentoj: ili ne kuraĝis rigardi al Maria kaj klopodis kiel eble plej malproksimen tiriĝi de ŝia persono. Kaj ili foriris kun la sama trankvilo kaj digno, kvazaŭ ili estus nur kolomboj aŭ domgardantaj hundoj.

Krome, inter la ceteraj estis ankaŭ tiel etaj bestoj, ke preskaŭ oni ne povis scii, ĉu ili estas interne, aŭ atendas ekstere. La atomoj ricevis plenan horon, por sin prezenti unuope kaj ĉirkaŭmarŝadi la kripon. Kiam la horo pasis, Jozefo ja sentis sur la haŭto, ke io lin pikas, do ke ankoraŭ ne ĉiu foriris, sed tamen li ordonis, ke venu la aliaj.

La hundoj tre miris: ili ne komprenis, kial ili ne povas konstante resti en la stalo, kiel la bovo kaj la azeno. Neniu sciis kion respondi al ili, tial oni nur karesadis ilin. Tiam ili foriris kun videbla danko en la koro.

Tamen, kiam ili eksentis per la odoro, ke la leono venas, la azeno kaj la bovo komencis tre maltrankviliĝi. Se ne paroli pri tio, ke tiu ĉi odoro penetris tra la incenso, mirho kaj ĉiu alia parfumo, kiun la tri reĝoj lasis ĉi tie.

La bovo taksis alte la grandanimecon de Jozefo kaj Maria. Tamen, ĝi pensis, ĉu licas lasi infanon, ĉi tiun malfortan etan lampon, apud besto, kies spiro povas subite estingi ĝian lumon...

La maltrankvilo de l' bovo kaj azeno kreskis ankaŭ pro tio, ke ili opiniis deca rigidiĝi antaŭ la leono. Ke ili ĝin ataku, pri tio ili same ne povis pensi, kiel ili ne povis ataki la fulmon aŭ la tondron. Cetere, la bovon jam malfortigis la fastado kaj iel ĝi sentis sin plie aereca ol batalema.

Venis do ankaŭ la leono, kun sia vent-kombita kolhararo, kaj kun tiel trista rigardo, kvazaŭ ĝi dirus:

— Mi estas la leono, sed kion mi povas fari kontraŭ tio, mi estas nur la reĝo de l' bestoj.

Vidiĝis sur ĝi, ke ĝia ĉefa zorgo estas okupi en la stalo kiel eble plej malgrandan lokon, kio ne estis facila afero; kaj al neniu malutili per sia spiro ĉirkaŭ si, kaj forgesi, dum ĝi ĉeestas, pri siaj retireblaj ungegoj kaj potencmuskolaj makzeloj. Kun mallevitaj okuloj ĝi venis antaŭen, kaŝante siajn pompajn dentojn kvazaŭ hontindan malsanon, kaj tiel modeste, kiel decas al tiu leonspeco, kiu iun tagon ne manĝegos sanktan Blandinan. La Virgulino ekkompatis ĝin kaj provis ĝin trankviligi per tia rideto, kian ŝi gardis nur por la infano. Sed la leono rigardis nek dekstren, nek maldekstren, nur antaŭ sin, kvazaŭ ĝi dirus, sed nun jam pli amare ol antaŭe:

— Kiom mi respondas pri tio, ke mi estas tiel granda kaj forta? Vi ja scias, ke mi manĝis, nur se instigis min je tio la libera aero kaj la malsato. Kaj vi ja povas kompreni, ke mi havas ankaŭ etajn idojn. Kiomfoje provadis jam ankaŭ ni, fariĝi herbmanĝantoj. Sed vane, la herbo ne estas por mi. Neniam mi povis ĝin gluti.

Poste ĝi klinis tiun monstre grandan kapon, kiu similis al dis-eksplodanta har-arbarego kaj kuŝiĝis malĝoje sur la dura tero. La malgranda hartufo sur la fino de ĝia vosto ŝajnis same trista kiel ĝia kapo, kaj tiu subita granda silento estis malbonvena al ĉiu.

Kiam venis la vico de l' tigro, ĝi sterniĝis sur la tero de l' stalo, ke post la multa fastado kaj mizero ĝi ŝajnis vera tapiŝo, antaŭlita tapiŝo apud la lito. Post kelkaj momentoj ĝi ree iĝis vivanta tigro, preciza, elasta kiel maŝino kaj foriris sen vorto.

La ĝirafo nur por momento montris siajn hufojn en la pord-aperturo, kaj ĉiu opiniis, ke tio kalkuliĝas same, kvazaŭ ĝi estus ĉirkaŭmarŝinta la kripon. Tiel faris ankaŭ la elefanto: ĝi nur genuis ĉe la sojlo de la stalo kaj sian rostron ĝi movis kvazaŭ veran incensujon, kio plaĉis al ĉiu.

Longa-longa-lana ŝafido volis, ke oni tondu ĝin, eĉ tuj: sed oni bele dankis kaj ne tuŝis ĝian lanon.

La kanguruo nepre volis doni sian idon al Jesuo: ĝi asertadis, ke ĝi donas volonte, ke ĝi ne mankos al ĝi, ĉar ĝi ja havas ankoraŭ multajn idojn hejme. Sed ankaŭ tion ne akceptis Jozefo kaj la kanguruo reportis sian idon.

La struto jam estis pli feliĉa: ĝi uzis la okazon, kaj kiam neniu atentis, ĝi demetis sian ovon en la angulo de l' stalo kaj poste silente foriris. Ĉi tiun memoraĵon nur en la sekvanta tago oni rimarkis. La azeno vidis ĝin unua. Neniam ĝi vidis ankoraŭ tiel grandan kaj duran ovon kaj ĝi kredis, ke ĝi estas

atesto de miraklo. Sed Jozefo klarigis al ĝi, kiel li povis: el la ovo li faris fritaĵon.

La fiŝoj ne povis veni, ĉar ili spiras tre mizere ekster la akvo, do anstataŭ si ili sendis la mevon kiel deputiton.

La birdoj sian kanton, la kolomboj sian amon, la simioj siajn ŝercojn, la katoj sian rigardon postlasis, kaj la turtoj la mildon kaj afablon de sia gorĝo.

Ankaŭ aliaj bestoj volis veni, tiuj, kiuj estas ankoraŭ nekonataj kaj atendas, ke oni donu al ili nomon, en la profundo de l' maro aŭ de l' tero, kie ili vivas en eterna nokto, sen steloj, sen luno kaj sen alterno de l' sezonoj.

En la aero oni povis senti la animon de tiuj estaĵoj, kiuj ne povis veni, aŭ kiuj forrestis sur la vojo, de tiuj, kiuj loĝas malproksime, sur la alia fino de l' tero, sed kiuj tamen ekiris sur siaj etaj skarabpiedoj, sed kiuj en tuta horo povas trairi maksimume unu metron, dum ilia vivo estas tiel mallonga, ke eĉ duonmetron apenaŭ ili povas esperi, se ili ne havas eksterordinaran bonŝancon.

Kompreneble okazis ankaŭ mirakloj: la testudo rapidis, la igvano provis iri pli malrapide, la hipopotamo gracile klinadis siajn genuojn, kaj la papagoj silentis.

Kelkajn minutojn antaŭ krepusko okazis malagrabla akcidento. Jozefo, kiu jam laciĝis de tio, ke tutan tagon malsate-soife li direktadis la marŝadantojn, tretis en distra momento sur venenan araneon, kvankam ankaŭ tiu venis nur por fari salutviziton antaŭ la infano. La taŭzita kaj dolora vizaĝo de la sanktulo konsternis ĉiun por longa minuto.

Aliaj bestoj, kvankam oni atendis de ili pli multan takton, simple restis plue en la stalo: la bovo estis devigata forigi la mustelon, la sciuron, la melon kaj ankoraŭ kelkajn bestojn, kiuj ne volis foriri.

Restis tie ankaŭ kelkaj vesperaj papilioj, ĉar ilia koloro similas al la trabo de l' tegmento kaj tiel la tutan nokton ili povis pasigi super la kripo. Sed la sekvantan tagon tuj malkovris ilin la unua sunradio kaj, ĉar Jozefo ne permesis favori iun ajn, li tuj forpelis ĉiujn.

Ankaŭ la muŝojn ili alvokis foriri. Sed ili, kun sia obstino, komprenigis al Jozefo, ke ili ĉiam estis tie; do Jozefo ne povis kontraŭdiri.

La ĉielaj fenomenoj, kiuj ĉirkaŭis la bovon, ofte igis ĝin reteni sian spiron. Ĉar ĝi iom post iom kutimiĝis, kiel la aziaj asketoj, reteni la spiron, ĝi iĝis sama klarvidanto kiel tiuj, kaj, kvankam ĝi pli bone fartis en la humilo ol en la sublimo, baldaŭ ĝi havis viziojn. Sed eĉ en tiuj vizioj ĝin gvidis ia timo kaj ĝi neniam kuraĝis imagi anĝelojn aŭ sanktulojn. Ĝi vidis ilin nur tiam, kiam ili vere estis en ĝia proksimo.

— Mi kompatindulo — pensis la bovo, kiun pli kaj pli timigis ĉi tiuj suspektaj fenomenoj, — mi kompatindulo, ĉu ĉi tion bezonas mi, kiu estas nur mizera besto, aŭ eble mem la demono! Kial mi ja havas tiujn du kornojn, kiajn li, kvankam neniam mi faris malbonon? Eble mi estas ia sorĉisto!

Jozefo baldaŭ rimarkis la maltrankvilon de l' bovo, kiu maldikiĝis okulvideble.

— Kial vi ne iras vin paŝti? — li diris al ĝi. Tutan tagon vi flankumas ĉi tie ĉirkaŭ ni kaj baldaŭ vi iĝos nura osto kaj haŭto.

La bovo eliris kun la azeno.

— Li pravas, vi maldikiĝis — diris al ĝi la azeno. — Viaj ostoj estas tiel pintaj, ke sur via tuta korpo kreskos kornoj.

## Karinjo

— Ture Nerman —

Gracila, eta, nur dekkvin,
la haroj: lin'.
Kaj supre blu-bluas ĉielomuslin'.
Sekvante vin
sin gimnazianoj balancas:
glacio degelas en vintrofin',
kaj dek-du ventoj dancas.

Sed trista, kun jaroj tridek-tri,
ĉeflanke mi,
la faŭno malbela, ne pensas pli
al melankoli',
pro juna ir', linharoj...
forgesas, ke homoj ridetus pri
la tri kaj tridek jaroj.

Ne timu do! Ne, etulin'!
Rigardu min!
Ne plue okazos tia krim':
vidserĉi vin;
nur kiam, plenkreska, iame
sen ĝeno vi scios pri vira inklin',
kiel ĝi fajras flame.

Por mi: matura florĝarden'.
Ne mankas jen
la formoj kaj flirto kaj ĉirkaŭpren'
por volvi min en
mantelon de ruĝa ebrio.
Por gimnazian': via flora liptrem'
en iu ŝtupar' en Junio.

Do iru en rosfreŝa jun'
sub Marta sun'
— de knabokruroj la trenum' —
surstrate kun
esper', Feliĉon trovi.
L' okulojn fermos la Maljun'
obee. (Kiel povi?)

Mi ĝemos... ne vidos, tute ne;
memoros, ke
vi estis por mi kiel blua fe',
poezi', rimkre',
kantet' el senkulp' kaj harlino,
infanbal-melodi', kiu premas ĉe
la gorĝo kun ĝena obstino...

Kaj tiel, dum pasos kun susur'
la tempokur'
kaj vi maturiĝos por rab' kaj tortur'
mi staras nur
fenestre je Martaj gutsonoj
kaj dankas ridlarme al dio Natur'
pro liaj novaj burĝonoj.

Tradukis: *Magda Carlsson.*

---

— Nur ne parolu pri mia korno!

Kaj la bovo diris al si mem:

— La azeno pravas! Jes, vere, oni devas vivi. Rigardu, kial vi ne ekmordas ĉi tiun belan verdan herbtufon. Ĉu vi kredas eble, ke ĝi malutilos? Aŭ tiun alian. Ĉu vi imagas eble, ke ĝi estas venena? Ne, ne, sed mi ja ne estas malsata. Kiel bela estas ĉi tiu infano! Kaj tiuj lumaj figuroj, kiuj venas kaj foriras kaj kiuj kvazaŭ spiras nur per la vibrantaj flugiloj.

Kiel bela estas tiu ĉiela popolo, ili eĉ ne makulas sin en nia simpla stalo. Manĝu, bovo, ne zorgu pri tio! Kaj ne lasu, ke vin veku ĉi tiu ĉiela feliĉo, kiam en la profundo de l' nokto subite ĝi ektiras vian orelon, kaj ne restu tiel longe ĉe la kripo sur unu genuo, ĉar jam doloras via piedo. Via haŭto, kvankam bovohaŭto, jam tute vundiĝis ĉe la artiko kaj se ĝi ankoraŭ pli vundiĝos, surflugos ĝin ankaŭ la muŝoj.

Iun nokton la stelarbildo de la Taŭro gardostaris super la kripo, en la mezo de granda peco de malluma ĉielo. La ruĝa okulo de Aldebaran flamis brile kaj belege, tute proksime. Kaj sur la kornoj kaj ingvenoj de l' taŭro pompadis grandegaj juveloj. La bovo estis tre fiera, ke tiel bone oni gardas la infanon. Ĉiu dormis trankvile, ankaŭ la azeno, kun siaj malsuprenkliniĝintaj kaj fidantaj oreloj. Nur la bovo estis maltrankvila kaj malforta, kvankam ĝi ĝojis pri la ĉeesto de tiu parenca kaj amika stelarbildo. Ĝi meditadis pri ĉio, kion ĝi oferis al la Infano, pri siaj senutilaj vigladoj, pri sia ridinda defendado.

— Ĉu vidas min la stelarbildo de l' Taŭro? — ĝi pensis en si. — Tiu stela, ruĝa okulo, kiu tiel brilas, ke mi preskaŭ timas; ĉu ĝi scias, ke mi estas ĉi tie? Tiuj multaj steloj estas tiel malproksime, tiel alte, ke oni eĉ ne scias, kien ili rigardas.

Subite Jozefo, kiu jam de kelkaj minutoj maltrankvile baraktadis sur sia kuŝejo, leviĝis levante la brakojn al la ĉielo. Li, kiu ĝis nun estis tiel trankvila en ĉiu sia movo kaj vorto, nun, meze de la nokto, vekis ĉiujn, ankaŭ la Infanon!

— En sonĝo mi vidis la Sinjoron. Sen prokrasto ni devas ekiri. Pro Herodes, jes, pro li, ĉar li koleras Jesuon.

Maria prenas sian filon en la brakon, kvazaŭ la reĝo de l' judoj jam estus ĉi tie en la pordaperturo, kun granda buĉhakilo en la mano.

Jam ankaŭ la azeno estas surplande.

— Kaj ĝi? — diras Jozefo al la Virgulino montrante al la bovo.

— Mi timas, la kompatindulo estas tre malforta. Ĝi ne povus veni kun ni.

La bovo volus montri, ke ne estas tiel. Egan fortostreĉon ĝi faras, ke ĝi stariĝu, sed ankoraŭ neniam ĝi sentis sin tiel ligita al la tero. Tiam, kvazaŭ petante helpon, ĝi rigardas al la stelarbildo de l' Taŭro. Ĝi povas kalkuli jam nur pri ĝi, por ke ĝi havu forton al la ekiro. La ĉiela taŭro eĉ ne moviĝas; ĝia okulo estas same flamanta kaj ruĝa, kaj ankaŭ nun ĝi rigardas flanke al la bovo.

— Ĝi ne manĝas de tagoj — diras la Virgulino al Jozefo.

— Ho, mi komprenas, ja mi komprenas, ke oni lasas min ĉi tie — pensas la bovo. — Estis tro bele, ne povis daŭri longe. Cetere, kio iĝus el mi sur la vojo. Osteca kaj malfruiĝema fantomo. Por miaj ripoj eĉ la haŭto estas peza kaj ili havas ununuran deziron, ke ili ripozu sub la ĉielo.

La azeno nun iras al ĝi kaj frotas al ĝi sian nazon, per kio ĝi volas sciigi la bovon, ke Maria konfidis ĝin al najbarino, kaj ke ĝi havos ĉion, eĉ se ili jam ne estos ĉi tie. Sed la bovo, kun duonfermitaj palpebroj, ŝajnas preskaŭ mortinta.

Maria karesas ĝin kaj diras:

— Sed ni ja ne iras al granda vojo. Ni diris tion nur por vin ektimigi!

— Jes ja, ni baldaŭ revenos — diras Jozefo; — kiel ni irus nun malproksimen, en ĉi tiu granda nokto!

— Estas bela stelplena nokto — diras ree Maria, — ni portas la Infanon eksteren, al la aero, li ja estas tiel pala nuntempe.

— Jes ja, nur tial — diras la Sanktulo.

Sed tio estas nur pia mensogo. Bone scias tion la kompatinda bovo kaj, ĉar ĝi ne volas ĝeni la forirantojn, ĝi faras, kvazaŭ ĝi dronus en profundan dormon. Kaj tio estas ĝia mensogo.

— Ĝi ekdormis — diras Maria. — Ni metu la pajlon de l' kripo ĉi tien, tute apud ĝin, por ke ĝi havu ĉion, kiam ĝi vekiĝos. Ni lasu ĉi tie ankaŭ la fluton — tre-tre mallaŭte ŝi diras ankoraŭ, — tute proksime al ĝia spiro; ĝi amas ludi per ĝi, kiam ĝi estas tute sola.

Ili jam iras, la pordo de l' stalo ekknaras. — Mi estus devinta ĝin olei — pensas en si Jozefo, ĉar li timas, ke li vekos la bovon; sed ankaŭ nun ĝi faras ankoraŭ, kvazaŭ ĝi dormus profunde.

Silente ili fermas la pordon de l' stalo.

Kaj dum la azeno de l' kripo iom post iom transformiĝas je l' azeno de l' Fuĝo al Egipto, la bovo restas en la stalo kaj nur rigardas la pajlon sur kiu antaŭe ripozis la Infano.

Ĝi scias bone, ke neniam ĝi tuŝos ĝin: nek ĝin, nek la fluton.

La stelarbildo de l' ĉiela taŭro svingiĝas sur la Zeniton kaj per sola kornpuŝo ĝi fiksiĝas sur tiu loko de l' ĉielo, kiun ĝi plu neniam forlasos.

Kiam nelonge post la tagiĝo la najbarino venis en la stalon, la bovo jam ĉesis remaĉi.

El la franca: *L. Létinois.*

## La fendita sonorilo

— Charles Baudelaire —

Estas amare-dolĉe, dum vintronoktoj blankaj
aŭskulti ĉe la fajro de treme vibra brulo
la forajn rememorojn lante releviĝantajn
ĉe l' son' de l' sonoriloj kantantaj tra l' nebulo.

Ho sonoril' feliĉa, kun gorĝo fortoŝvela,
vi, spite la maljunon, kun gajfreŝa akcento
dissendas vian krion plenan de kred' fidela,
kiel soldat' maljuna, viglanta sub la tendo!

Fendita estas mia anim', kaj se enuante
ĝi volas vivplenigi la noktan froston kante,
ĝi ofte eksimilas per voĉo invalida

al raŭka kaj stertora vundito, forgesita
sub piramid' kadavra, apud sanglaga bordo,
kaj mortanta senmove en ega streĉ' de forto.

El la franca: *Lali Blond.*

## Sensacio

— Arthur Rimbaud —

Dum la somervesperoj inkbluaj sur vojetoj
grenkampaj mi promenos tretante l' herbon mutan;
revante, ĝian freŝon mi sentos ĉe l' piedoj,
kaj al la vent' mi lasos bani la kapon nudan.

Mi pensos pri nenio, kaj mi nenion diros:
sed am' senfine vasta inundos tra l' animo;
kiel cigan' vaganta al malproksim' mi iros,
tra la Natur', — feliĉa, kiele kun virino.

El la franca: *Lali Blond.*

# La robo de l' avino

— D. Anghel —

Blanka kiel purigita stupo estis la kapo de avino, ŝaŭmo sur maraj roketoj ŝia hararo, de neniu printempo degeligebla neĝo kovris konstante ŝian frunton.

La iama nokto transformiĝis en blankan tagon, la mallumo en lumon, en puran arĝenton la ebono.

Tro frue ŝi iĝis fianĉino. Kun korpo ankoraŭ eta, preskaŭ infana, ŝi paŝis antaŭ la altaron. De sub la lipia*) florkrono blanka kiel kometa vosto, sub la orfadena vualtorento, la silka kaptuko pendis ĝis ŝiaj kalkanoj. La longa rando de ŝia fianĉina robo desegnis zigzagajn ondojn ĉie, kie ŝi trapasis. Juna la nuda kolo kaj junecaj la ŝultroj ankoraŭ ne rondiĝintaj videblis el la lerta tranĉaĵo de l' tondilo, kiu majstre disfendis la blankan silkŝtofon.

La kurbo de l' ekbrustoj apenaŭ levetis la malgrandan veŝton. La akraj koksoj vidiĝis tra la robo. Kaj antaŭe la faldoj rigide falis malsupren ĝis la etaj piedoj, rigide kaj malgaje, kiel decas, ke ili falu laŭlonge de la korpo de vestalino.

Larĝa zono farita el banto, kun oraj viloj ĉe la ekstremaĵo, ĉirkaŭis ŝian talion kaj dividiĝis en du partojn sur la maldekstra kokso. Silka, delikate teksita poŝtuko, kvazaŭ el neĝo dumnokte falinta, vidigis sian orbroditan angulon.

Tiel, en la akompano de l' edziĝa gastaro, la avino transpaŝis la sojlon de la preĝejo. Jene forvaporiĝis la pluvo de l' arĝenta sonaro, kiu falis el la sonorilo de l' praturo sur tiun ĉi fianĉinon, kiel ni priskribis ŝin. Jene aspektis la robo de tiu, kiu en tro frua aĝo paŝis antaŭ la altaron kaj klinis sian gracian kapon, ke la etenditaj manoj de l' pastro metu sur ĝin la oran edziĝkronon.

*

Poste la blanka silkrobo restis zorge kunfaldita. Blanka ŝaŭmo malaperis en la kesto, ora plektaĵo premis la kapvualon en ondon de diafana silkteksaĵo, kiu iam pendis ĉe la kapo de l' virgulino.

Konservante, kvazaŭ en ĉerko, la mezuron de tiama korpo de la virgulinaj formoj, kiuj neniam revenos, la robo dormis daŭre en la malnovega kesto plena de lavendo kaj ocimo; la blanka pruvo restis forgesita, la longa orfadenaro daŭre brilis, spite de jarlongoj kaj mallumo.

*

La junaĝa knabineto, kun mallarĝaj ŝultroj kaj akraj koksoj, iĝis virino. Plenaj brustoj levis la blankan kaj rozan buston, abunda sano pleniĝis la mankojn kaj rondiĝis la angulojn. La hontemaj kavetoj kovriĝis sur la vizaĝo, kaj la iama korpeto iĝis forta kaj muskolplena ĉirkaŭ la ostaro.

Unu post la alia aro da infanoj etendis palpe siajn manojn al la faldoj de l' robo, kiun ŝi nun portis; avide soifaj rozlipetoj etendiĝis al ŝiaj cicoj. La spegulo montris ŝin ĉiam alimaniere: jen kun larmoj en la okuloj, jen kun rideto sur la lipoj; nun kun serena frunto, alifoje kun malluma animo.

*

Kaj la blanka ŝaŭmrobo daŭre dormis en sia ĉerko, konservata por la morto, por la lasta vestado, por blanke eniri la mallumon dum la lasta sonĝo, kiu disblovos orajn erojn sub nigra portalo, ĉe kies sojlo gardstaras anĝelo kun torĉo turnita teren.

Por ŝia korpo ĝi ŝajnis nun puprobeto, kvazaŭ vesto, kiu iam apartenis al alia, kaj ornamaĵo iam portata de fratino, kiu mortis delonge, aŭ floro, kiu velkis kaj falis el bukedo kolektita dum feliĉaj tagoj.

Ŝi konservis ĝin por la horo, kiam la manoj dormos palaj sur la brusto, por la momento, kiam la okuloj ne plu povos rigardi en la spegulon. Por tiu momento, kiam koketado estos vana kaj ŝi ne plu vestos sin, sed restos trankvila, ke aliaj devos ŝin ornami.

*

Ridis la filinoj kaj nepinoj, ĉar multaj jaroj pasis ĝis tiam. Jen ridis unu provante ŝian belan prujnvualon, jen la alia la longan fianĉinan vualplektaĵon, jen la tria la belan robon mem, kiun ŝi portis kiel fianĉino. Ili ja sciis, ke ĝi ne plu taŭgas por ŝi tiom mallarĝa kaj eta, kia ĝi estas, ĉar la jarlongoj donis al ŝia korpo rondajn formojn, kiujn la spegulo ne konis, kiam ŝi transpaŝis la sojlon de la preĝejo.

Per sia lasta volo ŝi postulis, ke oni enterigu ŝin en tiu blanka robo, ke la nepinoj alfiksu al ŝia kapo la prujnvualon. De ŝia kapsupro devis serpentumi la brila vualvosto.

Ŝi pensis, ke ŝia virgulina robo denove falos malsupren ĝis la piedetoj en rigidaj kaj severaj faldoj. Kaj ŝi imagis, ke en la kverka ĉerko blanke ripozos la lipia krono super ŝia maljuna frunto, sur kiun la restintaj longaj okulharoj etendis violkoloran ombrovualon.

*

Florojn post floroj ŝutis malsupren prunaj, abrikotaj, ĉerizaj kaj persikaj arboj. Rozkoloraj kaj blankaj kiel neĝo kaj sango falis unu sur la alian la petaloj deŝiritaj de ventoj dum pluraj printempoj. Verdaj kiel smeraldo kaj flavaj kiel sukceno, kaj poste sangkoloraj kiel ruĝo fontanta el la tagiĝo, la supraj folioj intermiksiĝis kun la malsupraj. Resonaj pluveroj falis, grizajn nebulojn disŝiris kaj forflugigis la branĉoj. Aro de blankaj neĝflokoj aperis kaj dance vualis la fenestrojn, amasoj da jaroj disŝutiĝis de la arbego de l' tempo kaj ankaŭ ili falis, semante diversajn eventojn sur la larĝrandan tegmenton, kiu ombrumis la malnovan domon.

Kaj ĉiam pli malgranda, ĉiam pli muldita de la tagoj, ĉiam pli modelita de la tempo, pli kaj pli etigita de la sezonoj fariĝis tiu, kiu nun portis post si senfinan vicon da tagoj kaj noktoj, semajnoj kaj monatoj, ombroj kaj lumoj, eventoj formantaj ĉenon de blankaj kaj nigraj perloj, kiel ŝia rozario.

Iun tagon venis la morto kaj altuŝis ŝin per sia senkompata mano, kaj vidante ŝin tiom eta kaj kuntirita de la morto, la genepoj rememoris ŝiajn vortojn. Nesciante per kio vesti ŝin, ili ekserĉis en la malnova kesto.

*

Blanka, velkinta de tempo, dormis la malnovega, knabina robo; kiel orplektaĵo brilis la vualtorento; kvazaŭ teksaĵo falinta el lacaj manoj makulis la mallumon en la kesto la delikata prujnvualo. Kaj ĉiu peco — kiel en tiu feliĉa momento, kiam la juna knabineto

*) *lipio* = botanika nomo; *lipia* = citriodora.

# LA ĴALUZO

**— Panait Istrati —**

Jes, tio ja estis bela vivo, escepte de la tagoj', kiam la patro aŭ lia filo aŭ ambaŭ abrupte envenis meze de la festo kaj tradraŝis la patrinon, pugnofrapadis Kyran, kaj rompis sian bastonon sur mia kapo, ĉar nun ankaŭ mi partoprenis en la batregalo. Ĉar ni flue parolis la turkan, la du virinojn ili nomis *paĉauras* (putinoj) kaj min *kiĉuk pezevengh* (eta parigisto). La du kompatindulinoj sin ĵetis al la piedoj de siaj tiranoj, ĉirkaŭbrakis iliajn krurojn, kaj petegis, ke ili domaĝu la vizaĝon:

— Ne al la vizaĝo! ili kriis, je la nomo de l' Sinjoro kaj de l' sankta Virgulino, ne frapu al la vizaĝo!... Ne tuŝu la okulojn!... Indulgon!...

Ha! la vizaĝo, la okuloj, la beleco de tiuj du virinoj!... Ne ekzistas eĉ unu, kiu povus ilin egali!... Ili havis hararon orkoloran kaj longan ĝis la kruroj, haŭton blankan; brovojn, okulharojn kaj pupilojn ebone nigrajn. Ĉar, sur la rumana genealogia arbo de mia patrino sin greftis tri diversaj rasoj: turka, rusa kaj greka, laŭ la okupintoj, kiuj regadis la landon en la pasinto.

Dektrijara, mia patrino venigis en la mondon sian unuenaskiton; sed en la momento, kiam mi apertis la okulojn, neniu kredis, ke ŝi estas patrino de tri infanoj. Kaj tiu virino, kiun indus nur karesi kaj kisi, estis batata ĝis la sango. Tamen, se mia patro ŝin ne regalis per karesoj, tion al ŝi brile kompensis la amantoj; kaj mi neniam sciis, ĉu en la komenco mia patrino perfidis unue la edzon, kiu ŝin pro tio komencis batis, aŭ ĉu mia patro mistraktis unue sian edzinon, kiu pro tio lin kokris. Ĉiuokaze, la festa humoro neniam ĉesis ĉe ni, ĉar la plezurkrioj alternis kun la dolorkrioj; kaj apenaŭ finiĝis la batado, jam eksplodis la ridoj sur la vizaĝoj inunditaj de larmoj.

Kutime, mi gardostaris, manĝante kukojn, dum la *korteganoj* — cetere kun sinteno sufiĉe deca — turkmaniere sidadis sur la tapiŝo, kantis kaj igis la virinojn danci, ludante al ili orientajn melodiojn sur gitaro kun akompano de kastanjetoj kaj tamburino. Mia patrino kaj Kyra, silke vestitaj kaj konsumataj de plezuro, prezentis la dancon kun poŝtuko, sin turnadis, kaprioladis, ludebriiĝis. Kaj, kun vizaĝo flamruĝa de varmo, ili sin ĵetis sur dikmolajn kusenojn, kaŝis la krurojn kaj piedojn en siaj longaj roboj, kaj sin ekventumis. Delikatajn likvorojn oni trinkadis kaj aromajojn oni bruligis. La viroj estis junaj kaj belaj. Ĉiam brunaj, nigraj; ili havis elegantan vestmanieron, piniajn lipharojn, tre flegitan barbon; kaj la haroj, glataj aŭ krispaj, eligis fortan odoron de migdaloleo moske parfumita. Ili estis turkoj, grekoj kaj ankaŭ, malofte, rumanoj, ĉar la nacieco ludis nenian rolon, kondiĉe ke la amantoj estis junaj kaj belaj, delikataj, diskretaj kaj ne tro rapidemaj.

Tre sendanka estis mia situacio... Al neniu mi ĝis nun parolis pri mia tiama turmento.

Mia devo estis gardi, sidante sur la fenestrobreto, kaj eviti ĉian surprizon. Tio ja tre plaĉis al mi, ĉar mi ĝismorte malamis la virojn de *Karakjoi*, kiuj nin batadis. Sed en mia brusto okazis terura batalo inter mia devo kaj mia ĵaluzo.

Ĵaluza mi estis, sovaĝe ĵaluza.

La domo situis ĉe la fundo de vasta korto ĉirkaŭata de muroj. Estis fenestroj, kiuj frontis al tiu korto, kaj aliaj fenestroj, malantaŭe, kiuj kvazaŭ pendis super la rando de plataltaĵo superstaranta la havenon. Nur per la sola fronta enirejo oni povis eniri la domon; sed forkuri, nu, oni montris sin malpli postulema, kaj se la deklivo de l' plataltaĵo povus paroli! kiom da homoj ĝi vidis malsupren rulfali!

Alkroĉita al la fenestro, mi fiksis la okulojn al la lanterno, kiu lumis dum la tuta nokto super la pordo, kaj mi streĉis la orelon por aŭdi la bruon de l' rustiĝintaj pordhokoj.

Sed ankaŭ sur la interna fenestro mi volis teni okulon. Mia patrino kaj Kyra estis frenezige belaj, en sia korsaĵo streĉita »por pasigi la talion en ringon«, kun la mamoj ŝvelaj kiel melonoj, la riĉa hararo malligita kaj falanta sur la nudaj ŝultroj kaj sur la dorso, transpaŝis la sojlon de l' preĝejo — kvazaŭ ili estus faritaj laŭ ŝia mezuro, mirinde taŭgis por ŝi kaj denove kovris ŝin.

Fruaĝe ŝi iĝis fianĉino kaj jen ŝi denove estas fianĉino, kun eta korpo, kiel en la tempo, kiam ŝi estis knabineto kaj paŝis antaŭ la altaron.

En la mallarĝa ĉerko, forlasinte la malnovan keston, la robo nun denove plenformiĝis.

De sub la lipia florkrono kvazaŭ torento, blanka kiel kometa vosto, sub la orfadena vualtorento, la silka kaptuko envolvis ŝin ĝis la kalkanoj. Kaj de la kalkanoj la longa rando de ŝia fianĉina robo pendis ĝis la tero en lacaj ondoj.

Maljuna, ŝia nuda kolo kaj kompatindaj ŝultretoj, kvazaŭ ili estus tro junaj kaj ankoraŭ ne rondiĝintaj, estis videblaj en la tranĉaĵo de l' tondilo, kiu antaŭ tiom da jaroj disfendis la blankan fajon.

La kurbo de l' brustetoj apenaŭ levis la malgrandan veŝton. La akraj koksoj denove vidiĝis tra la robo. Kaj antaŭe la faldoj falis malsupren ĝis la etaj piedoj, kovritaj de blankaj ŝuetoj, kiuj signis la randon de l' ĉerko.

Larĝa zono farita el banto, kun oraj viloj ĉe la ekstremaĵo, ĉirkaŭis ŝian talion kaj dividiĝis en du partojn sur la maldekstra kokso. Delikate teksita, silka poŝtuko, kvazaŭ farita el neĝo dumnokte falinta, vidigis sian orbroditan angulon.

Modelita de la morto, kvazaŭ sekve de stranga kaprico, la korpo, kies ŝultrojn ŝarĝis jarcento, reprenis sian knabinan konturon, refoje malgrandiĝis, la argilo denove formiĝis laŭ la formo de la fianĉina robo, la aro da tagoj kaj noktoj de jarcento refoje eniris la amplekson de korpo apenaŭ dudekjara. Kaj la robo de l' junulineto larĝe akceptis la maljunulinon, kiu serĉis en ĝi rifuĝejon, por same okupi la ĉerkon, kiel ĝi dum plena jarcento okupis la mallarĝan keston.

Jene, laŭ la sama sonorado de l' sonorilaro — ĉar la sonoriloj sonoras ĉiam sammaniere, ĉu pro ĝojo, ĉu pro malĝojo — sen akompano de edziĝa gastaro, la avino denove transpasis la sojlon de l' preĝejo kiel ni priskribis ŝin komence, en la blanka robo, en kiu ŝi paŝis kiel junulineto antaŭ la altaron. Sed nun ne por klini sian gracian kapon, ke la etenditaj manoj de l' pastro metu sur ĝin la oran edziĝkronon, sed en akompano de la tuta neparo, por sonĝi la longan kaj senfinan sonĝon de la bravuloj, kiuj dece plenumis sian tutan devon sur la tero.

El la rumana: *T. Morariu.*

# KRISTINA

## Rakonto el sveda Laponujo de Einar Wallquist

Kristina, do estis vi! Antaŭ miaj okuloj emis mallumiĝi, kiam mi, dum oficistoj kaj la homoj de la bieneto ĉirkaŭstaris, esploris vian malvarman, molan korpon, kiu lumigita de sonanta petrollampo kuŝis sur la kruda lignotablo en la kuirejo de Mattis.

Dum mi unutone diktis la esplorprotokolon al la distrikta prokuroro, kiu sidis pli proksime al la pordo, la pensoj emis forlasi la mallogan oficadon, kiu min okupis, por reiri al la sunplena tempo, kiam vi estis ĉe ni en la malsanulejo. La pasintan printempon, dum boaca translokiĝo, vi ja grave malsaniĝis kaj devis kun via patrino halti en vilaĝo arbarregiona. La vilaĝanoj sendis al mi sciigon pri tio, kiom vi estas mizera, malgraŭ la zorgado de via patrino, kiu certe estis bonvola sed tamen ne konvena.

La distrikta flegistino devis enpaki sin en la glitveturilon por vojaĝi al vi, kaj ŝi revenis en la malsanulejon kunportante vin, pakitan en feltoj kaj boacid-feloj.

Al mi ankoraŭ vizias via pala, malgranda kaj malsan-detruita junulinvizaĝo. Vi estis tro laca por plori kaj el la malmultaj vortoj, kiujn vi konis, vi malofte balbutis ion alian ol »tjatse« (akvo). Vi malgranda rampulo! Via pulminflamo maltrankviligis nin, sed vi estis brava, venkante kaj la malsanon kaj la artifikan kuracadon, kaj jen, iun tagon vi balbutante kuŝis en via lito, tiel dolĉa kiel brunhaŭta malhelokula laponknabino povas esti, kiam ŝi ridetas pri la tuta mondo.

Ho Kristina! Tiam estis plezure fari la rondiron kaj vidi vian malsategon, ne nur pri manĝo sed ankaŭ pri ĉio alia, kio povas allogi malgrandan viveman laponidon.

Iun tagon, via patrino, Elli, venis por envolvi vin en vian boacfelan pelton kaj enpaki vin en la strangan laponlulilon, kie vi kuŝis tiom nekutime lacigita. Ridanta ruzuleto! Estis korpreme al ni transdoni vin. Ni ja sciis, ke baldaŭ vi forgesos, kiom amuzaj estas la varma akvo kaj sapo, pura tolajo kaj ĉiuj vantajoj de la mondo. Kaj ni sentis angoron pro la scio, kian severan vivon vi, laponknabino, iros renkonte. Vojaĝoj en blovo kaj pluvo, ege malvarmaj tendoj; kaj infanflegado, certe bonvola, sed pri kiu oni tamen ne povas diri, ke ĝi atingis altan nivelon, sole taŭgan por la plej sendefendaj de ĉiuj, la plej malgrandaj. Vi tamen devas esti hardita por via estonta vivo migranta. Ne estas al vi permesate fariĝi, kiel niaj propraj infanoj, sentema kaj sopirema.

Do vi forveturis al la ŝtormoj, furiozantaj ĉirkaŭ la nomadaj tendoj, al la kulturmentata paradizo, kiun la turistoj emas kaptadi per okuloj kaj fotografilo. Ni sentis solecon post via sunbrila rideto.

Kaj jen antaŭ mi vi kuŝis, malvarma kaj pala. Vi estis tiom bela. Via malgranda ronda korpo estis kiel keruba, via malhela haro pendis tiom silkmole — sed via buŝo estis blua, ĝi ne ridetis, laca sufero desegnis

---

la frunto ĉirkaŭata de skarlate ruĝa rubando, kaj la longaj okulharoj diable flirtetantaj kvazaŭ por ardigi la flamŝprucon de iliaj pupiloj, kiujn fajrigis la deziro.

Ofte, per sia vetamindumado al la virinoj, per sia sensenca babilado, la invititoj sin montris ridindaj. Ekzemple unu vesperon, unu el ili, dezirante komplimenti mian patrinon, diris, ke »el la malnovaj kokinoj oni preparas bonan supon«. La malfeliĉa virino, ofendita, ĵetis la ventumilon al lia kapo, kaj ploris. Alia invitito ekstaris kolere, donis *tifla-n* al la mallertulo kaj kraĉis al ties vizaĝo. Ili ekkaptis unu la alian ĉe la kolo, batale distaŭzis la tutan domon, renversis la nargileojn. Tio nin ĝislarme ridigis. Por fari pacon, mia patrino donis kison al ambaŭ.

Tiaj ĉirkaŭbrakoj, tiaj kisoj, estis ĉe ŝi taŭga rimedo por rekompenci la plej diversajn aferojn. Por bela voĉo, amuza vorto, bela ludo, ŝi donis kisojn; kaj same ŝi faris por gajigi paŭtulon, forviŝi la impreson de ofenda parolo, kvietigi tro furiozan ĵaluzulon, solvi la embarason de malsaĝulo.

Kyra, siaflanke, eminentis en propra maniero. Fizike tre evoluinta ekde sia dekkvara jaro, ŝi aspektis du jarojn pli aĝa. Senpripensa kaj spite mokema, kun sia eta nazo iom relevita, kun sia elstara mentono, kun la du vangkavetoj, kien la dio de la amo metis du lentugojn preskaŭ simetriajn, Kyra malkontentigis siajn amatojn kaj min per siaj petolaĵoj, siaj mokoj kaj ŝercoj. La unuaj deziris akiri pli multe; kaj mi, opiniis, ke tro multe ŝi donis al ili.

Oni nomis *musafir*-oj la amindumantojn, kiuj venis al ni. Kaj tiuj *musafir*-oj al ŝi kisis la manojn kaj la sandalojn ĉiuokaze. Ilin ŝi tiris per la nazo aŭ per la barbo, verŝis siropon al ili sur la karbopecojn de l' nargileoj; proponis al ili trinki el ŝia glaso kaj rompis la glason por ilin ofendi, sed revenis minuton poste por meti la ekstremon de siaj haroj sur la buŝon de l' viro, kiun ŝi ĵus insultis...

Ĉio tia min kolerigis, ĉar Kyra-n mi amis multe pli ol la patrinon... Mi adoris ŝin kaj ne toleris kareson donatan de iu alia.

Mi memoras, ke iun vesperon, por pleje inciti mian ĵaluzon, ĉar la nodo de ŝia sandalo malligiĝis dum la danco, ŝi iris meti la piedon sur la genuon de iu *musafir* kaj petis, ke li ĝin religu. Vi komprenas, kia okazo estis por la ŝanculo! Li obeis kiel eble plej daŭrigante la plezuron, dum mi malfermis lupajn okulojn; kaj la fripono ekpalpis al ŝi la maleolon kaj eĉ la kruron. Kaj ŝi... nu, ŝi nenion diris, ŝi toleris!.. Tiam furioze, perdante la kapon, mi kriis: — La patro! Forkuru!...

Fulmrapide la du *musafir*-oj trasaltis la fenestrojn kaj malaperis en la nokto, rulkurante la deklivon. Unu el ili, greko, forgesis en sia rapidemo la ĉapon kaj la gitaron, kiujn mia patrino prenis kaj ĵetis tra la fenestro, dum Kyra diligente kaŝis la du troajn nargileojn.

Tiu sceno estis tiel amuza, ke post la paso de l' kolero min kaptis senbrida rido, mi falis el la embrazuro, ruliĝis sur la tapiŝo, kaj fariĝis violkolora pro spirmanko. Mia patrino kredis, ke mi efektive freneziĝis de la timo pro la alveno de l' patro; la kompatindaj virinoj boris la aeron per teruraj krioj, forgesis pri la patro, pri la diablo kaj sin ĵetis al mi senesperaj.

— Tute ne estas patro! mi fine povis respondi; sed mi koleris, ĉar Kyra lasis al si palpi la kruron!... Kaj mi venĝis min! Jen!...

Pro la ĝojo ili nun kriis multe pli laŭte. Ili malmole frapis al mi la sidvangojn, min kisis, kaj ni poste eksaltis en la ĉambro, kontentaj tiel kvitiĝi, ili pri la timo, mi pri eta batregalo kun karesoj.

El la franca: *Henri Vatré.*

ĝian kurbon kaj viaj estingitaj okuloj rakontis, ke vi estas mortinta.

*

Posttagmeze la 7-an de decembro 1933 vokis la telefono en la kuracista domo. Kun flegmo, akirita dum paso de jaroj, mi respondis, sed mi ekatentis je sono de plorplena voĉo, kiu demandis pri mi. Estis sciigo el vilaĝo survoje al la montegoj. Kaj oni rakontis al mi, ke laponinfano mortis inter strangaj cirkonstancoj. En la ofico mi sciigis al la distrikta prokuroro pri la okazaĵo kaj de la gubernia registaro ni estis ordonitaj vojaĝi al la loko por fari la necesajn esplorojn.

La mallumo dense superis la regionon, kiam ni kun la kampara helppolicano ekvojaĝis, sed en la brila lumzono de la reflektoroj, la unuopaj neĝflokoj, tiom mirinde blankaj, faletante iĝis miriadoj da kusenoj en vojsurfaco kaj plugdigoj. Rapide ni trapasis la malmultajn mejlojn, dum la interparolado iom post iom transglitis de la okazaĵo al hejmfarata brando, ŝtelistoj kaj alio, kion estas oportune pritrakti en ĉeesto de polico.

Laponkaravano, kies boacoj maltrankviliĝis pro la bruo de la aŭtomobilo, devigis nin halti por momento, dum tiuj pratempaj kaj modernaj transportrimedoj en nokta mallumo preterpasis unu la alian. Sude viglaj sed arkte ĉirkaŭpeltitaj, nigretaj laponoj krivokis al siaj malviglaj, kapricaj tirbestoj. Iliaj strange melodiaj vokoj helpis al ili teni la boacojn ĉe la ĝusta ordo de la karavano.

Baldaŭ ni atingis la celon. La laponlanda vilaĝo tie situis ĉirkaŭata de kulturitaj kampopecetoj; silento regis, escepte de hundbojadoj. Unuopaj fenestroj estis lumigitaj en la malgrandaj, grizaj dometoj, kiuj ŝajnis kvazaŭ premitaj en la neĝblovaĵojn. Tie staris malhela la arbaro, kaj, sub la stelobrila ĉielo etendanta super ni sian altan volbon, la malvarmego severe mordis, kiam de la ĉefvojo, kun ties prujnaj betuloj, ni paŝis laŭ la tretpremita vojeto al la domo de Mattis.

Tie ekstere kuŝis kelkaj elĉerpiĝintaj, indiferentaj laponhundoj boriĝintaj en la neĝon, similaj al nigraj lanflokoj.

Sur la perono ni forstampfis la neĝon de la piedoj kaj en la vestiblo oni devis serĉi en mallumo la pordhokon por poste eniri kaj komenci la oficialan agadon.

En la kuirejo estis varme kaj krepuske. La petrollampo, pendanta sub la plafono, disigis flavan lumon super la maljunaj gemastroj de la domo kaj iliaj filoj, kiuj kun severaj mienoj sidis ĉe la muroj. Laŭkutime salutinte kaj formetinte la peltojn, ni sciiĝis, ke la vespere venintaj laponoj dormas sur boacaj feloj, transe de la fermita ĉambropordo, dormon, certe necesan, ĉar ili estis tre elĉerpitaj post la veturo de sur la montego kun la rapide migranta boacaro.

Post momenta interkonsiliĝo ni tamen decidis, ke oni vekos la laponojn, eĉ se tio estas senindulga. Kaj baldaŭ ni sidis, ĉiu sur sia seĝo, en la cetere senmebla ĉambro; kaj ĉirkaŭe, sur boacaj feloj, kaŭris la laponoj, lacaj, elplorintaj, malgajaj, kiaj fariĝas tiuj, kiuj post longa batalado kontraŭ krudaj naturfortoj renkontis la morton, ĉies pereiganton. La polica esploro komenciĝis. Kaj de ĝi mi rakontos la jenon.

Dolĉe mola la neĝo kovris la montegan vastaĵon. Facile ĝi estis forfosata de la boacoj, kiam ili sin paŝtis. Sed dum kelkaj tagoj estis degela vetero, kiu malsekigis la neĝon, kaj post tio venis malvarmego. La deklivoj kovriĝis per glacikrusto, kiu al la boacoj malebligis la paŝtadon. Kaj baldaŭ la malsato instigis la duone malsovaĝajn bestojn malsuprenkuri en la arbaran regionon.

La familo de Kristina kun sia tendo restadis ie sur la altebenaĵoj inter »Nepsort« kaj »Svaipa«. Kiam la boacoj maltrankviliĝis, la posedanto tuj komprenis, ke nun komenciĝos longa migrado al la malsupra lando, kaj la svedoj, ke nun proksimiĝas la grandega, laciga, vintra vagado kun ties buĉadoj, negocoj, preĝejvizitado kaj interrilato kun la terkulturistoj en arbara kaj marborda regionoj, kunestado kun iam okazontaj disputoj, ĉar svedoj kaj laponoj estas tiom diferencaj, ke ili nur malfacile komprenas unu la alian.

Iun tagon la boacaro ekkuris malsupren laŭ la deklivoj. Oni kolektis sian malgrandan havaĵon. Kiu estis superflua, tion oni postlasis en »staburo« — ia ege malgranda magazeno, konstruita sur unusola fosto kaj neatingebla por ratoj kaj aliaj bestoj. Oni mallevis la tendojn kaj enpakis ilin kun la alia havaĵo en la akjojn en maniero heredita de praavaj tempoj. Per la fluganta jetŝnuro la tirbestoj estis kaptataj kaj dum tumulto kaj bruo aljungataj. Kaj baldaŭ oni tie staris eĉ sen pormomenta hejmo.

Kiam mi dum translokiĝo akompanis laponfamilion, tiu tempo ŝajnis al mi plej plena de malhelpo, kiam la malgranda ŝirmo, kiun oni havis, kuŝis tie kunlaĉita, kaj oni estis tute submetita al ŝtormo kaj neĝo. Sed baldaŭ la ĉarmo de la vojaĝo forpelis la melankolion.

Strange estas, ke oni ĉi tiun fojon pretiĝis por ekvojaĝo frumatene. Ordinare la laponoj pasigas la plejparton de la tago per preparoj por ekiri nur en vespera krepusko por serĉi novan konvenan tendlokon.

Kristina havis multajn gefratojn, sed la familianoj ofte malsaniĝis, kaj preskaŭ en ĉiu de la lastaj jaroj iu el ili estis enterigita en la tombejo sur la promontoro ĉe la lago »Hornavan.« Jes, oni uzis la relative bonan malsanulflegadon, kiu nuntempe estas havebla — al tio la laponoj ne estas malinklinaj — sed longa estis ofte la vojo, kaj multaj ventoj blovis la trembrilan vivoflamon, antaŭ ol oni atingis la helpon.

Nuntempe ne estas kiel longe antaŭe, pri kio rakontas malnova raporto de la distrikta prokuroro, kiu estas konservata en la arkivo de la juĝeja domo:

»La laponoj bonfartas kun siaj boacoj kaj hundoj. Ankaŭ la kuracistoj vizitas la malsanulojn, sed la plejparto mortas per natura morto.«

Nur tri infanoj ankoraŭ restis al la familio, kaj la du, kiuj estis pli aĝaj, troviĝis en la nomada lernejo de la preĝeja vilaĝo. La alia familio, kiu akompanis, ne havis infanon. Do la malgranda Kristina estis tute sola, kiam ŝi ludis ĉirkaŭ la tendo. Tial ŝia patrino, »Elli«, kutime ligis sonorilon al ŝia mikskolora, arĝentornamita zono, por ke la malgrandulino ne malaperu, kiam ŝi sin rulas en la neĝblovaĵoj. Per boacida felo kaj peco da ŝaffela kovrilo oni nun ĉirkaŭvolvis la malgrandan, rondan korpon de Kristina kaj metis ŝin en la postan parton de la akjo, prijungita per unu el la pezaj virbestoj de la patro. La karavano estis kunligita, boaco post boaco, ĉiu trenanta sian ŝarĝon, la skioj estis ligitaj al la piedoj de la laponoj, kaj rapide oni ekveturis de la montego malsupren al arbara regiono.

La veturo fariĝis peniga. La glacikovrita tero estis malmola, kaj malmola estis ankaŭ la sidloko de la akjo, kie Kristina nun ŝovglitis kaj ĵetiĝis tute hazarde laŭ abruptaj deklivoj, tra arbustaĵoj kaj boskoj da pigmeaj betuloj, ĉiam malsupren, malsupren.

La patro kaj la patrino estis tute okupitaj ĉe la boacaro kaj ĉe la kapricaj bestoj de la karavano, kiuj ofte enplektiĝis per la jungiloj. Oni krivokis, la hundoj bojis, kaj antaŭen, nur antaŭen oni peliĝis, dum la boacaj fendhufoj senĉese kraketis.

Neniu havis multe da tempo por rigardi la etulinon

en la fino de la karavano. Longa kaj malfacila estis la vojo. La mallumo ĉiam pli proksimiĝis al la lacaj laponoj, kaj nur en la vespero oni atingis la novan laponan kulturejon en plej supra pinarbaro. Tie la malsato devigis ilin iom halti. Kristina estis elprenita el la akjo, laca kaj malsata. Kaj, ĝoja pro la liberiĝo, ŝi ĉirkaŭkuris sur la griza planko de la dometo, trenante la rigidan postparton de la stranga robeto, varmiĝis ĉe la ŝtipfajro en la gizoŝtona fajrujo, manĝis kaj trinkis dezireme, kion oni proponis al ŝi.

Sed al tiuj nomadoj ne estis permesate trankviliĝi dum la translokiĝo. La boacaro jam forkuris kaj la laponoj devis ekiri post ĝi, lacaj, malgajaj, kvankam iomete vigligitaj de la fajro kaj manĝo kaj la interparolado kun la homoj de la dometo. En nokta mallumo oni daŭrigis la veturon, mejlon post mejlo, malsupren preter la torento, kie la profunde kaviĝintaj flankaj alfluoj faris la vojon dekliva kaj malfacila.

Kaj en la lasta akjo de la karavano la mola korpo de Kristina malindulge ĵetiĝis kontraŭ la lignaj ripoj je ĉiu ekpuŝo, kontraŭ tufaĵo aŭ ŝtono, kaj je ĉiu ekglito sur la glaciiĝinta tero.

Certe vi ĝemetis pli ol via patrino aŭdis. Kaj cetere via patrino ne havis tempon por vi, kiam la boacaro, la gardbezona trezoro de la laponoj, volis antaŭen. Viaj dormpezaj palpebroj emis fermiĝi, sed maldormi vi tamen devis, kompatinda infano, dum tiu malluma nokto, kiam ĉiu puŝplena horo devis ŝajni tiom longa, se vi estus povinta pensi pri tio. Kia infera doloro al rampulo, kia vi! Nomadinfanoj tamen devas suferi pli ol aliaj infanoj. Kaj se ili ne povas elteni sian malfacilan vivon, ili devas morti. Nur la fortaj subtenas vian genton, Kristina. Pri tio sufiĉe atestas la notoj en la pastraj libroj pri mortokazoj inter la laponaj etuloj.

Je la kvina matene oni atingis la svedan novkulturejon sur duoninsulo en la lago Ajsjaŭre. Tie loĝas konataj, bonvolaj homoj, ĉe kiuj Elli kaj ŝia familio kelkfoje loĝis, kaj nun la elĉerpitaj laponoj faris paŭzon por ripozi. Sur la glacio antaŭ la domo Elli levis sian etulon el la akjo kaj portis ŝin en la domon, ne multe pensante pri la streĉoj de la pasinta tuttago. Tiel ja devis esti! Sed malgraŭ tio ŝi certe ne malpli sopiris je ripozo kaj paco.

La animstato des pli peziĝis — Elli rakontis — kiam la malvestita Kristina ŝajnis tiom malstreĉa. Ŝi emis nur dormi, nur ploris, kiam oni proponis manĝaĵon al ŝi. Restis nun nenio de ŝia gaja humoro, nenio povis ellogi ŝian gajan babiladon aŭ igi ŝin ĉirkaŭpaŝi sur la planko. Kristina emis nur dormi, kaj la patrino metis ŝin sur la larĝigeblan liton de la domanoj, kie ŝi ripozis kelkajn horojn, dum la gepatroj kaj la aliaj kuiris sian viandon kaj kafon sur la kameno kaj poste dormpezaj manĝis kaj ripozis, kaŭrante sur la planko.

En la tagiĝo oni daŭrigis la veturon sur la glacio de Ajsjaŭre. Elli ĉirkaŭvolvis la etulon per la feloj, metis ŝin en la akjon kaj kaŝis per la felkovrilo la orelojn por gardi ŝin kontraŭ la malvarma vento sur la lago. Vi kelkfoje plorpepis, tion la patrino aŭdis, kiam ŝi skikuris apud ĵetiĝanta akjo, kaj de tempo al tempo ŝi ekkaŭris por rigardi, kiel vi fartas?

La malvarmo tranĉis la vangojn en la frua mateno, la boacaro glitante tretis sur la malmola glacio kaj per helpo de la nelacigeblaj hundoj la viroj tenis la bestojn kune. Ĉio estis frostiĝinta. La krivokoj kaj bojadoj sonis tiom strange en la cetere silenta mateno. La fendhufoj akre kraketis, dum la veturo daŭris tra la akvokoloj laŭ la direkto al granda vilaĝo en la laŭborda arbarlando, kie la aŭroro ĵetis sian fajroruĝan brilon sur prujnajn betulojn inter profunde bluaj ombroj.

## Kor' mia estas bela, soleca lag' . . .

— Albert Samain —

Kor' mia estas bela, soleca lag'. Ĝi vibras
se ĝin sekretaj birdoj aŭ tuŝaj branĉoj ĝenas,
super ĝi flug' arĝenta de silfa svarmo siblas
tra la vespero pura, kiam la floroj svenas.

Sur ĝi la lun' senliman palecon reve sternas,
en ĝi l' aŭroro banas piedojn roze-brilajn,
kaj apud ĝia bordo en harmoni' eterna
suspiras la orgeno de l' kanoj maltrankvilaj.

El la franca: *Lali Blond.*

## Somerkrepusko peza kaj flor-post-flore fala . . .

— Henri de Régnier —

Somerkrepusko peza kaj flor-post-flore fala...
Sur la rivero digna kaj lanta kiel jaro
kuŝas senbirda ombro de l' sveninta arbaro,
kaj nun la luno estas apenaŭ masko pala.

La amesper' malnova, jen: flor-post-flore fala...
Kaj ni jam pli malgajaj estas per unu jaro,
ni, ombroj, lacaj iri tra l' sveninta arbaro,
kie unu al alia ni estis sonĝo pala.

Ni vidis la someron morti, kaj jam, simile
pezegaj de bedaŭro pri l' noktoj, kiam brile
lumis la am' en sorĉo de steloj, akvoj, floroj:

jen estas ni, speguloj palaj de sonĝo sama,
malĝojaj, ĉar ja ambaŭ ni estas vidvaj koroj,
kiujn Forges' duopa ligas per mild' balzama.

El la franca: *Lali Blond.*

## Sperteco

— Henri de Régnier —

Mi iris post la paro, aŭskultis kisojn ŝmacajn,
dum svelte desegniĝis la siluetoj revaj
sur la ĉiel' aŭtuna, kies koloroj pacaj
havis la perlan grizon de la flugiloj mevaj.

Kaj dum ili marŝadis en bruo de la maro
frapanta siajn ondojn al roka ring' de l' klifoj,
forestis de mi ĉia envio kaj amaro,
pripentoj kaj frostetoj, aŭ febraj vivsoifoj.

Ili iris brak-en-brake, en bele sonĝa blindo,
kiun ĉi idilio kreis por efemero;
ili estis la nuntempo, mi estis la pasinto,
konanta jam la lastan parolon de l' ĥimero.

El la franca: *Lali Blond.*

---

La mallonga tago venis, la mallonga tago pasis kaj, kiam la timiga mallumo jam kaŝglitis tra abruptoj kaj faŭkoj, la longa karavano, kun siaj gvidanto, laciĝintaj boacoj kaj mizere malfortgenuaj homoj, atingis la vilaĝon ĉe la lagkolo inter Ajsjaŭre kaj Uddjaŭre.

Tie komencis tiom afable brili la lumoj de la domoj. Tie oni vidis infanojn, kiuj spiregante skikuris al la bordo por vidi la alvenon de la laponoj, tie ankaŭ iu kaj alia maljunulo, vestita per trikitaj, vilaj kamizoloj kaj landrapaj jakoj, alpaŝis laŭ la vojo al la akvotruo en la glacio, dum ili pensis pri eblaj negocoj per buĉotaj boacoj. Tie oni vidis la fumon leviĝi, blanka kaj rekta, el la kamena fumtubo de Mattis, dum lia edzino kuirigis la kafopaton por, nun kiel alijare, regali la preterpasantajn laponojn.

# Poemoj de Sergej Jesenin

*El la rusa: Hilda Dresen*

## Bovino

Laca jam, dentoj elfalis.
Signe sur kornoj la aĝ'.
Oni pri batoj ne ŝparis
Sur foirplac' de l' vilaĝ'.

Mus-mordetado ted-brua
Ĝenas nun ĝis incit'.
Pensas ĝi penson senĝuan
Pri blankpieda bovid'.

Estis ĝi tre senkonsola
Post la forpren' de l' idet'.
Sur la palis' subtremola
Felon skuadis ventet'.

Sur poligona pajlaĵo
Trafos ĝin sama sortbat',
Ligos al kol' oni maŝon,
Gvidos ĝin for al buĉad'.

Ĝi senespere kaj plende
Premas la kornojn al ter'.
Logas en sonĝo ĝin tente
Verda herbej' kaj liber'.
1915.

## Tero kara . . .

Tero kara! La gren-ora
Suno sur la akvoj brilas.
La verdaĵo milsonora
Kvazaŭ sorĉo min altiras.

Jen rezed' kaj trifolio
Floras ĉe la kampolimoj.
Kaj tintadas rozarioj
De l' salikoj, monaĥinoj.

Super marĉo fumnubeto,
Sub ĉielo brul-odoro.
Pensoj kvazaŭ pro sekreto
Nun mutiĝis en la koro.

Mi akcepti ĉion penis,
Ĉion donis ĝojvizaĝe,
Mi sur nian teron venis
Por forlasi ĝin fru-aĝe.

## Mola neĝo . . .

Mola neĝo unua sur ter',
En la koro konvala ekbril'.
Blukandele jam stelon vesper'
Ekbruligis dum mia vojir'.

Mi ne scias, ĉu lum' aŭ malhel'?
Ĉu nun kantas la vento aŭ kok'?
Eble flugis cignar' de l' ĉiel',
Ne neĝfloko faladis al flok'.

Pro neĝkampoj raviĝas rigard'!
Kaj varmiĝas pro l' frosto la sang'!
Nudan bruston betulan kun ard'
Forte premus mi nun al la vang'.

Ho, karega, malluma arbar'!
Ho, gajeco de l' blanka neĝkamp'!..
La saliko-trunketojn en val'
Ĉirkaŭpreni mi volus kun am'.
1917.

## De l' naskiĝo . . .

De l' naskiĝo jam estas preta
Por ni ĉiuj la viv-okup',
Se ne estus mi nun poeto,
Do ŝtelist' aŭ krimul' mi estus sen dub'.

Malaltkreska knabet' malgrasa,
Heroeca dum batalad',
Ofte kun frakasita nazo
Hejmen venis mi post batad'.

Kaj al panjo klarigojn eldonis
Dento-grince la sanga buŝ':
— Ho, nenio, mi stumblis je ŝtono.
Morgaŭ ne dolorigos ektuŝ'.

Nun jam tiu bravec' mutiĝis,
Kiu tiam boladis sen ĉes',
Dum sur miajn poemojn ŝutiĝis
Ĉi nervemo kaj arogantec';

Orkolora amaso de vortoj...
Kaj rebrilas sur ĉiu lini'
La antaŭa kuraĝo kaj forto,
La senzorga batal-pasi'.

Kiel tiam, mi estas fiera,
La braveco ne flugis for...
Iam buŝo pro bat' ekŝvelis,
Mort-vundite nun sangas kor'.

Ne al panjo klarigojn mi donas,
Al fremduloj nun krias la buŝ':
— Ho, nenio! mi stumblis je ŝtono.
Jam dum lunĉo ne ĝenos ektuŝ'!
1919.

## Mi en valo iras . . .

Mi en valo iras. Sur la nuko kepo.
Ganto el glaceo sur la bruna man'.
Malproksime brilas rozkolore stepo,
Al rivero blua — vasta panoram'.

Mi — senzorga knabo. Kion mi bezonu!
Freŝan ventoblovon mi deziras nur,
Ke resonu koro, kiam kantoj sonas,
Kaj ke ne kurbiĝu frue la statur'.

Ĉe dekliv' ĉevoja haltas mi dum iro, —
Viroj kaj virinoj svarmas ĉe labor'
Flustras la rastiloj, fajfas la falĉiloj,
Hej, poet', ĉu flugis via forto for?

Mi preferas teron. Kial alten naĝi!
Kaj se logas valoj, logu ankaŭ pen'.
Mi, kampardevena, kreskis en vilaĝo.
Svingu do falĉilon, fajre kaj sen ĝen'.

Ah, rastil' — ne plumo, nek falĉil' — plumingo —
Tamen versliniojn faras eĉ falĉil'.
Dum sunbril' aŭ nuboj ĝin nur forte svingu.
Ilin oni legos ĉiam kun admir'.

For kostumon anglan, ĝin diablo prenu,
Donu do falĉilon, montros mi al vi —
Ĉu mi al kamparo do ne apartenas?
Ĉu kun am' vilaĝon ne memoras mi?

Teraltajoj min neniam ĝenos.
Kia ĝoj' postlasi falĉe en la val'
Versliniojn herbajn dum somer-mateno,
Por ke ilin legu ŝafo kaj ĉeval'.

En linioj tiuj poezi' sin trovas.
Kaj elkoran ĝojon sentas la falĉant'.
Ĉar bovino ĉiu legi ilin povas
Kaj per varma lakto pagas por la kant'.

## Ho acer' frost-trema

Ho acer' frost-trema, ho acero nuda,
Kial staras kline vi en vento kruda?

Ĉu vi ion aŭdis? Ĉu vi ion vidis?
Ĉu amuz-deziro vin ĉi tien gvidis?

Kaj vi stumble venis kvazaŭ ebriulo,
Dronis en la neĝo, rigidiĝis kruro.

Ah plu firmpieda ankaŭ mi ne estas,
Nokte hejmenire sur la vojo restas.

Pinon mi ekvidis kaj salikon trovis,
Pri somer' ekkantis, dum neĝvento blovis.

Ŝajnis, ke mi estas mem acer' vojranda,
Nur ne senfolia, sed kun pomp' verdanta.
Kaj edzino fremda ŝajnis la betulo,
Ĝin mi cirkaŭprenis kvazaŭ frenezulo.
1925.

## Ni nun iros . . .

Ni nun iros unu post alia
Al la land' de l' paco kaj trankvil'.
Ĉu mi same kun havajo mia
Min preparu baldaŭ por forir'.

Ho vi, betularoj verdetantaj!
Ho vi, ter'! Kaj ebenaj' sen lim'!
Pro la granda ar' de l' forirantoj
La angor' pliiĝas en anim'.

Tro mi en ĉi mondo ĉion amis,
Ĉiun formon de la riĉa viv',
Sin tremoloj respegule banis
En la akvoj rozaj ĉe l' dekliv'.

Pensojn en silent' mi pensis multajn,
Kantojn pri mi verkis en trankvil',
Eĉ se estis tiu mondo stulta,
Tamen ĝojis mi pri ĉiu spir'.

Ĝojas mi, ke kisis mi virinojn,
Premis florojn kuŝe sur la ter',
Ke neniam havis mi kutimon
Besto-fratojn bati kun kruel'.

Mankos tie arboj verdetantaj,
Ne susuros cignakole gren'.
Pro la granda ar' de l' forirantoj
Tial ĉiam min ekkaptas trem'.

Mankos tie nia or' sekala,
Grenokamp' ne brilos dum vesper',
Estas tial al mi homoj karaj,
Ke ni vivas kune sur la ter'.
1925.

---

Kiam oni haltigis la boacaron sur la glacio de la akvokolo, la lacajn laponojn renkontis svedoj scivolaj, esperemaj, gajaj, parolemaj. La interparolado baldaŭ komenciĝis, oni difinis la buĉotajn bestojn, kaj tiel komenciĝis negocoj, ŝnurjetado kaj buĉado, ĝuste tio, kio apartenas al la akirado de la laponaj enspezoj. Ne gravas, ke oni estas laca, kiam mono enkasiĝas.

Kiam la karavano haltis sur la glacio, oni maljungis la tirboacojn, kiuj nun povis libere kuri kun la ceteraj bestoj. Elli kaŭris super sia etulo, sidigis ŝin pli bone kaj trankviligis ŝin dum momento, ĉar ŝi neforte ĝemetis.

Post duo da horoj, oni pretiĝis preni la manĝajujojn kaj eniri la domon de Mattis, kie oni estis restonta la nokton. Ĉar nun oni nepre devis ripozi. Elli paŝis al la akjo de Kristina kaj levis singarde la etulon. Eble ŝi dormis. Ŝi kuŝis tiom strange malstreĉa kaj malmova, tiom peza sur la brakoj de la patrino. Elli forŝovis la felkolumon. La vizaĝo estis strange pala, la trajtoj tiom estingitaj.

— Kristina, Kristina!

Elli sentis kvazaŭ fantoman premadon ĉirkaŭ la koro. Fariĝis subite mallume ĉirkaŭ ŝi. Elli komprenis. Kristina, la korinfano mortis . . .

Post la unua paralizo, Elli laŭte kriis. Homoj alvenis. Ekscititaj oni kriis unu al la alia, konsilis, konsilis, esplorpalpis. Kristina estis mortinta.

Estis al Elli malfacilegaj paŝoj, kiam ŝi kun la infano sur siaj brakoj pene paŝis tra la neĝblovajoj supren laŭ la deklivo al la domo de Mattis. Ŝia funebro estis muta, ŝiaj okuloj sekaj. Tia ŝi estis, kiam mi vidis ŝin, kaŭranta sur boacfelo sur la ĉambra planko, ruinigita, frapita, kun nigraj haroj faske pendantaj laŭ la vangoj kaj en mikskolora vesto malordigita. Lakona kaj zorgpremata ŝi pene respondis al miaj mallaŭtaj demandoj.

La edzino de alia lapono, kamarado dum la doloriga vojaĝo, helpis al ni en la rakonto, la viroj plorĝemis kaj ni aliaj kunsentis al tiuj amare suferantaj homoj, kiuj tamen neniel forŝanĝus sian liberan, freŝan vivmanieron, dependantan de ĉiuj veteroj, por ĉiuj avantaĝoj de la sveda kulturo en la jaro de graco 1933.

*

La distrikta prokuroro skribis, dum mi mallaŭte diktis:

»Oni verŝajne povas kompreni la okazajon tiel, ke la infano, pro la treege peniga kaj longedaŭra veturo en la malmola tereno, tre elĉerpiĝis, kion ankaŭ la patrino observis dum la veturado. Atinginte la vilaĝon, kiam la akjo haltis, la infano peze endormiĝis. Dum tio, kiom montras la menciitaj eksteraj signoj, ŝi profunde malleviĝis en la ŝaffelan kovrilon kaj en dormo sufokiĝis.

Kion mi atestas je honoro kaj konscienco.«

El la sveda: *Hj. Dahlén.*

# Meditado supre de montpinto

— A. Novakampo —

Kiel bela estis hodiaŭ matene la sunleviĝo kaj kiel belega estas nun la sunkuŝiĝo! La montoj ŝajnas en flamoj. La ĉielo estas farbita per la plej delikataj koloroj, kaj malsupre en la valo mi vidas brili la grandan lagon en la lastaj radioj de la suno. Sed la plej lastan radion sendas la suno al mi tien ĉi, en la alton. La malgranda fenestro de mia modesta ligna kabano estas tute malfermita por ricevi tiun lastan, oran saluton de la suno antaŭ la nokto. Kaj kiam la bela ora kuglo malaperos malantaŭ la montoj kaj la krepusko falos sur ilin, tiam mi eklumigos la lampon kaj komencos legi. Ĉar ĝuste hodiaŭ mi iris malsupren, en la valan vilaĝon, apud la lago, por preni la poŝton, senditan al mi de ĉiuj partoj de la mondo kaj por aĉeti la plej necesajn provizajojn. Unufoje dum la semajno mi malsupreniras por tio. Mi ricevis multe da libroj, leteroj kaj ĵurnaloj. La poŝto estas nun jam de kelkaj jaroj mia sola ligilo kun la forlasita mondo. Tuj post la terura granda mondmilito, mi volis forkuri en la solecon, proksime de la naturo, for de la terura kulturo kaj civilizacio, kiuj —, tiel ŝajnis al mi — naskigis, estigis la militon, por esti sola kun mia profunda malespero kaj ankaŭ por povi en paco kaj trankvilo serĉi la verajn kaŭzojn kaj rimedojn kontraŭ novaj sangaj militoj, kia la pasinta. Nun mi vivas en ĉi tiu montara soleco. Mi spiras volupte la freŝan vesperan aeron, kiu nun blovetas de la montoj. Jam la montpintoj ne estas plu ruĝaj, sed flavaj, ili iom post iom fariĝas violetkoloraj kaj fine grizaj. La krepusko mallaŭte kovras ĉion. De malproksime oni aŭdas la sonorilojn de la brutaro, forlasanta la altajn paŝtejojn. Kiel belega estis la hodiaŭa tago! Mi povus esti tiel feliĉa tie ĉi supre en la montaro! Mi povus! Sed mi ne povas. Ne, mi ne povas plu vivi nur per sentoj kaj instinktoj. Mi devas ankaŭ pensi kaj mia maltrankvila, moviĝema penso postulas eĉ la ĉefan lokon en mia vivo. Sed pensi signifas suferi: mia senlaca penso neniam lasas en paco mian animon. Dum la tuta tago tiel bela, tiel serena, sub la blua, sennuba ĉielo, en mezo de tiu ĉarma, monta pejzaĝo, miaj pensoj, miaj diligentaj, ĉiam vekitaj, viglaj pensoj kruele ripetadis al mia kvieta, pacema koro: dum vi rigardas admireme la altajn montojn kaj la bluan ĉielon, dum vi ĝojas pri tiu bela suna tago, dum vi legas viajn amatajn librojn, dum vi penas kompreni la misterojn kaj enigmojn de la ĵaluze ilin gardanta naturo, dum vi provas eltrovi rimedojn kontraŭ daŭra malamemo kaj malfeliĉo de la homaro, tie malsupre en la grandaj centroj de ĉiuj »alte« kulturitaj kaj civilizitaj landoj, oni fabrikas kun febra rapideco kaj diligenteco armilojn kaj batalilojn, la plej perfektajn dum la tuta ĝisnuna homa historio dank' al la rapida progresado de naturaj sciencoj kaj tekniko. Ŝajnas vere — ho, kia terure dolora konstato! — ke la kulturo mem turnas sin kontraŭ si, ke ĝi memmortigas sin. Ŝajnas, ke la spirita evoluo de homo povas atingi nur certan alton kaj poste devas, per si mem, neniiĝi. Kia paradokso dolora, tragedia! Ho, miaj karaj libroj, miaj solaj amataj amikoj! Vi montras al mi la dornoplenan vojon de homa scio kaj spirita evoluo, la oferemon kaj sindonon por la scio sed samtempe ĝian sensignifan lokon en tiu granda mondo. Sen vi mi ne povus plu vivi. Vi estas kiel morfino, kiu venenas la korpon sed samtempe donas konstantan deziron ĝui ĝin. Jes, kiom da fojoj mi volis liberigi min de via influo por ne plu esti devigita ĉiam pensi kaj esplori kaj pensante — malesperi pro la senvaloreco de la mirinda fortstreĉo de homa genio. Ju pli ni scias, des pli ĉio komplikiĝas, kaj aperas ĉiam novaj problemoj, novaj eblecoj, novaj demandoj! Nia sciavideco iĝas ĉiam pli forta, pli malsatema, pli brulanta. Serĉante, esplorante, cerbumante ĉiam plu, ni vidas, ke nia kapableco kompreni la bazojn de la naturaj leĝoj, regantaj en nia universo, estas tiel limigita, tiel nenia, tiel ridinde senvalora kaj malgranda, ke anstataŭ kontenteco pro malkovritaj novaj leĝoj de la naturo, ni fine sentas nur malesperon pro nia sensignifo en la universo kaj kvazaŭ teruran senton de timo antaŭ tiu kolosa, por ni nesolvebla enigmo de la vivo. Kiel mi envias la primitivajn, sovaĝajn homojn! Ili, nur ili estas vere feliĉaj. Iliaj ankoraŭ neuzitaj kaj neŝanĝitaj instinktoj gvidas ilin certe tra la vivo. Iliaj viglaj instinktoj estas por ili pli forta kaj pli certa armilo ol por ni, la civilizitaj, nia pensopovo, tiel malrapide kaj malfacile akirita dum jarcenta evoluo kaj ankoraŭ hodiaŭ tiel malperfekta. Ili ne necesas cerbumi kaj ili ne havas ankoraŭ la bezonon analizi kaj pripensi ĉion kaj konstante sin demandi febre: »Kial do estas tiel en la mondo? Pro kio, por kio?« Do ili travivas la tagojn feliĉe kaj kviete, akceptante la mondordon sen ribelo, sen malkvieteco, kontraŭe, kun rezignacio. Ili vivas feliĉe! Sed ni, la tiel nomitaj civilizitaj, kulturitaj homoj, sentas la nepran, fortegan bezonon scii, ekkoni, analizi kaj esplori ĉion, ĉion! Ni luktas malespere kontraŭ la naturo, kiu defendas siajn misterojn kontraŭ la scivolemo de la homo. Kiel en konstanta febra ekscito ni serĉas senĉese, maltrankvile, ribele la vojojn al la vero, la malkovron de la universaj misteroj. La eternaj, scivolemaj demandoj de la homo: Kial? Pro kio? estas la ĉiamaj puŝiloj de homa genio, kiuj donas forton kaj paciencon por esplori la naturon, gardantan severe siajn sekretojn. Kaj ĝuste nun mi eksciis el la ricevitaj ĵurnaloj, ke unu el tiuj lastaj, ankoraŭ feliĉaj popoloj, tiel malrespekte de ni nomitaj »sovaĝaj«, estas nun ankaŭ konkerita de »civilizita« lando, certe por ke oni transdonu al ĝi la »bonfarojn« de nia alta eŭropa kulturo!« Jes, oni feliĉigos ĝin per la »akirajoj« de nia »kulturo«. Ĝi estas »sovaĝa«, oni devas ĝin »civilizi«, ĉar ĝi, malfeliĉa, ne konas ankoraŭ la plej lastajn »bonfarojn« de nia »kulturo« kaj »scienco«. Tiuj »sovaĝaj homoj ne studis »ĥemion«, do ili pro tio ne scias kio estas: eksplodontaj bomboj, kio mangrenadoj, kio fajrobomboj, kio venenaj gasoj, kiuj per terura kaj rapida efiko povas neniigi dum mallongaj momentoj tutajn urbojn. Ili ne sciis ankoraŭ, ke homa genio eltrovis aeroplanojn por flugi libere en la aero, kiel birdo, realigante per tio la malnovan songon de la greko Ikaro, sed ĉefe, en la praktiko, nur por ĵeti de supre sur nearmitan popolon bombojn kaj sufokantajn gasojn! Do oni montris al ili tiujn bonfarojn akirajojn de nia »kulturo« kaj ankaŭ ili, la »sovaĝaj« estos »civilizitaj« kaj pridonacitaj per la bonoj de nia »kulturo«. Kulturo! Ŝajnas, ke oni trouzas tiun grandan vorton kaj kaj mi kredas ke, precipe, oni tute malĝuste interpretas kaj komprenas la veran koncepton de »kulturo«. Ĉar »kulturo« signifas antaŭ ĉio; humaneco, kontraŭo de sovaĝeco, de barbareco, kiujn karakterizas vivo precipe per sentoj kaj nebriditaj instinktoj, anstataŭ vivo bazita sur humanecaj principoj kaj idealoj, akiritaj dank' al spirita evoluo. Do ankaŭ nur mensa, scienca kaj teknika evoluo ne sufiĉas por esti »kulturita«. Nepre, paralele devas sekvi evoluo de animo, de humaneco. Kiam mi trarigardas la ĵurnalojn el ĉiuj partoj de la tero kaj kiam mi legas la novajn okazajojn el la vivo de la popoloj, mi demandas min ĉiufoje dolore mirigita: ĉu mi vere vivas en tempo de kulturo kaj civilizo? Ĉu la »kulturo« estas nur bela utopia, ĥimero, neniam atingebla por la homaro? Ĉar, vere, ĉu oni povas

nomi »kulturo« ĉion tion, kion sciigas la jurnaloj el la ĉiutaga vivo de la popoloj? Ĉu estas signo de kulturo: febra armado en preskaŭ ĉiuj landoj de la tero, persekutadoj de malgrandaj popoloj kaŭze de iliaj religio, rasa deveno aŭ propraj kutimoj; la grandskala »gansterismo«, specialigita en raboj de infanoj de riĉaj gepatroj por elaĉetigi ilin per grandegaj monsumoj, neniigo de kolosaj manĝoprovizajoj, kiel kafo, tritiko, dombestoj k. t. p. por altigi ilian prezon, dum milionoj da homoj suferas kaj mortas de malsato; subteno de komerco de opio, morfino kaj de diboĉo, por eltiri de ĝi grandegan profiton; hontinda, humiliganta dependeco de kulturita virino de la kulturita viro; fine en la interrilatoj de kvazaŭ ĉiuj popoloj internacia reciproka malhelpo per limdepagoj, leĝoj, limbariloj, pasportoj, eĉ batalo kontraŭ nia, liganta ĉiujn, mondlingvo k. t. p. anstataŭ konstanta faciligo alproksimiĝi la popolojn. Kaj aliflanke la maŝinoj, mirinda eltrovajo de la rapidege evoluita tekniko, iĝis malbeno de nia socia vivo, anstataŭ vera bonfaro, pro la avideco de la industrio. Kaj post la lastaj demokratismaj, humanecaj idealoj, la nuna denove kreskanta militismo ŝajnas vere reveno al mezepokaj kutimoj kaj al antaŭa persona mallibero. Kaj kion do mi ne legis sur unu sola pago de lastesendita jurnalo: vere, hodiaŭ la ĉiutagaj presitaj jurnaloj (la gazetaro ĉiutaga), iĝas per si mem viva, pulsanta, historia kroniko de nia tempo kaj spegulas plej bone la spiriton de diversaj popoloj. Do, antaŭ ĉio, estas la sciigoj pri la politikaj kaj diplomatiaj rilatoj inter diversaj landoj, aro da hipotezoj, de supozoj, da ŝajnaj pruvoj de la ĝusteco de tia aŭ alia agado, propacaj paroladoj kaj idealoj, irantaj paralele kun febra armado. Kaj kiam oni komparas antaŭajn artikolojn pri la sama temo aŭ afero kun la lasta, aperinta en la sama jurnalo, oni devas miri, ke tute kontraŭaj agadoj estas, laŭcirkonstance nomitaj la solaj ĝustaj, veraj kaj eblaj. Kaj ankoraŭ unu pruvo, ke hodiaŭ la forto fizika kaj materia estas ankoraŭ pli grava ol tiu spirita, la vera kulturo: la Ligo de Nacioj. Tiu belega institucio estis rezulto de profunda idealismo kaj humaneco de ĝia kreinto, sed hodiaŭ ĝi estas nur pasiva ilo de potenco, profito kaj de internaciaj intrigoj. Vere, la jurnaloj, priskribantaj la ĉiutagan vivon de unuopaj homoj kaj la rilatojn inter la popoloj, lasas en mia koro dolorplenan malgajecon, kelkafoje eĉ malesperon. Kaj ĉio tio nomiĝas kulturo: tiu miksajo de influoj de la plej malklera, netolerema mezepoko kun la plej humanecaj tendencoj, tiu konstanta manko de logiko kaj de sekveco en kvazaŭ ĉiuj homaj agadoj! Kiel ridinde ŝajnas al mi la konvinko pri »nia kulturo« kaj la pretendo »esti kulturitaj kaj civilizitaj«. Skribante pri iu ajn lando, ke ĝi estas jam de »miloj da jaroj« »kulturita,« oni forgesas, ke »miloj da jaroj« estas kvazaŭ momento en la tempo de daŭrado de la universo. Oni forgesas ke en astronomio ekzistas ciferoj kun 30 kaj eĉ pli nuloj. »Miloj da jaroj« — kiaj sensignifaj momentoj! Ekzistas certaj religiaj, samtempe higienaj kutimoj ĉe certaj orientaj popoloj, kiuj devigas la homojn ŝanĝi perforte certamaniere la korpan morfologion, sed kvankam tiuj kutimoj ekzistas jam de multaj miloj da jaroj, tiu ŝanĝo artefarita ne influis la korpan strukturon, ĉar ĝi restis la sama ĝis nun. Cetere la tuta homa historio elmontras, ke tre multaj hodiaŭaj kutimoj, regosistemoj kaj vivmanieroj jam ekzistis en la plej malproksima, de ni jam konata, antikva tempo, sed, ke la evoluo estas treege malrapida kaj postulas tre oftan ripetadon de ĉio, por fine fari veran, daŭran ŝanĝon en la materia, morala aŭ spirita vivo de homaro. Guste hodiaŭ mi legis tre interesan novajon en jurnalo kaj tiu malgranda, ŝajne sensignifa fakto estas ankaŭ pruvo por malrapida evoluo de homo. Do jen ĝi: oni trovis en la

## El „Kanto Nova"

— Gabriele D'Annunzio —

La akvoj dormas en la plenluna nokt'
junia. Rekte super la marhaven'
la martoj staras kvazaŭ palaj
fantaziajoj en bril' neĝblanka.

Per nordvento muta navigas plu
la flokaj nuboj; migras en milda pac'
la sonĝo-svarmoj. Ĉu vi sentas,
Lalla, la dian odoron maran?

Ho aŭdu! naskas nun la vekita ond'
murmuron longan; frapas en flirta vent'
flugil' de kanto. En ĉi nokto
dancas sirenoj en lum' de luno,

dancadas, Lalla. Kanto: »Ho juna gent',
en kies viva koro kaj varma vejn'
jubilas la juni' odora,
pacas la mar', nokto belas, amu!«

susuras. Blankaj nuboj sin perdas jam
tra la silento; migras en milda pac'
la sonĝo-svarmoj; ĉu vi sentas,
Lalla, la dian odoron maran?

*

Ho serpo de l' luno sinkanta,
brilanta sur akvoj dezertaj,
ho serp' el arĝent', kia sonĝo-rikolto
al bril' via milda ondumas de l' ter'.

Suspiroj mallongaj de frondoj,
de floroj, de ondoj, el bosko
elspiras al maro; nek kanto nek krio
nek sono nun iras tra l' vasta silent'.

Jugitaj de am', de plezuro
popol' de vivantoj ekdormis,
ho serp' el arĝent', kia sonĝo-rikolto
al bril' via milda ondumas de l' ter'.

*(Kalocsay).*

---

ĉirkaŭa arbaro de iu malproksima, monta vilaĝeto en Rumanujo estajon, kiu ŝajnis duonhomo kaj duonbesto, preskaŭ tute kovrita per longaj haroj. Post demandado kaj esplorado oni fine konvinkiĝis, ke tiu stranga estajo estis filino de konata tie almozpetulino, kiu dumtage lasis ŝian idon en roka kaŝejo, kaj, nature, tiu ĉiam nutris sin per fruktoj, herboj kaj radikoj, trovataj en la arbaro. Oni forprenis tiun »malfeliĉan duonsovaĝan estajon« (ekzakte, laŭ la vortoj de la jurnalo) de ĝia roka kaŝejo kaj portis ĝin al loka orfejo kie, je la teruro de la »civilizitaj« infanoj, ĝi baraktis kaj luktis sovaĝe kontraŭ la vartistinoj, kiuj volis vesti ĝin perforte kaj doni al ĝi kuiritan manĝajon, kiun ĝi rifuzis kun abomeno. Tio estas malgranda novajo, kiun sciigis jurnalo. Sed kia leciono por ni, civilizitaj! Se sufiĉas alkutimigi infanon al vivo meze de sovaĝa naturo en la plej malalta aĝo por igi ĝin duonsovaĝe, aspektanta kvazaŭ besto de arbaro kaj nutranta sin per krudaj radikoj kaj folioj, do, certe nia civilizo kaj kulturo ne estas ankoraŭ tre profunde enradikigita en ni. Sed, malgraŭ ĉiuj ĝis nun okazintaj terurajoj sur nia malgranda tero, la eternaj leĝoj de la mondo ne ŝanĝiĝis: ili ne estas influeblaj per la mizeraj faktoj de homa vivo! Kaj kiel ĉiam, post ĉi tiu radianta belega tago, nun stelplena nokto kovras ĉion kaj la luno

# Vojaĝo de Sganarelo al Filozofujo
## Unuakta komedio de Ludvig Holberg
### (La unuaj 8 scenoj tradukitaj de H. Bonnevie kaj M. Muribo)

SCENO I-A.

*Sganarelo* (sola kun la manoj etenditaj supren):

Dankon al la ĉielo, ke fine, post tiom da klopodoj, ni venis al la sopirita urbo, kie ni intencas loĝi. Kio povas esti pli agrabla ol loĝi inter nuraj filozofoj, kie ni aŭdos nenion krom saĝo? Mi estas laca kaj senfortigita de la vojaĝo, sed imagante ke ni feliĉe atingis la deziritan celon, mi jam sentas miajn fortojn renoviĝi.

Mia sinjoro Leandro, kiu estas ekster la pordego kun la pakajo, antaŭsendis min ĉi tien por lupreni loĝejon, sed neniun mi vidas: ĉi tie estas tiel trankvile kvazaŭ estus nokto. Tio ja pruvas ordon kaj bonajn morojn. Mi do devas frapi la unuan pordon, por ke mi parolu kun iu. (Li frapas.)

SCENO II-A

(Sganarelo. Filozofo kun longa barbo.)

*Sganarelo:* Jen mi vidas, ke venas iu. La saĝo staras pentrita sur lia frunto. Sinjoro magistro, ne ofendiĝu, se mi vin demandas, ĉu vi scias pri loĝejo por du fremduloj. (La filozofo nenion respondas, sed nur oscedas.) Sinjoro doktoro, ĉu vi eble ne atentis mian demandon? (La filozofo silentas kaj ree oscedas.)

*Sganarelo:* Ĉu vi eble scias pri bona loĝejo por du vojaĝantoj?

*La filozofo* (oscedinte trian fojon, rigardas la sunon kaj diras): Laŭ la suno nun estas la naŭa horo.

*Sganarelo:* Mi demandas nek pri kioma horo nek pri la suno, demandas pri loĝejo. (La filozofo oscedas kvaran fojon kaj foriras.)

*Sganarelo* (mokimitas lian oscedadon): Se tiu ĉi estas saĝulo, li por nenio estas utila, ĉar li ne elparolas, sed eloscedas la saĝon. Sed mi devas provi renkonti iun alian, kiu parolas iom pli multe kaj oscedas iom malpli multe. (Li frapas alian pordon.)

SCENO III-A.

(Sganarelo. Heraklita filozofo.)

*La filozofo:* Ĉu vi havas ion por priparoli kun mi?

*Sganarelo:* Mi estas fremdulo, kiu kune kun fremda sinjoro venis al ĉi tiu urbo post penplena kaj laciga vojaĝo. Ni suferis pacience ĉiujn maloportunajojn, kiujn kaŭzis la vojaĝo, esperante ke... (La filozofo hurlas kaj ploras.) La larmoj, kiujn Sinjoro Doktoro verŝas, pruvas vian kornoblecon kaj kompatemon, sed nun tio estas forgesita, ĉar... (La filozofo ree hurlas.) Mi diras, ke ĉio estas forgesita. Nun mi petas nur, ke Sinjoro Doktoro faru al mi la komplezon havigi al mi bonan loĝejon kontraŭ pago. (La filozofo ree hurlas.)

*Sganarelo* (flanken): Tiu homo ja estas same freneza kiel la unua.

*La filozofo:* Al kiu vi aludas per »la unua«?

*Sganarelo:* La unua homo, kiun ĉi tie mi demandis pri la sama afero, respondis ion sensencan, kio tute konfuzis min. (La filozofo ree hurlas, kaj Sganarelo mokimitas lin).

*La filozofo:* Vi diras, ke tio tute konfuzis vin.

*Sganarelo:* Jes certe, ĉu mi eble povus alion, kiam... (La filozofo ree hurlas. Sganarelo puŝas lin je la postajo, kaj ambaŭ hurlas kune.) Nun vi povas havi kialon por hurli. Kiajn malbenitajn grimacojn faras ĉi tiuj filozofoj! Sed jen mi vidas alian, kiu transiras la straton. Li aspektas gaja kaj afabla. De li mi certe ricevos klarigojn pri ĉi tiu strangajo.

SCENO IV-A.

*(Sganarelo. Demokrita filozofo.)*

*Sganarelo:* Ĉu mi povus paroli kelkajn vortojn kun via sinjora moŝto?

*La filozofo:* Jes, plezure, tiom longe kiom vi deziras.

*Sganarelo* (flanken): Ĉi tiu homo ja estas tute bonmaniera. (Laŭte:) Trafis min ĉi tie strangaj okazintajoj.

*La filozofo:* Kiaj?

*Sganarelo:* Mi parolis ĉi tie kun du filozofoj, mi demandis la unuan, ĉu li scias pri ia loĝejo, sed anstataŭ respondi mian demandon, li oscedis kaj fine diris, ke estas la naŭa horo. Ĉu tiu homo estas tute sana je la kapo?

*La filozofo:* Ha, ha, ha, hi, hi, hi, ha, ha.

*Sganarelo:* Jes, Sinjoro Magistro certe havas kaŭzon por ridi; mi mem ne povas ne ridi, kiam mi pensas pri tio. (Ili ridas ambaŭ kune.)

*La filozofo:* Sed kian respondon vi ricevis de la alia?

*Sganarelo:* La alia hurlis je ĉiu demando kaj ploris kvazaŭ vipita.

---

jetas bluetan lumon sur la montpintojn. Mi estingas la lampon kaj rigardas admire la belegan noktan pejzaĝon. Kaj nun en ĉi tiu soleco, en ĉi tiu kvieteco kaj mallumo mi sentas min tiel malgranda, tiel nenia en la kolosa senlima universo, sed, samtempe, ankaŭ senfine malgranda parto de ĝi. Kaj tiu dependeco, tiu aparteno al la tuto donas al mi forton, esperon, kvazaŭ religian konsolon. Kaj malgraŭ mia malgajeco pri la ĉiutage sciigitaj el la jurnaloj novaj teruraj okazajoj el la homa vivo, malgraŭ mia nuna seniluziiĝo pri la ĝisnuna kulturo kaj civilizacio homa, en ĉi tiu momento de komuna, instinkta kunsento kun la tuta universa vivo mi havas la fortan kredon, ke fine — eble nur en tre malproksima estonteco — la homa kulturo, kiu hodiaŭ estas vere nur ŝajna, laŭnoma, iĝos vere kultura, homa, universa kaj, ke ĝia misio humanigi ĉion, krei tutmondan interkonsenton de ĉiuj popoloj sur nia malfeliĉa, mizera terkuglo en komuna sento de admiro kaj humileco antaŭ tiu enigma, nekomprenebla por ni, senlima universo, iĝos realeco kaj vero. Kaj mi pensas nun kun admiro al tiuj nemultaj homoj el la, de mi konataj, antikvaj landoj, kiuj jam en la tiel malproksimaj tempoj pasie serĉis la veron kaj penis malkovri la misterojn de la eternaj steloj, kviete brilantaj sur alta, neatingebla ĉielo. Eterna estas la dia flamo de scideziro, brulanta en la homa koro kaj ĝi gvidos nin al evoluo kaj perfekteco. Belaj steloj, magie radiantaj sur nokta ĉielo, mondoj nekonataj, kiam, kiam do fine estos permesite al ni, humilaj, travidi la misteron de via ekzistado? Kiam do ni, mizeraj homoj, povos manĝi senpune la orajn fruktojn de la arbo de la saĝo? Kaj nun en ĉi tiu bela, stelplena nokto, solece en grandioza montara regiono, mi ekmemoras la profetajn, humanajn vortojn, diritajn de Victor Hugo en la jaro 1871: »Same, kiel ekzistas nur unu sola homaro, ankaŭ ekzistas nur unu sola popolo. Defendi ĉie homan progresadon en danĝero estas nia sola devo. Ni estas la naciuloj de la civilizacio.«

*La filozofo:* Ha ,ha, ha, hi, hi, hi, ha, ha.

*Sganarelo:* Ŝajnas al mi, ke li estas ne malpli freneza ol la unua. (Ili ree ridegas kune.)

*Sganarelo:* Kiel juĝi pri tiaj homoj?

*La filozofo:* Ha, ha, ha, hi, hi, hi, ha, ha, cetere mi vidas el via vestaĵo kaj via tuta eksteraĵo, ke vi estas fremdulo.

*Sganarelo:* Jes, Sinjoro Magistro. Mi venas de tre malproksima lando.

*La filozofo:* De tre malproksima lando? Ha, ha, hi, ha...

*Sganarelo:* Tio ja ne estas io ridinda.

*La filozofo:* Por kio vi venas ĉi tien?

*Sganarelo:* Por interrilati kun kleruloj kaj esti instruata pri saĝo. (La filozofo ree ridas.) Ha, sinjoro, bonvolu do moderigi tiun ridadon, kaj ni parolu iom serioze kune.

*La filozofo:* Serioze kune, vi diras. Ha, ha, hi...

*Sganarelo:* Je diablo, kio do estas tio? Ĉesigu fine la ridadon kaj diru al mi, kie bona loĝejo estas trovebla!

*La filozofo:* Bona loĝejo, vi diras? (Li foriras ridante.)

*Sganarelo:* Ha, disridu do vian gorĝon, vi bestaĉo! Unu filozofo ja ĉi tie estas pli freneza ol la alia. Tiom konfuzis min ĉi tiuj okazintaĵoj, ke mi ne scias, ĉu mi dormas aŭ maldormas. Se ĉi tiu estas la urbo de l' saĝo, mi tre dezirus scii, kion oni povas nomi frenezulejo. Nun mi bone memoru tion kaj ĉi tion, por ke mi povu raporti al mia sinjoro ĉion detale.

### SCENO V-A.

*(Sganarelo. Nova filozofo.)*

(Dum Sganarelo staras pripensante, venas rapidege nova filozofo, kiu alkurante lin renversas.)

*Sganarelo:* Kion, je diablo, signifas ĉi tio? Kial vi agas kontraŭ mi tiamaniere? Kion malbonan mi faris?

*La filozofo* (levas lin je la piedoj): Ej, ej, mi prenas la piedojn anstataŭ la brakojn, milfoje mi petas pardonon. La eraron kaŭzas tio, ke mi havas tro akran vidadon.

*Sganarelo:* Ŝajnas al mi, ke kaŭzas ĝin prefere tio, ke vi estas tute blinda.

*La filozofo:* Sinjoro! La akra vidado, kiun la naturo donis al mi, kaŭzas, ke mi nenion povas vidi, kio estas proksima al mi.

*Sganarelo:* Se la naturo ne havis ion alian por doni al vi, vi devus deziri, ke ĝi estu teninta sian donon ĉe si mem.

*La filozofo:* Ne, sinjoro! Kontraŭe mi povas vidi, kion aliaj ne vidas. Mia akra vidado penetras ĝis la interno de la aĵoj kaj fiksas sin je la kerno, kiu estas kaŝita al aliaj.

*Sganarelo:* Tio superas mian komprenon.

*La filozofo:* Estas tamen tiel, sinjoro. Oni tial nomas min la subtila doktoro. Sed mi vidas, ke vi estas fremdulo. Por kio vi venas ĉi tien? Se mi povas helpi vin pri io, estos al mi plezuro.

*Sganarelo:* Mi dankas sincere. Mi unue nur volas demandi, ĉu oni ĉi tie povas ricevi bonan loĝejon por du personoj.

*La filozofo:* Pri tiaj simplaj kaj trivialaj aferoj mi ne zorgas, sed se vi volas scii ion »in philosophia occulta«, mi estas je via dispono.

*Sganarelo:* Ne, ne, mi demandas nur pri...

*La filozofo:* Kiel ekzemple pri la forto de l' magneto, pri la kvalito de l' animo, pri la cirkulado de l' sango, pri la ecoj de formikoj kaj kuloj, pri la interna organismo de aliaj insektoj, pri...

*Sganarelo:* Ne, ne, je la haŭto de l' diablo! mi demandas pri...

## Tagmezo

— Gabriele D'Annunzio —

Tagmez'? La strato longe etendas sin
antaŭen rekte, larĝe, en blanka bril',
ĉeflanke stoploj bruligitaj;
en la flavego nenie herbo.

Nenia voĉo en la sufoka varm'
inerta; ardas nun kiel incendi'
l' aer'. Silento. Al ĉevaloj
pendas la lango en laca troto.

Sed homoj staras kurbe nun en la kamp',
sangŝvitaj, lasas baki kranion en
la brul' de l' senkompata suno,
estas sen sola gutet' da akvo,

sen pec' da pano. En la ardanta hum'
enprofundigas ĉi malespera trup'
la feron; ili sin rigardas
per estingita okul'; ne plendas.

Ja persekutas kvazaŭ malbona di'
senĉese ĉi damnitojn de vivturment'
eterna; ili sian nukon
klinas al sulko de ter'; ne plendas.

Tagmezo, hor' de manĝoj abundaj, de
dolĉmolaj sonĝoj. Ili enpuŝas la
brilantan feron. Ho pioĉu,
filoj, pioĉu; ripoz' ne estas.

Pioĉu, filoj: mizerikordo ne
ekzistas ja, pioĉu, ĝis spitas al
furio de la tif' la brakoj.
Filoj, pioĉu: ripoz' ne estas.

*(Kalocsay).*

---

*La filozofo:* Aŭ se vi volas ion scii pri la animoj de la bestoj, ĉu ili estas maŝinoj aŭ vivantaj kreitaĵoj, ĉu *Nominales* aŭ *Reales* devas esti nomataj *Orthodoxi Philosophi*... (Dum li tiel parolas, Sganarelo alkurante renversas lin kaj ankaŭ senkulpigas sin pro sia akra vidado. La subtila filozofo tuj restarigas sin, faligas Sganarelon teren, donas al li multe da batoj kaj forlasas lin kuŝanta.)

### SCENO VI-A.

*(Sganarelo. Astrologo kun lorno, per kiu li faras observojn)*

*Sganarelo:* Ho ve! ho ve! ĉu neniu ĉeestas kiu povas min restarigi? Ho ve! helpu mizeran trabatitan homon, kiu ne povas mem starigi sin.

*La astrologo* (ĉirkaŭrigardante): Kiu krias? Kuŝas ja tie duonmortinta homo. Kio okazis al vi, amiko?

*Sganarelo:* Bonvolu min restarigi, sinjoro. Mi falis en la manojn de malbonuloj, kiuj tiom batis min, ke miaj membroj estas frakasitaj.

*La astrologo:* Tio min kore doloras. Estas mia devo helpi mian proksimulon, mi petas nur iom da pacienco, ĝis mi estos esplorinta en mia astrologia libro, ĉu en ĉi tiu monato kaj en ĉi tiu tago de l' monato oni devas entrepreni ion gravan. (Li foliumas en la libro.) Ne, sinjoro, ne konvenas je la nuna tempo. Mi vidas, ke estas la dekkvara tago en la monato Morian. En tiu, laŭ astrologiaj reguloj, nenion gravan oni devas entrepreni. Se sinjoro bonvolas havi paciencon, ĝis subiros la suno, mi povos helpi vin ne malobeante astrologiajn regulojn.

*Sganarelo:* Tiajn regulojn neniu povis dikti krom la

diablo. Ĉu iam povas esti malpermesite helpi sian proksimulon?

*La astrologo:* Certege kaj estas tiel kaj povas esti.

*Sganarelo:* Ho ve, mi mizerulo, malfeliĉa estis tiu tago, kiam ni decidis veni al ĉi tiu urbo.

*La astrologo:* Ne diru tion, sinjoro. Vi venis en urbon, kie eklogis la naŭ diinoj de l' saĝo.

*Sganarelo:* Prefere diru: naŭ diinoj de Infero aŭ naŭ malfeliĉoj, ĉar...

*La astrologo:* Ne trofervoriĝu, moderigu viajn pasiojn kaj estu pacienca ĝis la vespero, tiam tute plezure mi helpos vin. Adiaŭ ĝis plue. (Li foriras.)

SCENO VII-A.
*(Sganarelo. Skeptika filozofo.)*

*Sganarelo:* Ho ve, ĉu do eĉ unu kompatema homo ne troviĝas en la tuta urbo.

*La filozofo:* Mi aŭdas ion kriantan. Tie mi vidas kompatindulon, al kiu okazis akcidento. (Li starigas lin.)

*Sganarelo:* Mil dankojn, Sinjoro doktoro. Mi ĝojas, ke troviĝas honesta aŭ saĝa homo en ĉi tiu urbo de granda klereco.

*La filozofo:* Kio okazis al vi, amiko?

*Sganarelo:* Tiamaniere mi estas batita kaj malbone traktita de iu el viaj kolegoj, kiu nomis sin subtila filozofo, sed al mi li vidigis nur malmulte da subtileco.

*La filozofo:* Sed ĉu vi estas certa pri tio?

*Sganarelo:* Ĉu mi ne estus certa pri tio, kio jus okazis?

*La filozofo:* Via vidado eble vin trompis.

*Sganarelo:* Almenaŭ la sentado ne trompis min, tion atestas miaj trabatitaj membroj.

*La filozofo:* La sentado, kiu estas unu el la kvin sentumoj, povas trompi ne malpli ol la vidado.

*Sganarelo:* Tio ja estas malbenita sensencaĵo, vi jamem vidis, ke mi kuŝis sur la strato kaj kriis por helpo.

*La filozofo:* Certe ŝajnas al mi tiel, sed...

*Sganarelo:* Malfeliĉon al vi kun via »sed«. Vi ja mem restarigis min.

*La filozofo:* Eble povas esti tiel.

*Sganarelo:* Do mi povas ja repreni mian dankdiron.

*La filozofo:* Eble.

*Sganarelo:* Eble, eble! Aŭdu, bona sinjoro Eble: Se iu agus tiamaniere kontraŭ vi, kion vi dirus?

*La filozofo:* Nenion alian mi dirus ol ke ŝajnas esti tiel. (Sganarelo donas al li tri fortajn frapojn.)

*La filozofo:* Aj, aj, ĉu ne estas senhonte tiel trakti filozofon?

*Sganarelo:* Eble.

*La filozofo:* Kaj tiel rekompenci bonfarojn?

*Sganarelo:* Eble, eble.

*La filozofo:* Ho ve, mia kompatinda dorso!

*Sganarelo:* La sentado estas unu el la kvin sentumoj, kiu povas trompi ne malpli ol la vidado.

*La filozofo:* Mi tuj devas iri hejmen por ŝmiri mian dorson.

*Sganarelo:* Iru al la koboldoj kaj ŝmiru vian kleran cerbon; ĝi bezonas ŝmiraĵon prefere ol la dorso. Se mi ne atendus ĉi-momente Leandron, mian mastron, mi tuj forkurus, por ke ne okazu al mi pli multe da ĉagrenoj. Se ni nur rapidus! Sed jen li venas. Li rieevos ĉion tiel freŝa, kiel mi ĝin ricevis.

SCENO VIII-A.
*(Leandro. Sganarelo.)*

*Leandro:* Nu, Sganarelo, kiel progresas la afero? Ĉu vi sukcesis trovi bonan loĝejon? (Sganarelo nenion respondas, sed oscedas.) Ĉu vi ne aŭdas, pri kio mi demandas? (Sganarelo denove oscedas.) Mi pensas ke vi fariĝis kaj blinda kaj muta. (Sganarelo ree oscedas.) Ne staru tiel mokante min. Ĉu vi ne povas respondi mian demandon?

*Sganarelo:* Kion sinjoro deziras ekcii?

*Leandro:* Mi demandas ĉu vi sukcesis trovi loĝejon?

*Sganarelo* (rigardante la ĉielon, oscedas kaj respondas): Mi vidas, ke laŭ la suno estas nun la naŭa horo.

*Leandro:* Je diablo, kio estas tio? Mi pensas, ke la homo estas sorĉita. Ĉu vi ne plu konas min? (Sganarelo hurlas kaj ploras.) Almenaŭ diru al mi, kie vi estis kaj kio al vi okazis. (Sganarelo ree hurlas.) Ha, kia malfeliĉa okazaĵo estas tio! (Li ree hurlas.) Ĉu vi ne konas min, vian mastron?

*Sganarelo:* Mia mastro? Ha, ha, hi, hi, ha!

*Leandro:* Mi sentas, ke lia intelekto estas difektita.

*Sganarelo:* Ha, ha, hi, ha!

*Leandro:* Ĉu la aero de la urbo povus efiki tion?

*Sganarelo:* Ha, ha. Ne, sinjoro, al mi mankas nenio je la intelekto. Sed nenian certan respondon mi povas doni al la demando.

*Leandro:* Ĉu vi ne povas diri jes aŭ ne?

*Sganarelo:* Eble.

*Leandro:* Kion vi volas diri per via »eble«?

*Sganarelo:* Nenion gravan.

*Leandro:* Se vi mokas min, rezultos al vi malbono.

*Sganarelo:* Mi tute ne mokas vin, sinjoro.

*Leandro:* Ĉu tio ne estas moko, kiam al ĉiu demando vi respondas sensencaĵon?

*Sganarelo:* Nur ŝajnas tiel al vi, sinjoro, ĉar oni ne

## La vulturo de l' suno

— Gabriele D'Annunzio —

Kelkfoje, dum medito aŭ revo-ŝpino,
se flagras kiel flam' l' aero sala,
se bruas tra l' silent' pinfrukto fala,
sur arbo surde siblas la rezino,

se marĉflutist' muzikas en la ŝlimo,
zumas sovaĝaven' en vasto vala,
subite mian koron, vi, fatala,
rabkaptas, igas predon el l' animo,

ho Glor', vulturo de la sun', ho Glor'!
Vi sur min saltas, tranĉas min ungŝire,
ĝis arda klifo, kie mi azilas.

Fruntleve vidas mi kun kor-dolor'
tra l' ruĝo de l' palpebroj fermaj, mire,
ke jen de mia sang' la mondo brilas.

*(Kalocsay).*

## La kombilo

— Gabriele D'Annunzio —

Kiam la fajroj de l' sun' estingiĝis sur monto Mario,
venis la nuboj en trup' lante de l' mont' Palatin'.

Milde la spiro de vent' ilin prenas kaj trenas uesten,
kie cipresoj en vic' akras al alto per pint'.

Mordas tiam la pint' de la nigraj cipresoj la nubojn,
kvazaŭ tra longa kombil' fluus hararo el or'.

*(Kalocsay).*



# OBSERVO

## LA BULGARA NACIA TEATRO

La slavoj ĝenerale kaj la bulgaroj speciale tre ŝatas la teatron. La bulgara ĉefurbo Sofio estas tre feliĉa en la rilato kontentigi pri tio siajn loĝantojn. En ĝia centro altas la plej granda, la plej bela kaj plej bona teatro sur la Balkana duoninsulo: la NARODEN TEATER = Nacia Teatro. Antaŭ 13 jaroj ĝi forbrulis. Por ĝia rekonstruo la bulgara nacio ŝparis nenion, faris amuzvesperojn, monkolektojn ktp. Ĝia rekonstruo kaj pligrandigo forglutis 120 milionojn de bulgaraj Levoj. La gvidanto de tiu rekonstruo estis la Dresdena profesoro Dülfer. En 1923, mi — kiel tiama sekretario de la bulgara konsulejo en Dresden — havis kelkajn renkontojn kun la dirita profesoro de arĥitekturo. Li diris al mi: »Mi konstruis ĝis nun en Eŭropo 28 teatrojn, la Sofia estos la 29-a; 30-an mi *ne* konstruos!« Li tenis sian parolon. Kaj vere, li elverŝis sian tutan arton kaj la bulgara Nacia Teatro fariĝis unu el la plej grandiozaj, modernaj kaj riĉaj en tuta Eŭropo, kun turniĝantaj scenejoj ktp. kaj ĝiaj geaktoroj estas unuj el la plej bonaj kaj admirataj.

Ne nur Sofio, sed ankaŭ la provinco vivas kun la penso pri sia teatro. Ĉiuaŭtune la demando pri la nova administrado de la teatro, pri la novaj artistaro kaj repertuaro estas loka »regna demando«...

Jes, la bulgaro ŝatas la teatron. Kaj jen — la malriĉa Sofio subtenas Nacian Teatron kun dramo kaj opero, Kooperativan Teatron, operetan teatron »Odeon«, Artistan Teatron, se ne paroli pri la sennombraj kinoteatroj.

La teatra vivo ĉi-jare en Sofio komenciĝis tre bone — per elektitaj teatrajoj en ĉiuj teatroj.

En la *Nacia Teatro* estas plej grandsukcese kaj daŭre ludata la kvinakta teatraĵo per kiu malfermiĝis la ĉi-jara teatra sezono:

*Pred Izgrev (Kara Tanas) = Antaŭ Sunleviĝo (Nigra Atanaso).* Ĝian aŭtoron *Stefan Savov,* kiu samtempe estas aktoro en la Nacia Teatro kaj aŭtoro de multaj bulgaraj teatraĵoj, oni varme aplaŭdis, ke li ĉerpis sian temon el la kompare proksima heroa pasinteco de Bulgarujo. La enhavo de dramo estas prenita el la apartaj ribeloj de la bulgara popolo por rehavigo de ĝia eklezia kaj politika libereco, ribeloj okazintaj antaŭ 120 jaroj kontraŭ la jugo de grekoj kaj turkoj.

La aŭtoro donas en sia teatraĵo ne terurajn aŭ tragediajn figurojn, sed belan lirikan poemon, kelkloke en blankaj versoj. La dramon belege surscenigis la reĝisoro Ĥrisan Cankov, helpe de la artisto Popov kaj bonege ludis la dramaktoroj de la teatro. La heroo estas la instruisto en la vilaĝo Geravna, juna orfo *Tanas* (Vladimir Trandafilov). Li varme amas sian malfeliĉan, sklavigitan kaj subjugitan patrujon, amas ankaŭ *Anĝelinan* (Zorka Jordanova), filinon de la riĉa *Haĝi Mano* (Krestjo Sarafov). Krom Anĝelina la instruiston amas ankaŭ alia knabino, *Janka* (P. Gerganova), juna orfino energia kaj kuraĝa. *Anĝelinan* amas ankaŭ la juna riĉulo *Nikolaki-Bejo* (G. Stamatov), bulgaro-perfidulo, amiko de la turkoj. Tanas defendas en la preĝejo la fraton de Janka, kiu legis »Patro Nia« en bulgara lingvo, kontraŭ la furioza greka ĉefpastro kaj forpelas ĉi tiun. Pro tiu kuraĝo li estas persekutata, minacata kaj fine devigita forlasi la lernejon kaj forkuri en la Balkanajn montojn. La adiaŭa sceno en la malriĉa bulgara lernejo estas tre kortuŝa. Pasas tri jaroj. Kara Tanas estas jam fama vojevodo, gvidanto de bataloj kontraŭ turkoj kaj grekoj, defendanto de la malfeliĉa kaj sklavigita popolo. Anĝelina estas por li perdita — ŝi estas jam edzigita kontraŭvole al Nikolaki-Bejo, kiun ŝi ne amas, restante fidela al Kara Tanas. Pasas ankoraŭ kelkaj jaroj kaj Kara Tanas venas kun sia bando en la montojn super la vilaĝo Geravna. Nikolaki-Bejo ekscias pri la okazonta renkonto inter Anĝelina kaj Kara Tanas kaj volas mortigi ĉi tiun. Sed Kara Tanas lin antaŭas, lin mortigas kaj forkuras en la Balkan-montojn. En batalo kontraŭ turkoj li estas morte vundita kaj elspiras inter la nudaj rokoj Balkanaj inter la manoj de la fidela Janka. Nun Janka ekgvidas la restintajn hajdukojn al batalo...

La geaktoroj entuziasme ludis tiun heroan teatraĵon. Ĉiuj aŭskultintoj disiris kun la impreso, ke la teatra arto en Bulgarujo faris ankoraŭ unu grandan kaj belan paŝon sur la vojo al la perfekteco.

Dua sukcese prezentata teatraĵo en la Nacia Teatro estas *Matura = Maturekzameno,* de la hungara verkisto *László Fodor.* Ĝia enhavo, kiel vidiĝas ankaŭ de la titolo, estas el la lerneja vivo. La agado disvolviĝas en la fino de la lernjaro, kiam la lernantinoj forflugas por ĉiam el la klasĉambroj, kiel abeloj el siaj ĉeloj, kaj ekmarŝas en la suna tago. Per siaj pikiloj ili ne nur suĉis el la mielo de la scienco, sed ofte ŝovis ilin en la toleremajn animojn de la instruistoj: »Ili estas kruelaj, ĉar ili estas junaj«.

Kaj la instruistoj, kiuj tutan vintron disdonadis po-pece sian animon, kies sorto kunkreskiĝis ĝissange kun la sorto de la lernant(in)oj, nun restas solaj. Ili mortas en la fino de ĉiu lernjaro kaj reviviĝas en la komenco de la nova, dum septembro. Kaj kiel malbonaj lernantoj, tutan vivon ili ripetas la klasojn.

Kio do restas por gelernantoj kaj geinstruistoj post tiu tuta studo, post la ekzameno, post la maturekzameno? — »Unu kanteto... unu pentraĵo, kelkaj poeziaj versoj... kiel paŝtista fajro en aŭtuna nokto briletas malproksime en la kampo«... Restas la memoro, la bela malgaja memoro, kiu, fruktigita de la animo de la talenta dramaŭtoro, transformiĝis en la kortuŝan, karan, elegante verkitan teatraĵon »Maturekzameno«.

La teatraĵo de Fodor estas reĝisorita de s-ro Jakovlev, vera poeto sur la scenejo. Ĉiuj geaktoroj ludas kun plena animo, precipe Trandafilov, en la rolo de la tragedia direktoro, enŝlosinta sian doloron profunde en la koro kaj gardanta sian denaskan prestiĝon antaŭ ĉiuj elprovoj; s-ino Gerganova, en la tiel delikata rolo de Katja Horvat, disverŝas mirindan ĉarmon en la lasta akto, kie ŝi estas en sia elemento — en belega blanka robo — vera simbolo de l' printempo; s-ino Djulgerova, kiel Klotilda Saraj, ludas kun temperamento kaj kortuŝa fideleco; s-ro Kisimov — la seka matematikisto, konstante persekutata de lernantino; s-ro Andreev — la neforgesebla milda

---

povas fidi al la sentumoj, kiuj ĉiuj estas trompemaj.

*Leandro* (levas sian bastonon): Ne, jam estas tro multe.

*Sganarelo:* Estas ankaŭ pli ol sufiĉe. Nun mi do volas paroli ion serioze kaj diri, ke estis malfeliĉa tempo kaj horo kiam ni decidis frai ĉi tiun vojaĝon. Ĉiuj ĉi tiuj komplimentoj, kiujn mi faris al mia sinjoro, estas tiel same faritaj al mi de ĉiuj filozofoj, kun kiuj mi parolis, kaj mi prezentis ilin al vi tiom varmaj, kiom mi mem ricevis. La urbo estas plena de krevklerigitaj malsaĝeguloj.

*Leandro:* Mi supozis, ke klereco kaj saĝeco estas nedisigeblaj.

*Sganarelo:* Efektive ankaŭ mi.

*Leandro:* Mi ne aŭdis ion alian.

*Sganarelo:* Sed mi sentis ion alian.

*Leandro:* Kio do kaŭzis tion?

*Sganarelo:* Ĉio malutilas se oni ĝin troigas. Unu glaso da vino plivigligas la animon; sed se oni trinkas tro multe el ĝi, la cerbo fariĝas filozofema kaj konfuza. La vento pelas la ŝipon antaŭen; sed se ĝi blovas tro forte, la ŝipo renversiĝas. Neniu manĝaĵo estas pli saniga ol kaĉo; sed se oni troŝarĝas la stomakon, oni povas almanĝi al si febron. Tiel same eble statas pri ĉi tiuj filozofoj, kiujn tro multe da klereco frenezigis.

*Leandro:* Tiamaniere ni prefere estus restintaj hejme.

*Sganarelo:* Sajnas al mi tiel same.

instruisto de filozofio; s-ino Lambreva — la prudenta, sekrete enamiĝinta klaszorgantino kaj helpantino de la direktoro; s-roj Kodjabaŝev kaj Serbov — la »neŭtralaj« kolegoj k. a. La intereso al la teatraĵo estas granda, kio promesas al ĝi en nia Nacia Teatro longan vivdaŭron.

*Sur La Naĝanta Glacio* estas la tria teatraĵo ludata en la Nacia Teatro. Ĝi estas verko de ĉeĥa dramaŭtoro *Wilem Werner*. Tie ĉi la rigardantoj jam estas en plena kapto de aktivaj sociaj problemoj: estas malkovrata la tragedio de inteligenta familio, kiu pereas sub la frapoj de la senlaboreco. Samtempe la aŭtoro volas penetri en la ideajn diferencojn de du generacioj, malkovrante kelkajn profundajn moralajn konfliktojn inter patroj kaj filoj. La disharmonio inter ili estas la dramo de l' homaro, speciale akrigita kaj substrekita en nia tempo. La teatraĵo de Werner estas scenoplena, aktuala, sed iom »elpensita«. Kulpas nek gepatroj, nek infanoj, sed la travivata de ili tempo, kiun unuj kaj aliaj ne scias ŝanĝi. Temas pri maljuna gimnazia instruisto, patro de kvar gefiloj, viglaj, energiplenaj kaj kresoifaj, kiu restas konsternita, frapita antaŭ la klopodoj, revoj kaj rimedoj por sukceso en la vivo, kiuj movas la junan generacion. La fidela idealisto, romantikulo kaj revanto de la pasinta jarcento, kreskinta en sentimentala societa virgeco kaj soifinta nur plenan moralan vivtenon, nun vidas, kiel liaj gefiloj, viktimoj de kruela socia ordo, estas ludiloj sur la ondoj de preskaŭ absoluta malmoraleco.

La teatraĵo de Werner estas efektive originala kaj sufiĉe serioza por maltrankviligi la konsciencon de la nuntempa rigardanto. Ĝi estas bonege ludata en la Nacia Teatro. S-ro Masalitinov, konata majstro por la psikologia sencigo de la scenludo, sciis substreki ĉiujn gravajn momentojn kaj fari la prezentadon artiste honesta. Je lia dispono estas la geaktoroj: Ges-roj Tenĉev, Snejina, Bujuklieva, Ganĉev, Miĥajlov, Kirĉev, ĉiuj kun sento certa pri artista fideleco kaj pri preciza gesto.

*Srednogorski*

DR. KURT JAGOW: »QUEEN VIKTORIA, (virinvivo sub la krono.) Leteroj kaj folioj el la taglibroj de la reĝino Viktoria.

Multaj historiistoj kaj verkistoj jam okupiĝis pri la vivo de ĉi tiu reĝina virino; ŝia figuro estiĝis temo de romanoj, teatraĵoj kaj filmoj. Sed pli forta ol ĉia priskribo kaj fantazio estas la impreso, se oni aŭdas ŝin mem en ŝiaj personaj konfesoj. Reĝino Viktoria, malgraŭ la peza ŝarĝo de siaj rego- kaj familiodevoj, ĉiam estis diligenta skribantino. Jam de sia frua juneco ŝi uzis ĉiun liberan horon por skribi sian taglibron; ŝi daŭre korespondis kun siaj infanoj, ĉiuj parencoj, kun siaj ministroj, kun la partigvidantoj kaj elstaraj samtempuloj. Kaj nun, kiam ĉi tiuj dokumentoj venas iom post iom el la arkivoj, oni lernas koni la viktorian tempon de nova flanko: kiel epokon de granda kaj vere virineca sinjorino.

Solecaj, unutonaj infanjaroj en la Kensington-palaco. Sen ludkamaradoj kaj sen indaj junamikoj. En taglibronoto de 1872, Viktoria parolas pri sia melankolia infaneco, kiu havis solan lumpunkton: la amatan onklon, Leopold I. de Belgio. Ĉiam ŝi estas ĉirkaŭata de plenkreskuloj, de maljunaj sinjorinoj, kaj ŝia plej ŝatata plezuro estas rajdi sur azeno. Ŝi estas edukata tre simple, ne havas ĉambron por si kaj dormas ĝis sia surtroniĝo en la ĉambro de sia patrino. Ĉar la infano estis de tre pasiva naturo, oni devigis ŝin senkulpigi sin ankaŭ ĉe la infanvartistino pro ĉiu malbona ago aŭ malafableco: principo, kiun reĝino Viktoria observis dum sia tuta vivo... Kiel juna knabino ŝi fervore kolektis aŭtogramojn kaj legis seriozajn librojn. Plej ofte historiajn, ĉar ŝi sciis, ke ŝi estas destinata fari mem iam historion. Ĉarma estas la taglibrofolio de 20. junio 1837, la tago de ŝia surtroniĝo. Je la sesa matene, ŝi estas vekita de sia patrino kaj akceptas la arkiepiskopon de Canterbury kaj lordon Conyngham en matenrobo, kiel ŝi intence rimarkigas. Oni sciigas ŝin pri la formorto de ŝia onklo Wilhelm IV. La lordo surgenuiĝas antaŭ la juna knabino kaj kisas al ŝi la manon. Poste Viktoria vestigas sin, matenmanĝas, skribas leterojn, akceptas lordon Melbourne, konfidas al li la pluan gvidadon de la ministraro, partoprenas sian unuan ŝtatkonsilon kaj estas okupata tiamaniere seninterrompe ĝis la deka vespere. Poste ŝi sidiĝas ĉe ŝia taglibro, kaj faras jenan enskribon: »Ĉar plaĉis tiel al la providenco, starigi min sur ĉi tiun lokon, mi ĉion faros, por plenumi mian devon por mia lando. Mi estas ankoraŭ tre juna kaj eble en multaj, se ankaŭ ne en ĉiuj aferoj, tre malsperta, sed mi estas certa, ke ekzistas malmultaj homoj, kiuj havas pli bonan volon ol mi, fari tion, kio estas bona kaj ĝusta.«

Neniam regantino estis al reĝinedzo tiel enamiĝinta, neniam reĝa edzeco estis tiel feliĉa, kiel ĉi tiu. Al la onklo Leopold ŝi skribas: »Mi sentas min tiel feliĉa, mi adoras Alberton. Li estas vera anĝelo kaj tiel neelparoleble bona al mi, ke tio min tute kortuŝas. Mi apenaŭ povas elporti, disiĝi de li, ĉar ni travivas tiel feliĉajn, ĉarmajn horojn kune.« Al ŝia fianĉo ŝi skribas miksante la germanan kaj anglan. En la edziĝtago ŝi sendas al li jam frumatene kelkajn liniojn: »Kiel vi fartas hodiaŭ kaj ĉu vi bone dormis?... Sciigu min, se vi, mia plej kara amata fianĉo, estas preta.« Kaj vespere ŝi priskribas en la taglibro la edziĝfeston. Ŝia fianĉin-vestaĵo el blanka silko kun larĝa »Fabel-Honiton-«puntaĵo, la turkan diamant-kolĉenon kaj la safirbroŝon de Albert. Ĉe la veturo ŝi observas ĉiun malgrandaĵon kaj la edzeca ceremonio forte impresas ŝin: »Mi sentis min tiel feliĉa, kiam Albert metis la ringon sur mian fingron.« Post la subskribo de la edziĝdokumento kaj post la gratulo en la tronsalonego ŝi fine kunvenis kun Albert en sia vestĉambro por dek minutoj. Poste ankoraŭ la granda edziĝtablo kaj fine la momento de la adiaŭo, momento, kiun esprimas Viktoria en frazo, el kiu, kiel ajn simpla kaj mallonga ĝi estas, parolas ŝia tuta, granda amo: »Albert kaj mi solaj...«

Sub la gvido de lordo Beaconsfield, la viro, kiun el ĉiuj siaj ministroj ŝi plej ŝatis, kaj kiu per sia galantesaĝa maniero havis al ŝi la plej fortan influon, Viktoria iĝis la reprezentantino de la imperia ideo. Se la figuro de la juna knabino vekis amon kaj entuziasmon, oni nun sentas respekton kaj admiron antaŭ la maljuna reĝino, kio montriĝis en impona maniero ĉe la kvindekjara kaj ankoraŭ pli ĉe la sesdekjara regojubileo. Ĉiam ankoraŭ ŝi portas sola la tutan pezon de la laboro kaj respondeco, ne lasas partopreni la princon de Wales. Novaj figuroj eniras ŝian vivon: lordo Salisbury, Cecil Rhodes kaj Joseph Chamberlain. La politiko ludas ĉiam pli gravan rolon. Multaj karaj kaj valoraj homoj al ŝi formortas, sed ĉiam nova juneco postkreskas. Kaj la lasta enskribo en la taglibro, naŭ tagojn antaŭ ŝia morto, montras nenian scieton pri la morto, spiras la puran pacon de homo, kies animo kaj vivo estas en bona ordo... *F. W. V.*

ANDREAS LATZKO: »LAFAYETTE.«

La markizo de Lafayette estas unu el la plej interesaj figuroj de la nova epoko. Kvankam li ne estas granda spirito, la tempo, en kiun li naskiĝis, pelis lin al dimensioj, kiuj en aliaj cirkonstancoj ne estus donitaj al li. Naskita en 1757, heredanto de pranobela nomo kaj granda havaĵo, li apartenas al la feŭda franca societo de la »ancien regime« kaj neniam li malkonfesas sian grandsinjorecon. Sed liaj naturaj kapabloj kaj la influo de la verkoj de Voltaire kaj Rousseau igas lin entuziasma batalanto por la subpremitoj, malamiko de ĉia absolutismo. Li iĝas framasono kaj diskutas pri grenoprezoj kaj laboristsalajroj. Por li ĉio ĉi estas ne snobismo kiel por kelkaj aliaj, sed profunda bezono. Kiam la nordamerikanaj farmistoj volas sin liberigi el la subpremo de Anglujo, la dudekjarulo, kontraŭ la volo de sia familio, fuĝas de sia reĝo, de sia societo trans la oceanon, batali por la idealoj de la leviĝanta revolucio, por libereco, egaleco kaj frateco. Malfide akceptas la ribelantoj, butikistoj kaj bienuloj, la »generalon« en la orborderita uniformo, sed lia altruista kaj modesta personeco gajnis al li la grandan Washington kiel patran amikon, kaj ĉi tiu amikeco daŭros dum jarcentoj. Lia natura heroa sento, lia oferemo pelas lin al la plej danĝeraj lokoj; li neniam zorgas pri si mem,

# FELIĈO

**— Aleksandro Kuprin —**

La granda reĝo ordonis venigi al si la poetojn kaj saĝulojn de sia lando. Kaj demandis ilin:

— En kio estas la feliĉo?

— En tio, — respondis rapide la unua: — ĉiam vidi la nimbon de via dieca vizaĝo kaj eterne senti...

— Elpiku al li la okulojn, — diris la reĝo indiferente. — La sekvanta!..

— La feliĉo — tio estas la potenco. Vi, reĝo, estas feliĉa! — ekkriis la dua.

Sed la reĝo rediris kun amara rideto:

— Tamen mi suferas de hemorojdo kaj mi ne potencas ĝin elkuraci. Elŝiru al tiu kanajlo la naztruojn. Plue!..

— Esti riĉa! — diris, balbutante, la alia.

Sed la reĝo respondis:

— Mi estas riĉa, sed demandas pri feliĉo. Ĉu sufiĉos al vi orbloko, pezanta vian kapon?

— Ho, reĝo!..

— Vi ricevos ĝin. Alligu al lia kolo orblokon, pezantan lian kapon kaj forĵetu tiun almozulaĉon en maron.

Kaj la reĝo kriis malpacience:

— La kvara!

Tiam alrampis sur la ventro homo en ĉifonoj, kun febraj okuloj, kaj ekbalbutis:

— Ho, saĝega! Mi volas malmulte! Mi estas malsata! Faru min sata, kaj mi estos feliĉa kaj gloros vian nomon en la tuta universo.

— Satigu lin, — diris la reĝo malŝate, — kaj, kiam li mortos de supersatiĝo, venu al mi raporti pri tio.

Kaj venis ankaŭ duopo. Unu — fortega atleto kun rozkolora korpo kaj mallarĝa frunto. Li diris kun ekspiro:

— La feliĉo estas en la kreo.

Kaj la alia estis pala, magra poeto, sur liaj vangoj ardis ruĝaj makuloj. Kaj li diris:

— La feliĉo estas en la sano.

La reĝo amare ridetis kaj diris:

— Se mi povus ŝanĝi viajn sortojn, post monato vi, ho poeto, petegus la diojn pri la inspiro, kaj vi, ho similo de Herkulo, kurus al kuracistoj por refortigaj piloloj. Iru vi ambaŭ kun paco. Ankoraŭ kiu?

— Mortemulo! — diris fiere la sepa, ornamita per floroj de narciso. — La feliĉo estas en neesto.

— Dehaku la kapon al li! — diris pigre la potenculo.

— Reĝo, ho reĝo, indulgu!.. — ekbalbutis la kondamnito, kaj iĝis pli blanka ol la petaloj de narciso. — Mi ne tion volis diri.

Sed la reĝo lace svingis manon, oscedis kaj diris mallonge:

— Forkonduku lin... Dehaku la kapon al li. Vorto de reĝo estas dura kiel agato.

Venadis ankoraŭ multaj. Unu el ili diris nur du vortojn:

— Amo virina!..

— Bone, — konsentis la reĝo: — donu al li centon da belegaj virinoj kaj virginoj de mia lando. Sed donu al li ankaŭ pokalon kun veneno. Kaj kiam venos la tempo — diru al mi: mi iros vidi lian kadavron.

Kaj ankoraŭ unu diris:

— La feliĉo estas en tio, ke ĉiu mia deziro plenumiĝu.

— Kaj kion vi nun volas? — demandis malice la reĝo.

— Mi?

— Jes. Vi.

— Reĝo... la demando estas tro neatendita.

— Enterigu lin vivanta. Ha, ankoraŭ unu saĝulo? Nu, nu. Venu pli proksimen... Eble vi scias, en kio estas la feliĉo?

La saĝulo — kaj li estis la vera saĝulo — respondis:

— La feliĉo estas en la ĉarmeco de la penso homa.

La brovoj de la reĝo ektremis, kaj li kriis kolere:

— Aha! La penso homa! Kio estas la penso homa?

Sed la saĝulo — ĉar li estis la vera saĝulo — nur ridetis kompateme kaj nenion respondis.

Tiam la reĝo ordonis ĵeti lin en subteran kripton, kie estis eterna tenebro kaj kie ne aŭdeblis eĉ unu sono el ekstero. Kaj kiam post jaro oni venigis al la reĝo la prizonulon, kiu blindiĝis, surdiĝis kaj apenaŭ sin tenis surpiede, al la demando de la reĝo: — »Kiel? Ĉu ankaŭ nun vi estas feliĉa?« — la saĝulo respondis trankvile:

— Jes, mi estas feliĉa. Estante en la kripto, mi estis kaj reĝo, kaj riĉulo, kaj enamiĝinto, kaj sata, kaj malsata, — ĉion tion donis al mi mia penso.

— Do — kio estas la penso? — ekkriis la reĝo. — Sciu, ke post kvin minutoj mi pendumos vin kaj kraĉos en vian malbenitan vizaĝon! Ĉu konsolos vin tiam via penso? Kaj kie estos tiam viaj pensoj, kiujn vi disipis sur la tero?

Kaj la saĝulo respondis trankvile, ĉar li estis la vera saĝulo:

— Stultulo! La penso estas senmorta.

El la rusa: *Voldemar Marganidze.*

---

ĉiam pri la aliaj kaj li iĝas, apud Washington, liberiganto de lando, kies lingvon li apenaŭ komprenas, kies civitanoj devas resti interne fremdaj al la franca aristokrato. Kiel ne multaj, li estas eterna batalanto por ideoj kaj idealoj; oni povus vidi en li Gottfried von Bouillon — aŭ Don Quichote.

Andreas Latzko, kiu kun spiro-raba impetego rakontas la historion de ĉi tiu kavaliro sen timo kaj riproĉo, akcentas ja unuavice la altruistan heroon, sed montras ankaŭ ĉiujn liajn mankojn, ne forgesas lian malkapablon esti gvidanto de popolo kaj fondi novan ordon. La riĉa nobelo, kiu, kiel vera franco, super ĉio amas la gloron kaj la sonorantan frazon, kuraĝe batalas dum sia tuta vivo por la *rajtoj* de la popolo; sed tio, ke la popolo bezonas ankaŭ *panon*, restas al li nekonata. Sed ĝuste ĉi tiu kuniĝo de feŭdeco kaj de demokratio, de fideleco al la hereda reĝo kaj de revolucia kaj iom teoria entuziasmo por la libereco, donas al ĉi tiu batalanto certan ĉarmon, des pli ke li neniam konscias la tragikon de sia vivo. Li staras meze de la franca revolucio, estas festata de la popolo kiel »la heroo de du mondoj«, gvidas la sinjorinojn de la vendejoj de Paris al Versailles, kaj tamen ankaŭ heroe staras antaŭ sia reĝo kaj reĝino por ŝirmi ilin kontraŭ la popolamaso. Por danko, li estas timata de la reĝo, de Marie Antoinette; li »la sola viro en Versailles« estas suspektata kaj malamata. Dum mallonga tempo Lafayette estas la heroo de la popolo kaj samtempe la savanto de la monarkio; sed rapide li falegas: li devas fuĝi eksterlanden pro la sangaj ordonoj de la novaj potenculoj kaj estas kaptita de la imperiestraj soldatoj kiel revolucia generalo.

Denove disvolviĝas antaŭ ni en drama prezentado la

historio de la revolucio, denove ni vidas la kubludon je vivo kaj morto: kiu hodiaŭ estas aklamata, tiu morgaŭ devas surgrimpi la puŝveturilon al la gilotino. Iu el liaj personaj malamikoj juĝis pri la rolo de Lafayette en la revolucio jene: »En nenio malbona li partoprenis, sed kio okazis por bono, tio estis lia verko.« La kvin jaroj, kiujn li pasigas en la malliberejo de Olmütz, ne povas ŝanĝi lian idealismon, lian altruismon — kaj lian Donquichotte-econ; kiam li fine revenas, nova viro regas en Francujo. Nun, kiam ekzistas cezaro, Lafayette plaĉas al si en la rolo de Brutus. Napoleono lin timas kaj tamen ne kuraĝas forigi. »Ĉiu en Francujo estas jam konvertita, nur unusola estas ne plibonigebla, kaj tiu estas Lafayette.« Tiel juĝas Napoleono. Streĉe scias desegni Latzko la batalon inter la potenculo kaj ĉi tiu ŝtale nefleksebla viro. Kaj la idealisto transvivas la realiston: Napoleono malaperas, dum Lafayette ankoraŭfoje leviĝas al decidiga grando en la julia revolucio de 1830. Louis Philippe, la ruza burĝreĝo, akceptas el la manoj de la facilkreda naivulo la kronon de Francujo. Ankaŭ kiu scias iom pri historio, ekscios multe da novo el ĉi tiu libro.

Latzko ne apartenas al tiuj saĝaj historiistoj, kiuj tronas super justuloj kaj maljustuloj — la roloj ja rapide kutimas ŝanĝiĝi —, lia tuta kolera malamo estas ĉe la reĝeco kaj ties paladinoj, lia amo apartenas al la revolucio, kaj se li ankaŭ ne aprobas ĉiujn ĝiajn kruelajojn, li tamen estas preta senkulpigi ilin. La temperamento de poeto vidas la ajojn kaj homojn laŭ persona lumo. *E. Lucka — F. W. V.*

ERNST WURM: LA AGLINO. ROMANO.

Fuĝo el la nuntempo en la historion: ĉi tiun vojon preferas nun ĝuste la plej talentaj el la pli junaj kaj plej junaj rakontistoj. La nuntempo, kiel ajn alloga ĝi estas en siaj kontraŭdiraj problemoj, en siaj unuopaj kaj amastragedioj, ŝajnas ne esti taŭga temo por la objektiva prezento de la epikisto. Ja ĉio estas ankoraŭ malklara, nedecidita: eŭropa malordo, militdanĝero, ekonomiaj mizeroj, senlaboreco: demandoj, je kiu ankaŭ poeta intuicio ne povas doni kontentigan respondon. Pro tio estas en modo la fuĝo en la historion, kie estas pli da spaco kaj libereco. Ankaŭ Ernst Wurm, kiu superas la junulojn per la matureco de sia prezent-forto kaj per sia serioza, riĉenhava spiriteco, iras ĉi tiun vojon jam la duan fojon. La unuan fojon li rikoltis ĉe tio la tre interesan Händel-romanon (Lia forto estis en li), ĉe kiu oni povis konstati ankoraŭ diversloke la ĝisfundajn arhiv- kaj bibliotek-studojn, sed ankaŭ rimarkindan kapablon profundiĝi en la komplikan karakteron de Händel, en la ecaron de lia verkado kaj en la malnovanglan medion. En lia nova romano, Ernst Wurm ankoraŭ pli malproksimiĝas de la nuntempo, al Francujo de la deksesa jarcento, en la tempon de la religiaj bataloj, por priskribi la sorton de virino stranga, vireca en sia energio kaj en sia spirito. Johana, la 15-jara princino de Navarra, kiu kreskas kiel duonsovaĝa naturinfano en la montoj, estas venigita al la franca kortego, por esti tie edzinigita de sia reĝa onklo pro politikaj motivoj. Nun vekiĝas la unuan fojon la spita forto de la juna knabino, kaj malgraŭ ĉiuj kortegaj planoj ŝi edziniĝas tamen al tiu, kiun ŝi amas: al Antoin de Bourbon, kiu iĝas ŝia granda seniluziiĝo pri amo kaj vivo. Per ĉi tiu dolora eraro la animo de la juna virino iĝas malmola, ŝi fariĝas senkondiĉe severkreda, kaj kiel aglino ŝi jetiĝas en la batalon por la protestanta kredo. Ŝi cerbumas, diskutas, agitas kaj estas la vera gvidantino de la hugenotoj. Finfine la aglino falas en la kaptilon de ŝia granda kruele-ruza kontraŭulino Katerina de Medici, kaj por ŝia dua venigo al la Pariza kortego ŝi pagas per sia vivo, kiun finas perfida venen-murdo. Sed per sia lasta forto ŝi diktas spirit-religian testamenton por sia filo, la posta reĝo Henriko IV., resti fidela al sia kredo kaj timi nenion sur la tero. La ŝtofo de ĉi tiu libro estas prenita el multaj fontoj, sed en la romano tute ne estas rimarkeblaj ĉi tiuj antaŭstudoj. La historia materialo estas artege prilaborita, multfoje libere formita; la homoj kaj konfliktoj de tiu ĉiusence al ni fora tempo iĝas vivaj kaj interesaj per la fortplena prezento. Antaŭ ĉio, la figuro de Johana estas ellaborita kun psikologia majstreco. *F. W. V.*

LEGOFRUKTOJ.

»... Mi iras al la noktazilo kaj vidas la gefratojn, kiuj milope ŝteliras tra la barilo. Ne, ne ekzistas sociala problemo. Alie ĝi ja estus solvebla. Ekzistas nur la mizero, la malriĉo. Ĝi estas ja naturleĝo, ĝi apartenas fiziologe al la homaro kiel nekuracebla malsano, rezervita al la homoj kiel la kancero. La besto mortas pro malsato nur kiel dombesto de la homo. Neŝanĝebla restas la malriĉo!«

»... Nebulo super Berlino. Fajfoj de fabriksirenoj. Kie estas la ĉielo? Nur urbo, la mizero de urbo. Sed ĝi ekzistas, ĝi ĉiam ekzistos. Londono, Parizo, Lisabono kaj Liverpolo kaj Dublino kaj Marseilo kaj Romo kaj Leningrado, Ŝanghajo kaj Nov-Jorko kaj Boston kaj Hamburg — kloakoj ĉie, malsato, krimoj, seksatencoj, murdo.«

»... Kiel bela estas, sabat-vespere iri tra la stratoj de mia infanaĝo, en interpremo de knabinoj sen ĉapelo kaj de junuloj en jerzo, de malgajaj patrinoj, kiuj tiel volonte aĉetus por la dimanĉo pecon da viando, kaj de viroj, kiuj portas la salajron en drinkejon. Ho, ne flariĝas bone ĉi tie, fiodoras. Odoras la malriĉuloj kaj la negocejoj kun la fumajvaroj kaj odoras el la ĉevalbuĉejo. Kaj la plezurplaco jam bruas, ekflamas kino-eniroj, gramofonoj en drinkejoj bruaĉas. Mi rigardas al la palaj vizaĝoj vulgaraj kaj malbrilaj, avidaj kaj senesperaj. Multaj ridas — ho, ili ridas pri la plej malforta spritaĵo, ili estas tiel dankemaj. Mi vidas la sangomalriĉajn vizaĝojn de la infanoj, kiujn portas iliaj patrinoj. Tiel proksime ĉio estas al mi, mia koro malfermiĝas, mi amas vin, gefratoj! elpoŝaj ŝtelistoj kaj publikulinoj — jes! Rompŝtelistoj kaj aĉeteblaj junuloj kaj drinkuloj — jes! Sed mi amas vin. Mi apartenas al vi, ĉar vi bezonas iun. Kaj tamen — kion mi povas fari por vi!

Ho vi retoj kun pano en ĝi, du funtoj da terpomoj, gadokapoj por la supo, po ses pfenigoj por funto! Ho vi sopiraj virinrigardoj en viandvendejoj kaj buternegocejoj! Kaj vi infanoj, ho! antaŭ la fenestroj de la sukeraĵvendejoj! ... Mi sentas brulantan amon, se mi rigardas vin, flaras vin, kelkfoje prenas iun el vi ĉe la mano: »Kion vi deziras?« ...

Mi scias, mi vidas: ekzistas proletaro, kiu ekvivas. Ili havas propran teatron, propran koncerton, ili havas parolĥorojn kaj gimnastikkursojn, kantgrupojn kaj proprajn altlernejojn kaj laborkomunecojn, ili havas boksklubojn kaj diversajn migradojn kaj sportvojaĝojn. Ili havas laborkursojn por arto kaj scienco, kaj ekzistas laborist-koncertoj de grandaj artistoj kaj orkestro.

Ekzistas proleta junularo, kiu posedas la vivon kaj ĝuas ĝin, kaj iliaj gepatroj havas litografaĵojn sur la muro kaj estas en librokomuneco kaj membroj de la popolteatro. Sed ne ĉi tiujn mi opinias, ne al ili mi pensas. Mi pensas ne al la proletaro, kiu sukcesas, kiu inde vivas, prisunata de politika idealo, sed al la malriĉuloj. Al la kvina klaso. Se en iu halo sidas mil malriĉuloj: antaŭ la pordo ĉiam staras la ankoraŭ pli malriĉaj. Mi pensas al mia juneco kaj al la sennombraj, kiuj la saman junecon ĉiam, ĉiam daŭrigas. Neniam mi ĉesas almozpeti. Neniam la patro ĉesas fordrinki sian monon kaj pereigi la familion; neniam la patrino lavi, ĝis kiam ŝi terenfalas; ĉiam la fratino refalas, kaj la frato fiaskas. Oni ne bezonas paroli pri tiuj, kiuj scias helpi sin mem, sed pri tiuj, al kiuj neniam povas esti helpata. Eĉ ne de dio. Neniu dio kuraĝas en la malhelon de sia kreaĵo, kie la rato fuĝas al la brusto de la homo, por tie varmigi sin; kie la patrino traserĉas la forjetujon en fremdaj kortoj, por trovi por sia infano ŝimajan panon. Pri ili paroli — kiacele, se oni tamen ne povas helpi ilin? Sed se almenaŭ estus amo por ili en la mondo: eble ili pli libere spiradus...«

El la libro: *Mi malsatas*, romano de *Georg Fink*.

*

»La poezio ekzistos, kiel longe ekzistos la homaro; ĝi valoras, kiel ties plej nobla parto, ĉar la poezio estas la homa koro. Kaj dum la suno orumas la teron kaj viv-

igas ĝin, kaj dum la ĉielo vestas sin per sia plej bela bluo kaj la printempo ornamas la kampojn per floroj kaj folioj, tiel longe la homaro, kiu ĝojas pri la kanto de la birdoj, aŭskultos kun milda kortuŝo la kanton de tiuj aliaj birdoj, kiuj nomas sin poetoj.«

*Antonio de Trueba*, hispana lirikisto

*

Hazardo. — »Sed poste mi ĉirkaŭrigardis ne nur en la juĝejo, sed ankaŭ en la mondo. Kaj poste mi demandis min: Eble la justeco estas ie aliloke? Vi miras, ke en la juĝejo la sorto dependas de la ejo, en kiu oni procedas, aŭ, ankoraŭ pli malbone, de la stomakdoloroj de iu juĝisto? Sed se eĉ Napoleono perdis la batalon de Waterloo pro siaj stomakdoloroj? La tuta vivo estas regata de hazardo. Iu kuracisto savas vin per mirinda operacio, alia mortigas vin per injekto. Renkonti virinon en kafejo, povas kaŭzi en via vivo energian pason trans ĉiujn viajn molajojn. La sama virino povas veneni vian sangon per malsano, peli vin en deliron, donaci al vi filon, venigi al vi feliĉon, plibonigi vin. Ni iom ĉirkaŭrigardu: Dentkuracistoj, kiuj eraras en la dento, kritikistoj, kiuj ruinigas per adjektivo artiston aŭ entreprenon, inĝenieroj, kiuj erarkalkulas ĉe pezo-koeficiento — ĉu vi ĝuste postulas, ke nur la juĝisto estu justa? Sed ĉiuj maljustoj de la mondo devenas el la senfina diverseco de ĉiuj aferoj, kiuj ree rezultas el la multeco de la mondo kaj el la neatendeblajoj de la vivo.

La miksado de la perfekteco kun la malperfekteco rezultigas la belecon de la ajoj kaj vidigas la kunlaboron inter dio kaj la homoj. Al ĉiu akuzato estas destinita lia sorto, kaj ekzistas nenio, kio povus tion ŝanĝi. Kian ajn argumenton diras la advokatoj, — io neevitebla gvidas la sorton de la akuzatoj. La kaŭzoj, pro kiuj okazas liberigo aŭ kondamno, preskaŭ neniam estas dirataj en la pledoj kaj defendoparoladoj. Prenu la kazon de grava just-eraro. De la aresto ĝis la punlaboro: kia longa serio da malfeliĉaj hazardoj. Se iu numero ripetiĝas dekfoje ĉe la ruleto, tio estas nenio kompare la senfina serio da hazardoj, kiuj iun malfeliĉulon venigas en la pundomon! Kara amiko, ĉio estas trompo en la mondo, ĉio teatro. La vero? Gi devas esti en sia fundo plej mizera afero, se sufiĉas du glasoj da konjako, por ĝin kaŝi aŭ groteskigi. Kaj la justo? Nu, ree sufiĉas du gradoj da febro; kion mi diras? ofte jam sufiĉas tro malvasta boto, por ŝanĝi pensprocedon aŭ tutan sentimenton. »Do?« »Do?« Kredi al escepta hazardo! La koincidon de favoraj hazardoj oni nomas feliĉo, la koincidon de malfavoraj hazardoj malfeliĉo. Se al tiuj hazardoj ankoraŭ alvenas la homa volo, oni parolas pri bono kaj malbono. Kaj se tiuj homoj estas juĝistoj, poste oni parolas pri »justa« aŭ »maljusta«. Sed la bacilo, kiu nin venenas, la aŭto, kiu karambolas kun ni, la viro, kiu nin kalumnias, la juĝisto, kiu nin kondamnas, tio ĉio estas nenio alia ol variantoj de unu kaj la sama fenomeno: la hazardo. Ne ekzistas diferenco inter la palaco, kiu ekbrulas, ĉar du elektraj metalfadenoj venis en kontakton, kaj la juĝisto, kiu sendas vin en la pundomon, ĉar inter la atesto de la trafikpolicisto, kies spirita sinteno estas la severeco, kaj la juro de la monaĥino, kiu ekzercas la mision de la indulgo, la juĝisto havas la devon kredi al la biciklopolicisto. Ekde la unuaj jaroj de nia vivo ni povas ĉe ni mem kontroli ĉi tiun fenomenon. Esti demandata pri la edikto de Nantes aŭ pri la koncilio de Trient, signifas plialtiĝon aŭ plimalaltiĝon, gajnon aŭ perdon de unu jaro, signifas studi aŭ estiĝi laboristo, morti kiel senatoro aŭ mortaĉi en iu hospitalo.«

El la libro de Pitigrilli: *Homo serĉas la amon.* —

*F. W. V.*

WILLIAM B. SEABROOK: VOJOJ EN LA GANGALO. William Seabrook, kiu havas bonan nomon inter la sciencaj vojaĝ-priskribistoj, vizitis ĉi-foje Okcident-Afrikon, kaj en sia interesa nova libro li parolas pri la ĝangalpopoloj starantaj sub franca administrado. Li rakontas, ke li — laŭ saĝa konsilo — alprenis la kutimojn de la ĝangalanoj, kune faris iliajn primitivajn ritojn, oferis al iliaj dioj; tiom, ke la ĝangalaj negroj lin prenis por vera negro, kies blanka vizaĝo estas nur hazardo, ĉar alie, kiel diris tribestro: »li estas multe pli saĝa kaj nigra ol iu ajn el ni.« Tiel li povis plene proksimiĝi al la popolo de la ĝangalaj kotnest-vilaĝoj kaj povis observi ne sole eksterajojn. Lia vojo kondukis de Grand Bassam, sur la Ebura Bordo, ĝis Timbuktu. Li vizitis, en akompano de juna sorĉistino, la *jafuba*-tribojn; li estis ĉe la kanibalaj *geroj*, ĉe la *mossi*-popolo, ĉe la rok-loĝantaj *habbe*-oj. La plej interesa estas certe la ĉapitro pri la kanibala vilaĝo, kie la maljunuloj de la tribo klarigis al li per surpriza filozofia motivado la pravecon de la hom-manĝado. Laŭ la geroj, kiuj estas animistoj, ĉio havas animon: la kokido same kiel la banano aŭ la legomo; kaj se pro tio oni ne rajtus manĝi homon, ke la homo havas animon, oni ja same ne rajtus manĝi ankaŭ kokidon, bananon aŭ legomon, kaj finfine ĉiu mortus de malsato. Seabrook petis de ili la recepton pri la kuiro de la homviando; li ĝin ricevis, kaj ĝi rakontas, ke foje oni sendis al li porcion da homviando, kaj li ĝin bakis kaj manĝis... Temas pri scienca interesiĝo, kaj — laŭ la objektiva komuniko de la scienculo — la viando estas tute bongusta. (Gis nun ni sciis nur, ke ĉi tiu viando estas malmultekosta kaj sufiĉe senvalora, precipe en viva stato; nu, la geroj ĝin tre altetaksas, sed ankaŭ ili aprecas ĝin nur kiel ramstekon). Seabrook parolis ankaŭ kun la Hugun de Aru, plej sankta homo de Okcident-Afriko. La Hugun diris tre belajn kaj tre saĝajn aferojn eĉ laŭ eŭropa mezuro. Kaj li loĝas en la supro de alta monto, retiriĝinte kaj modeste, kiel decas al vera saĝulo.

*B. B.*

## La Neĝo

— Gabriele D'Annunzio —

Falas la neĝ' al la patrino Tero
trankvile. Kaj ricevas ĝian blankon
la Tero, kiu juste nun ripozas,
naskinte al la hom' abundajn fruktojn.

Bovisto vidas sur la ŝvitaj kampoj
la neĝon brili, dum li altabliĝas;
El lia kor' espero kaj el kruĉo
ridetas nun al li la juna vino.

Ho falu pace, neĝ'; defendu ĝermojn,
radikojn, kiuj donos multajn herbojn
al gregoj poste kaj al hom' la panon.

Ho falu pace, ke ĉe l' tempnoviĝo,
de vi nutrataj, tra l' eben' vekita,
ekkuru kiel greg' obeemaj fluoj.

*(Kalocsay).*

KNUT HAMSUN: LA CIRKLO FERMIGAS. Ĉu nepre ĉiu homo devas »fariĝi io«? Ne! — respondas la heroo de Knut Hamsun, Abel, filo de lumtur-gardisto. Tiun »ne« li rilatigas nur al sia propra persono: li ne volas akiri adeptojn por sia individua anarkismo, kiu, ĉe la plena ignoro de la pli-malpli gravaj sociaj leĝoj, entenas ankaŭ la plej grandan kaj plej naturan sinoferon. Abel lernas nenian metion plene, povas resti en nenia okupo; ne timas de malsato, de frosto. Neces-okaze li plenumas tute trankvile iom da ŝtelrompo; li havas nenian senton pri la sankteco de la proprajo, — sed unuavice sian propran proprajon, sian hereditan havon li disdonacas, al ĉiu ajn, kiu bezonas helpon. Fine, kiam restas por li nenio alia, li fordonas sian vivon, same silente, trankvile, senpoze, kiel siajn ceterajn havojn. Kio mortigis en li la sopiron de akiro, de validiĝo, tion ni nur konjektas: verŝajne nekontentigita junaĝa amo. Tiun amon sekvas aliaj,

pli sukcesaj, pli feliĉaj, sed ili jam ne povas ŝanĝi la sorton de Abel.

Jen la temo de la romano de Knut Hamsun, kiu pentras la mondon de la norvegaj ethomoj per sia kutima, milda, nebuleta, senpera stilo, vicigante antaŭ ni tutan serion da neforgeseble desegnitaj tipoj. Lian grandecon oni ne devas malkovri. Kaj ĉi tiu romano certe apartenas al la unuaj el liaj ĉefverkoj. *M. H.*

## LA MUZIKECO DE LA ITALA LINGVO

Estas konate, ke la lingvo de granda parto de la birdoj estas ilia kantado. La homa parolo estas ankaŭ muzika esprimo. La diferenco en la sono, en la koloro kaj en la ritmo de nia parolo devenas de interna vivo, per kiu ni esprimas tiun senton. Ju pli perfekta kaj potenca estas iu lingvo, des pli bone ĝi povas servi kiel rimedo de poezio. Cetere, notinde estas, ke ju pli riĉa je sentoj estas iu popolo, des pli varia estas ĝia parolo.

La itala antaŭeco en la Renesanco estas ŝuldata ĉefe al la riĉeco de la itala lingvo, enkondukita kaj parolata en ĉiuj kortegoj, kunaganta por la diskonigo de la itala kulturo. La itala lingvo estiĝis, ĝi ne aperis kaj ne naskiĝis subite: lingvoj ne naskiĝas, sed disvolviĝas, ŝanĝiĝante konstante de iu alia lingvo (tion komprenu fine ankaŭ la kontraŭuloj de lingvo internacia). Tiel la itala, kiel la ceteraj romanaj lingvoj, disvolviĝis de la popola latina lingvo (sermo rusticus), sub la influo de diversaj aliaj idiomoj. Unue, uzata nur en la princaj palacoj kaj de la kleruloj, poste dank' al la potenca genio de Dante, la itala lingvo altiĝis kaj fariĝis komuna literatura lingvo por tuta Italujo. Pro sia neelĉerpebla popola riĉeco, pro sia artisteco, melodieco kaj muzikbeleco, tiu lingvo iom post iom anstataŭis la latinan kaj helpis fandi ĉiujn altpoetajn figurojn de Dante, Petrarca, Boccacio, Ariosto k. a. kiuj levis tiel alte la italan literaturon.

Dum sia disvolviĝo la itala lingvo firmiĝis en la riĉeco kaj varieco de vortoj, kiuj mankas en aliaj lingvoj. Pasante tiun vojon de formiĝo kaj perfektiĝo, la itala lingvo restis ĉiam tiel belsona, harmonia, muzika, ankaŭ ĝis nun. Notinde estas, ke eĉ vortoj de fremda deveno, kiuj estis akceptitaj kaj asimilitaj en la itala lingvo, akiris pli grandan muzikecon ol ilia lingva originaĵo. Ekzemple la meksika vorto »Xicara« (taseto) en la itala ŝanĝiĝis en »chicchera«, vorto tre melodia. La orienta vorto »sockar« en greka fariĝas »saccharon«, en latina »sacharum«, kaj en itala »zuchhero« kaj de ĝi ankoraŭ la pli delikata »zuccherino«. Same tiel de la greka vorto »bambakón« en itala fariĝis la belsona vorto »bambagia«. Sufiĉas havi ioman muzikan senton por percepti la delikatecon kai melodiecon, kiujn kaŝas ĉi tiuj vortoj. El la franca vorto »toupet« (hartufo) la itala popolo kreis unu el la plej belsonaj vortoj »batufolo«. El la franca vorto »claque« la italoj akiris la du vortojn: »chiacchiera« kaj »ciaccola«, kiuj estas mirindaj ekzemploj de onomatopeo — imita perfekteco.

La itala lingvo rajte estas konsiderata kiel unu el la plej riĉaj lingvoj rilate de siaj onomatopeoj. Ekzemple: annitrire, crochiare, friggere, grugnire, miagolare, mugghiare, ruggire, squittire, zirlare; poste: battito, bomba, bombarda, schiioppo, tuono, vento kaj ankoraŭ: bacio, bisticcio, fischio, gorgoglio, grido, rabbia, sibilo, soffio, sussurro, urlo, zempillo.

La itala havas tiun apartecon, ke kvankam la plimulto de tiuj vortoj estas de fremda deveno, ĝi donis al ili grandan muzikecon kaj sonecon, dum la aliaj popoloj tute malproksimigis ilin de tiuj ecoj. Ekzemple la francaj vortoj: sifflement, gorgouillement kaj hurlement, en kiuj la finaĵo difektas la prononcadon. Alia ekzemplo: la itala lingvo akiris la vorton »bacio«, kiso, de la latina »basium«, donante al ĝi tian delikatecon kaj graciecon, ke oni sentas dum ĝia prononcado la kuniĝon de du lipoj en ama tremo. Ne tiel fariĝis kun la franca »baiser«, la hispana »beso« kaj la germana »Kuss«.

Kiel ni menciis, la itala devenas de la latina lingvo. La vorto »donna«, virino, devenas de la latina »domina« (de *domus-domo*), kio en la itala signifas: domomastrino. En la franca de la sama vorto devenis la vortoj: dame, madame, demoiselle, mademoiselle; la hispano diras: dagna, dama, dancella. La itala popola idiomo konas 45 diversajn nomojn, kiuj havas la saman radikon. Esplorante tiun ekstreman riĉecon de vortoj, oni certiĝos facile, ke preskaŭ ĉiuj havas muzikan prononcon, ekz. donnina, donnino, donnincino, donnetta, donnettina, donnuccia, donnaccia, donnona, donnicciola, donnicciattola, donnacione, donnacherina, donnucciacia, donnaio, donnaiolo, donnesco, donnescamente, doneare; dama, madama, damigella, madamigella, danzella, darnina, damuzza, damaccia, dameria, damo, damigello, dameggiare, damerino; madona, madonetta, madonnina, madonnino, madonnone, donzelletta, donzellina, donzello, donzellare.

Kiu alia lingvo en la mondo posedas tian abundecon kaj riĉecon de vortoj kaj tian esprimecon kaj sonecon, kiu transdonus la diversajn fizikajn kaj moralajn ecojn de la virino? Kaj tio estas nur pri la derivaĵoj de unu latina vorto, sed kion oni dirus pri miloj da aliaj?

Precipe riĉa estas la itala lingvo en karesaj vortoj, kiel ekz.: vecchierellino, chiesoletta, cattinelluccio, giovanottino, pallottolina, ghiottoncino, ladroncello, ghiottoncello, ribaldoncello ktp. Ĉu vi ne sentas la ridon, kiu kaŝiĝas en la vortoj: dottoriccio, mediconzollo, pretonzolo, pretazzulo, avvocatucolo, scribacchino? Precipe tipa estas la frazo: »E dopo l' abatucolo, v'ó il fratucolo, il dottorucolo, l' avvocatucolo, il maestrucolo di casa«, laŭte legata.

La itala lingvo estas do tre riĉa kaj plej muzika lingvo en la mondo. En la franca mankas la silaboj CE, CI, GE, GI, kiuj abundas en la itala (samkiel en Esperanto, kiu fiere estas komparata kun la itala), kaj kiuj, nediskuteble, donas apartan delikatecon kaj muzikecon al la lingvo.

Tiu lingvo, senmortigita de la neatingeblaj grandeguloj de la krea penso, lingvo ĉarma, riĉa, belsona kaj radia, estos ĉiam vera trezorujo de granda delikateco kaj poezieco por ĉiu, kiu volas penetri en la kvietaj kantoj kaj malkvietaj sopiroj aŭ ĝemoj de la kantisto.

*Srednogorski*

---

## AL NIAJ LEGANTOJ

Malofte ni turnas nin al vi en administraj aferoj dum la jaro. Kaj por ne forpreni valorajn kolumnojn en la revuo, se iam ni faras tion, ankaŭ prefere ni uzas la formon de aparta cirkulero. Nun, je la fino de 1936 — peza kaj nuboplena jaro — ni tamen volas al vi diri kelkajn vortojn ĉi tie kaj danki la fidon, kiun vi havis al ni. Ni donis la gazeton ja nur sesfoje malakurate kaj *Lingvo-Libron* trifoje, sed tamen la ĉijaraj paĝoj kune faras entute 224 dum la pasintjaraj 232 paĝojn. Ni do nenion forprenis de vi, eĉ, donante favorpreze la Jubilean Libron de Baghy—Kalocsay, ni donos al vi pli multe, ol en 1935. Estas tre malfacilaj cirkonstancoj, inter kiuj ni devas labori. Kaj nia peto estas al vi: fidu nin plu, sendu vian abonon kiel eble plej rapide al niaj reprezentantoj. Ni ne scias, ĉu ni povos esti akurataj jam en tiu ĉi jaro. Tio dependas ankaŭ de la tuta cirkonstancaro en la mondo. Tamen, ni petas vin, taksu laŭ sia valoro la aperon de nia gazeto kaj fidu nin. Via rapida abonpago estos la signo, ke vi komprenas plene niajn fortostreĉojn kaj se venos multaj tiaj elmontroj de la fido, ni estas certaj, ke iam ni venkos nian malsanon: la malfruon. *Estu niaj kuracistoj kaj verŝu en nin la plej bonan medikamenton: la monon* kaj ni fariĝos la plej akurataj kaj plej sanaj.

**Via: Literatura Mondo**




*E. Wüster:*

## *Konturoj de la lingvonormigo en la tekniko*

Eldonis **Literatura Mondo, Budapest,** IX., Soroksári-str. 38—40. — La dua volumo de la lingvo (A) serio de AELA 1935. — Formato 20×13 cm. 124 paĝa. — Prezo: broŝurita 0.60 dolaroj, bindita 0.85 dolaroj plus 10% sendkostoj.

Aperis kaj al ĉiu AELA-ano estas ekspedita:




## Maria kaj la grupo

### Originala romano de EMBA

Eldonis **Literatura Mondo, Budapest,** IX., Soroksári-út 38—40. — La lasta volumo de C-serio de AELA 1935. — Formato 20×13.5 cm. 176 paĝa kun kolora kovrilo. — Prezo: broŝurita 0.70 dolaroj, bindita 0.95 dolaroj, sur luksa papero, en luksa bindo 1.30 dolaroj plus 10% sendkostoj.

## BINDILON

por la jarokleto de 1936 ni liveras al ĉiuj por 15 DOLARCENDOJ, pagantaj la abonon por 1937 ĝis la 31-a de januaro 1937

**Ĉu vi deziras sukceson al ESPERANTO?**

**Kompreneble! Do, vi devas iĝi membro de**

## INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA,

kiu vigle laboras por disvastiĝo de nia kara lingvo en la sciencaj rondoj La kotizo estas nur 15 francaj frankoj! Tamen la bulteno estas dumonata, bele presita kaj ilustrita. Senatende, petu senpagan provekzempleron de la ĝenerala sekretario **S-ro M. D., Dupuis, 57 rue de Larochefoucauld, PARIS 9e, Francujo.**

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR. **Praha** XIX. 447, Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 1237

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Talivaldo Irdra, **Riga,** Kr. Baronas ielā 104 dz. 19. Poŝtĉekkonto nro 7

**NEDERLANDO:** A. C. van Ingen, Rotterdam W. Schiedamschewege 209 b. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro John Johanessen, **Hamar,** Skappelsgt. 5.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen.**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Rockford (Illionis) 1111 Brooke Rd.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.